XVII^a jaro. N° 250 (6) ⋆ Monata ⋆ Junio 1921

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO



FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉATRE, GENÈVE

*La Redakcio ne povas resendi manuskriptojn. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion*



## Vojo Zamenhofa

Nenio nin deflankigu de la vojo montrita noble kaj alte de Zamenhof, kiun H. Hodler sekvis en tiu ĉi gazeto. Amo, ne malamo. Larĝa vidpunkto, ne fanatikeco. Lingvo kiel rimedo, ne kiel celo. Servi la homaron, ne regi klikon. Tio estu nia idealo.

Ĝoje ni konstatas, ke nia alvoko al ĉiuj mondlingvanoj, presita en nia marta numero, estis aŭdata de multaj. Eĉ konsiderinda nombro da idistoj, ĉefe novbakitaj, skribis konfesante, ke nia lingvo tute ne estas malbona, kiel pretendas iliaj ĉefoj, kaj ke „la komparo montras ĝian grandan kvaliton: la vivanteco“. Tiu nova generacio, kiu konas Esperanton nur per atakoj kaj artefaritaj tekstoj, surprize miras vidante esperantan gazeton kaj ekvidas la veron, se nur oni penas ilin informi ĝentile. Tio ja estas nia devo.

Pri malnovaj idistoj estas alie. Kelkajn gvidas tro akra malamo. Sur tiu ĉi kampo ni rifuzas paŝi. Kiam oni proponis al ni pacon iom mistere, ni respondis publike kaj malkaŝe per nia marta numero, montrante kiel paco estus ebla sur scienca bazo, laŭ la Brusela decido, kiu konsilis al ĉiuj mondlingvanoj propagandi Esperanton, tia kia ĝi estas, ĝis oficialigo.

Ni estis pretaj instigi la kreon de neŭtrala komisiono ĉe la Ligo de Nacioj sub du kondiĉoj: 1^e ke ĝi entenos ne nur teoriulojn, sed praktikajn spertulojn, 2^e ke al ĝi oni resendos la tutan polemikadon pri mondlingvo kaj ke la idistoj ĉesigos do sian atakpropagandon. Kelkaj ĝin skribe promesis al ni, sed aliaj daŭre al ĉiu kongresestraro aŭ registaro, kiu ekfavoras Esperanton, tuj pafsendas amason da protestoj, kalumnioj kaj mokaĵoj, kiuj neniam akceptigas Idon, sed kelkafoje malkuraĝigas publikajn homojn pri la tuta mondlingva afero.

Tiel longe, kiel daŭros tia agado, tiam povos esti eĉ neniu priparolo aŭ interkonsento pri komisiono. Nia devo estos daŭre diri al la tuta publiko tion, kion ni estus montrintaj al spertularo, nome, ke la ŝanĝoj proponitaj de Ido estas ne plibonigoj, sed komplikaĵoj, ĉar ili limigas la facilecon de mondlingvo al la nura intelektularo de kelkaj eŭropaj nacioj kaj malebligas la vivantecon de la lingvo per troa subita enŝovo de amasa vortaro. Kontraŭe Esperanto komencis per malvasta materialo kaj unue akiris al si sendependan memforton kaj vivon. El tio ĝia granda flueco. El tio ankaŭ ĝia normala evoluado, kiun neniu fanatikeco povas haltigi aŭ perforti. Ĝia fundamento ne konserviĝas pro la sankteco de iu libro aŭ la severeco de iuj pastroj. Libro kaj pastroj povus malaperi: dekjara knabeto jam retrovus la saman fundamenton, ĉar ĝi enradikiĝis en la vivo kaj donas la direkton kaj koloron al la branĉoj kaj folioj de l' arbo, kiel elokvente ĝin montris Zamenhof en sia parolado Washingtona.

Tiun sciencan vidpunkton ni estus defendintaj antaŭ interŝtata komisiono proponante niaflanke, ke ĝi aŭtoritate juĝu per definitiva oficialigo de Esperanto. Sed povas esti, ke tiu komisiono neniam aŭ tro malfrue stariĝos.

Dume Esperanto jam estos instruata de longe en lernejoj kaj ĝenerale uzata kiel la fakta vivanta mondlingvo. Ni do iru antaŭen senŝancele uzante kaj riĉigante Esperanton per utilaj verkoj. De reforma proponado aŭ interlingva marĉandado ni firme gardu nin. Ĉiutage jam venas novaj aliĝoj aŭ ekoficialigoj. Ni enpresas gravan deklaron subskribitan de dudek-unu el la kvardek anoj de l' Franca Akademio de Sciencoj. Tiu nova aŭtoritata juĝo estu por ĉiuj oportuna kuraĝigo kaj gvidilo.

## Grava Alvoko de blinduloj

Ni ricevis kortuŝan alvokon de nia blinda samideano Harald Thilander (Ösmo, Svedujo), kiu sindone kaj kuraĝe eldonas la puntpresitan *„Esperanta Ligilo“*. Tiu organo jam fariĝas unu el la plej gravaj porblindulaj gazetoj en la mondo, ĉar havinte 400 legantojn antaŭ la milito, ĝi nun havas 600, kio egalus laŭproporcie inter blinduloj je pli ol du milionoj da legantoj inter viduloj. En landoj kiel Hispanujo, Bulgario, Meksiko aŭ Brazilo ekzistas eĉ neniu nacilingva gazeto por senviduloj. Tial *„Esperanta Ligilo“* estas ilia sola organo,

kaj ĉiuj plej inteligentaj inter ili lernas nian lingvon por ĝui regulan legadon. — Simile pri libroj, la presado kaj kopiado en Esp. estas la sola maniero havigi al ĉiuj blinduloj en la mondo, speciale al tiuj el nevastaj nacilingvoj, legadon de fremda literaturo. Tiel Esperanto fariĝis la internacia kulturlingvo de la blinda inteligentaro. Vera beno ĝi estas por ili.

Bedaŭrinde la kostoj fariĝas terure altaj. Neniu ebla abonprezo povas ilin kovri. La tuta afero staras minacate je morta haltigo se ne troviĝas malavaruloj por ĝin savi. Kiu helpos? Ni petis nian konatan blindan samideanon Percy Merrick rakonti tie ĉi la historion de tiu admirinda movado. Ni nepre deziras, ke ĝi daŭru kaj floru, ĉar ĝi estas la plej nobla tuja homhelpado per nia lingvo. Ni solene alvokas al ĉiuj Esp. societoj, grupoj kaj amikoj en la tuta mondo, ke ili organizu monkolekton por tiu celo kaj sendu la rezultaton al S-ro P. Merrick, Woodley, Shepperton-on-Thames, Anglujo, kiu organizos la subtenon. Samideanoj, malavare donu por sankta afero!

*Edmond Privat.*

## Esperanto inter Blinduloj

Esperanto komencis ludi gravan bonfaran rolon ĉe la tutmonda blindularo en 1903, kiam Profesoro Th. Cart instruis la lingvon al kelkaj blinduloj en Svedio, Svisio, kaj Francio. Frapita de ilia fervoro kaj de ilia povo mem propagandi per internacia korespondado en la reliefa skribado (Braille), li donacis kaj kolektis monon por presigi lernolibrojn reliefajn en kelkaj lingvoj, kaj en 1904 fondis la universalan blindulan gazeton „Esperanta Ligilo", kiun malgraŭ siaj aliaj devoj li tiel sprite kaj sukcesplene redaktis dum naŭ jaroj.

En 1913 oni transdonis la estrecon de „Ligilo" al S-ro Harald Thilander, juna Svedo, kiu malgraŭ la malhelpaĵoj de blindeco, surdeteco kaj kripleco fariĝis Braillepresisto kaj redaktoro de sveda ĉiusemajna gazeto por blinduloj. Neniu povus pli bone redakti internacian gazeton ol Thilander pro lia vasta kono de blinduloj per korespondado. Jam en lia dudekunua jaro li skribis bone la germanan, francan kaj anglan lingvojn, kaj lertege uzis tiun kapablon por esperantigi siajn leteramikojn. Al ĉiu li trovis rimedon por profitigi la lingvon; senlace li laboris disvastigi la veran senton de Esperantismo kaj senpage laboris por la „Ligilo".

La nombro de legantoj de „Ligilo" ĉiam kreskas; ĝis nun pli ol 600 ekzempleroj iras ĉiumonate en 26 landojn. Krom literaturaĵojn ĉerpitajn ĉefe el „Esperanto" — kiujn la legantaro tre ĝuas — ĝi enhavas gravegajn sciigojn pri blindulaj aferoj. Inter la legantoj troviĝas multaj spertuloj, kiuj ĉiam bonvolas meti siajn spertojn je la dispono de samsortanoj. Precipe dum la lastaj jaroj multaj el la originalaj artikoloj estas traduke republikigitaj en naciaj blindulaj gazetoj. Ĉiuflanke ĝi inspiras kuraĝon kaj instigas novajn entreprenojn.

En 1907 S-ro Cart aranĝis blindulan subkongreson en Cambridge, kie ĉirkaŭ dudeko da legantoj diverslandaj sin renkontis kaj amikiĝis. En 1914 li preparis pligrandan renkonton en Parizo, sed . . Hodiaŭ multaj legantoj el apudaj landoj esperas renkontiĝi en la Praha Kongreso, dank' al la gastemeco de la enlandanoj anoncita en „Ligilo". Oni povas imagi, kia okazantaĵo estas tia kunveno en la vivo de blindulo, kiu antaŭe certe neniam povus esperi vojaĝi ekster sia propra lando! S-ino Mudie je la memoro de sia bedaŭrata filo H. B. Mudie, donas ĉiujare malavarajn premiojn por literaturaj kaj porblindulaj verketoj de la legantoj. Tio kuraĝigas ilin ne nur sin perfektigi pri la lingvo, sed ankaŭ kulturi literaturan talenton. Espereble kelkaj el iliaj verketoj aperos iam en ĵurnaloj por vidantoj.

Estus neeble priskribi ĉiujn servojn faritajn al la blindularo tutmonda de „Ligilo" kaj de ĝiaj konsuloj (kies nomaro aperis en „Esperanto", decembro 1920). Ili altiris la simpation de multaj gravaj societoj por blinduloj, du el kiuj, la *National Institute for the Blind*, Britio, kaj *Norges Blindeforbung*, Norvegio, subtenas ĝin per ĉiujara monhelpo.

Sed bedaŭrindaj novaĵoj ĵus alvenis, kiuj minacas la ekzistadon de nia kara ĵurnalo. La grandega donaco de 250 funtoj sterlingaj, kiun la National Institute donis dum la du lastaj jaroj devas pro neeviteblaj ekonomiaj kaŭzoj esti malgrandigita dum la venonta jaro komencante en Julio ĝis nur 40 funtoj. Koregajn dankojn ni ŝuldas al ĉi tiu Instituto ne nur ĉar ĝiaj malavaraj donacoj ebligis la postmilitan rekomencon, sed por ĝia nuna subteno. Sed ni tute ne scias kiel akiri monon sufiĉan por daŭrigi la entreprenon.

Ĉu ni forlasos ĝin? Milfoje *ne!* ĉar tio rompos la koron al multaj legantoj. Ĉu la tutmonda Esperantistaro ne venos al nia apogo kaj per mondonacoj kaj kolektoj ĉe grupoj kaj Kongresoj subtenos la blindulan gazeton, kiu ne nur vigle propagandas Esperanton, sed jam fariĝis unu el la plej gravaj bonfaraj entreprenoj el la tuta mondo?

*W. Percy Merrick*, Shepperton-on-Thames.

## *Al Lingva Komitato*

*Ni tre bedaŭras, ke, miksante privatajn polemikaĵojn kun oficialaj Akademiaj dokumentoj, niaj batalemaj amikoj S-roj Cart kaj Corret daŭrigas akran atakadon kontraŭ nia gazeto same kiel ili faris siatempe kontraŭ aliaj fidelaj Esperantistoj laŭ persona karaktera kutimo, pri kiu jam dolore plendis nia Majstro en antaŭaj okazoj. Pasio ne helpos solvi la problemeton pri landnomoj.*

*Por atingi kontentigan solvon, la kunsido de L. K.-anoj ĉe nia XIIa kongreso en Hago decidis peti la Akademion, ke ĝi submetu la tutan aferon al zorga studo kaj voĉdono de la L. K. senpartie prezentante al ĝi la diversajn kontraŭajn vidpunktojn. Tion la estraro ne faris kaj eĉ ne sciigis la Akademion, malgraŭ la regularo de L. K., kiu devigas voĉdonon pri ĉiu propono de almenaŭ kvin anoj. Jen grava kulpo severe juĝebla. Se la estraro postulas disciplinon, ĝi almenaŭ mem ĝin respektu.*

*Vane dufoje mi petis la Akademiestraron senpartie komuniki kontraŭan opinion al la ceteraj anoj por studo. Laste raporton pri la tuta afero mi sendis la 8 junio kaj presigas publike en tiu ĉi numero (p. 107). Tiu raporto estu dissendata lojale al ĉiuj L. K.-anoj kaj submetata al voĉdono. Ĝis tiam ni jam esprimis la opinion, ke polemikoj ĉesu. Kial oni daŭrigas ilin? Ni laboru, ne politiku.*

*Per oficiala raporto de Lingva Komitato, julio 1910 (kajero 15, p. 60) la prezidanto, S-ro Boirac, rekomendis al la Esperanta publiko „ekprovi tiujn novajn formojn, ilin eksperimenti kaj konstante uzi, se ĝi trovas ilin praktikaj" (kajero 15, antaŭparolo). Tion faris H. Hodler. La sufikson -aĉo ja uzis Prof. Cart eĉ en lernolibroj longe antaŭ ĝia oficialigo. En 1909 la Akademio prave rifuzis oficialigi -io, ĉar preskaŭ neniu uzis ĝin. En 1920 ĝi malkonsilis la uzon, tiam fariĝintan tre ĝenerala. Sed ĝis nun la demando ne estis resendata al L. K. Ĝis tio estos laŭregule farita, ni daŭre lasos liberecon al niaj kunlaborantoj uzi aŭ ne uzi tiun finiĝon en nia gazeto.*

*Tio estis la metodo de Zamenhof, Boirac kaj Hodler, kiuj konsideris nian lingvon kiel organo vivanta, ne kiel sistemo perforte regata de persona aŭtoritato. Kio fariĝis S-ro de Beaufront, kiu ĉiam akre atakis, malpermesis aŭ ekskomunikis pro ĉiu ajn novaĵo provita de aliaj? Li fine . . . fondis Idismon. Ni malfidas fanatikecon, ĉar ja tio detruas unuecon.* *Edm. P.*

PS. En la dokumentaro supre aludita troviĝas laŭdinda studo de S-ro Grosjean—Maupin por defendi akuzativon. Ĉu iu L. K.-ano proponis ĝin forigi? Ni esperas, ke ne. *(Red.)*

# GRAVAJ DOKUMENTOJ

## Ĉe la Franca Akademio de Sciencoj

**21 el 40 anoj de tiu mondfama sciencularo publikigis la jenan gravegan manifeston, kiun oni represigu en ĉiulandaj jurnaloj:**

„La subskribintoj, membroj de la Akademio de l' Sciencoj, konvinkitaj, ke la alpreno de la helplingvo Esperanto en la internaciaj rilatoj havus konsekvencojn de nemezurebla graveco vidpunkte al la progreso de l' sciencoj kaj de iliaj aplikoj; ke ĝi permesus etendi la elradiadon de la franca scienco eksteren, kaj, per tio la intelektan influon de nia lando,

esprimas la deziron:

1. ke la instruado de tiu ĉi lingvo, ĉefverko de logiko kaj simpleco, estu enkondukata, almenaŭ kiel nedeviga, en la oficialaj programoj de la sciencaj klasoj de ĉiuj instruejoj;

2. ke, en la internaciaj kongresoj, ĝi estu akceptata kiel oficiala lingvo, egalrajte al naciaj lingvoj, ĝis la momento, kiam la sperto pruvos, ke ĝi kapablas fariĝi ilia sola oficiala lingvo;

3. ke la atento de la direktoroj de sciencaj aŭ teknikaj eldonejoj estu altirata al la intereso, kiun prezentus al ili la uzado de tiu ĉi lingvo en iliaj publikaĵoj destinitaj por la eksterlando;

4. ke de nun la sciencistoj kaj teknikistoj pretiĝu por uzi ĝin en siaj rilatoj kun siaj eksterlandaj kolegoj kaj konigu poste al ili, ke ili estas pretaj uzi ĝin;

5. ke komisiono estu elektata por prepari kaj ellabori la vortarojn de la puraj sciencoj en Esperanto, kaj, ke la teknikaj societoj estu instigataj fari la samon pri sia specialeco."

*D'Arsonval,* Professeur de physiologie au Collège de France.
*Daniel Berthelot,* Président de la Ligue française de l'Enseignement et de la Société de Navigation aérienne
*Bigourdan,* Astronome à l'Observatoire de Paris, Président de la Commission internationale de l'Heure, membre du Bureau des Longitudes.
*Gaston Bonnier,* Professeur de botanique à la Sorbonne.
*Génér l Bourgeois,* Sénateur, ancien Directeur du Service Géographique de l'Armée, membre du Bureau des Longitudes.
*C. Breton,* Député, ancien Ministre.
*J. Carpentier,* Fabricant d'instruments de précision, membre du Bureau des Longitudes.
*Charpy,* Directeur général adjoint de la Société des Forges et Aciéries de la Marine à Homécourt.
*Costantin,* Professeur de botanique au Museum d'histoire naturelle.
*Deslandres,* Directeur de l'Observatoire d'Astronomie Physique de Meudon, membre du Bureau des Longitudes.
*Amiral Fournier,* Président de la Société d'Océanographie de France, membre du Bureau des Longitudes.
*P. Janet,* Directeur du Laboratoire Central d'Electricité, Président de la Société française de Physique.
*C. Lallemand,* Inspecteur général des Mines, Directeur du Service du Nivellement général de la France, membre du Bureau des Longitudes.
*Maurice Leblanc,* Président du Comité Electro-Technique international, ancien Président de la Société internationale des Electriciens.
*Lecornu,* Inspecteur général des Mines, Professeur à l'Ecole Polytechnique.
*Lindet,* Professeur à l'Institut Agronomique, ancien Président de la Société d'Encouragement à l'Industrie nationale.
*Lumière,* Administrateur de la Société des Etablissements Lumière, à Lyon.
*Prince de Monaco,* Président de la Section d'Océanographie de l'Union internationale de Géodésie et de Géophysique.
*Charles Richet,* Professeur à la Faculté de Médecine, membre de l'Académie de Médecine.
*Général Sebert,* Président du Conseil d'Administration des Forges et Chantiers de la Méditerrannée.
*Fernand Widal,* Professeur à la Faculté de Médecine, membre de l'Académie de Médecine.

## En ĉeĥoslovakaj lernejoj

La Bulteno de Ĉeĥoslovaka ministerio de lernejaro kaj de la nacia klerigo en Praha sciigas en la 9a numero la 1 majo 1921, paĝo 185, en la fako: Landa lerneja konsilantaro de Praha, N-ro 20.

*Enkonduko de Esperanto en lernejojn kiel lernobjekto laŭvola.*
*N-ro I. B 718–31.171 ai 1921 14. IV. 1921.*

La ministerio de la lernejaro kaj de la nacia klerigo sciigis nin per decido el la 27a marto 1920 n-ro 5.5.45—21, ke ĝi estas ema permesi la instruadon de Esperanto kiel lernobjekto nedeviga en la ŝtataj mezaj lernejoj tie, kie por tio estas favoraj kondiĉoj personaj kaj aferaj.

Oni ordonas al la direkcio, ke ĝi antaŭ la fino de la lerneja jaro 1920 21 en okazo, se aliĝos la necesa nombro de partoprenantoj por la estonta jaro, prezentu al la landa lerneja konsilantaro proponon pri la enkonduko de tiu ĉi lernobjekto kaj la instruan planon, kaj ke ĝi sciigu kiel la proponata instruisto akiris ateston de kapableco per tiu ĉi instruado.

Vicprezidanto de la landa lerneja Konsilantaro:
*Metelka* (m. p. propramane)

## Esperanto en Liverpoola taglernejo

Ĉe la komenco de 1920 la Eduka Komitato de Liverpool donis permeson al la estro de la popola lernejo „Granton Rd." enkonduki Esperanton en la tagordon kiel eksperimento. 40 knaboj inter la aĝo de 10—13 komencis la studon de la lingvo per du duon-horaj lecionoj ĉiusemajne. La eksperimento tiel kontentigis la komitaton, ke ĝi permesis ĝian daŭrigon.

Antaŭ kelkaj tagoj S-ro Applebaum, hon. sekr. de la propag. komitato de B. E. A. skribis al la estro S-ro J. R. Clough, ne-Esperantisto, petante lin doni tutan sian opinion pri la rezulto de la Esperanta studo kaj jen lia respondo:

„Rilate al la instruo de Esperanto en mia lernejo, ĝi jam valoras la penon, se ni nur konsideras la entuziasmon montritan de la tuta lernantaro.

Certe dum mia tuta sperto kiel lernejestro, kiu streĉiĝas super 40 jaroj, mi neniam vidis tian avidecon por scio, kiun montras la junaj aspirantoj por Esperanto. Jam la studo mem de la lingvo efikas, ke la profunda kompreno de la angla lingvo pliboniĝas, kaj kie oni kondukas alilandan korespondadon, kiel estas la kazo en nia lernejo, la scio de geografio estas tre multe akirita kaj en treege kontentiga maniero. Ho jes mi estas kontenta, ke la studo de Esperanto estas tre profitdona al la lernantoj."

La instruo estas farita de S-ro Ths. Rawlison, la Sekretario de la Liverpoola Esperanta Societo, kiu estas regula instruisto ĉe tiu sama lernejo.

*J. D. A.*

# REVUO DE REVUOJ

## „Traduttore, Traditore"

En la granda franca revuo „L'Illustration" (N-ro 4071) la semajna babilanto donas informojn pri la politika rolo de la tradukistoj, kiuj supozeble ankaŭ interesos la legantojn de „Esperanto".

„Fotografaĵo multe disvastigata en nia gazetaro montras la S-rojn X, Y kaj Z sidantaj en ĝardenaj brakseĝoj, familie babilantaj kun gaja viveco. Sed, strangaĵo, la interparolantoj ne rigardas unu la alian: iliaj okuloj estas fiksataj je la vizaĝo de kvara sinjoro, staranta antaŭ ili, atenteme, kaj kiu ŝajnas kunigi en siaj manoj ĉiujn fadenojn de tiu interparolo. Al li iras demandoj kaj respondoj, li estras la konversacion same kiel muzikestro gvidas la voĉojn de sia harmonia kolegaro, ilin apartigas unu post la alia, valorigante ĉiun tonon.

Tiu mistera persono estas S-ro N, la tradukisto. Imagu la gravecon de lia rolo. Fakte, de lia traduko, necese improvizita, de la elekto de liaj esprimoj, de la koloro de lia tono, de la kliniĝoj de lia voĉo, de la esprimo de lia vizaĝo kaj de lia rigardo, ja dependas, grandaparte, la koreco de unua inerkonatiĝo, la karaktero kaj fluemo de konversacio intima aŭ oficiala kaj la klarigo de la opinioj inter diplomatoj, kiuj ne parolas la saman lingvon. Kaj okaze la rapido de decido estas ŝuldata al la lerteco de tradukisto, kapabla redoni la plej delikatajn nuancojn de sento aŭ ideo.

Kapti la parolojn flugantajn, malhelpi ke ili aliformiĝu, perdu sian koloron aŭ varmecon, konservi al ili la forton konvinkigan, ilian tutan vivecon, evitigi ke malstreĉiĝu la risorto de dialogo aŭ estu interrompata la fluglinio de ataka respondo, ne forrabi el parolado ĝian fluecon kaj ardon, kia tasko timiga, kaj kia arto! Se oni akceptus la proverbon: *Traduttore, Traditore* (tradukisto, perfidulo), kion oni dirus pri traduko parola, improvizita sub tiaj cirkonstancoj? Kia premega respondeco por la homo devigata certigi la interŝanĝon de ideoj inter du reprezentantoj, kiuj estas ŝarĝataj decidi pri la sorto de pluraj popoloj.

Malatento pri detaleto, ne ekkomprenita intenco, flanke lasita aludo, eĉ nur dum interparolo ne oficiala — jen la pordo malfermata al ebla ofendiĝo, al vundo de memamo, al malkontento, kiu povas sekvigi malagrablan spiriton dum estontaj traktadoj kaj konduki al malinterkonsentoj. Por plenumi tiajn artefikojn oni bezonas artistojn.

La moderna diplomatio konsistas el nuancoj, el detaloj, el psikologiaj esploroj. Interparoloj provizoraj, eĉ nur privataj — sur la teraso de ĝardeno, la cigaron en la buŝo — povas esti treege gravaj inter ambasadoroj, kiuj nur disponas pri malmultaj horoj por interkonatiĝi. En la moderna tekniko de internaciaj kontraktoj la, siatempe ne atentata, kunlaboro de la tradukisto havas influon decidan. La antaŭa statisto de la diplomata teatro fariĝis ludanto kun granda rolo. Se lia nomo ne ankoraŭ staras grandlitere sur la afiŝoj, tio estas nur pro simpla forgeso, kiun la publiko komencas propramove ripari."

Kiaj atakoj pro trograndigo, se Esperantisto estus skribinta tiujn liniojn! Sed la sorto volis, ke ili estis sugestataj pro kunveno de ministroj kaj generalo el du najbaraj ŝtatoj, kaj al aŭtoro el lando, kies oficiala reprezentanto ĉe la Ligo de la Nacioj pretendis, ke sia lingvo estas konata en la tuta mondo. Konata, en la esperanta senco de la vorto, jes; sciata — vidu la ekzemplon. Eĉ se oni debitigas parton de la diritaĵo al la belfrazemeco de la verkinto, eĉ se oni esperas kaj klopodas, ke en estonta diplomatio la sorto de landoj neplu dependu de lingvaj nuancoj aŭ de la bona digesto de kelkaj ministroj, eĉ tiam restas la terura fakto, ke dum plej gravaj kunvenoj internaciaj ludas la ĉefan rolon: la tradukisto. Atentu, ne la konsuloj — ili ja estus devintaj atenti de longe — atentu la popoloj, ke iliaj interesoj estu traktataj en lingvo de ĉiu facile sciata, de ĉiu kontrolebla.

*Ed. St.*

## Filozofio pri pladlavado

En „Atlantic Monthly" talenta nordamerika verkisto James Spottiswoode Taylor publikigas spritan studon pri siaj spertoj je pladlavado por helpi sian edzinon. Jen kelkaj citaĵoj:

Kompreneble la plej longa vivo kaj la plej plena rezigno ne povas ŝatigi al ni lavadon de pladoj; sed eĉ ribelado enhavas periodon de reago... La dua semestro estas karakterizata per malsanecaj provoj mezuri la profundecon de nia malnobliĝo. Kun salajro, kiu ŝajnas sufiĉega al tiuj el miaj amikoj kaj konatoj, kies rento estas pli malgranda ol la mia je nur unu dolaro, mi ne povas pagi kuiristinon. Miaj edzino kaj infanoj sekrete min malrespektas. Kiel konsumanta ulcero kreskas en mi la konvinko, ke la parencoj de mia edzino malkaŝe min malestimas. Mi mem min malestimas. Mi pripensas, kion aliaj homoj, veraj homoj, je la aĝo de kvindek jaroj — la fruktodona aĝo — plenumas per siaj brakoj aŭ siaj cerboj, ne nur por liberigi siajn virinojn de la pli krudaj laboroj, sed ankaŭ por havigi al ili tiujn tributojn, per kiuj la Amerikanoj honoras la inon de la speco.

La mallumo de tiu ĉi valo de malnobligo estas pliigata per la sennombraj vundoj al nia memestimo, kiu rezultas el la provo, helpi virinon en afero, kiun ŝi konsideras sia speciala fako, kia ajn forta estas ŝia ĵusa inklino ĝin mem rezigni.

Nia kuirejo fariĝis la sceno de ofta disputado. Ĝi parte estis kaŭzata de mia deziro, enkonduki kelkajn ŝanĝojn bazitajn sur mia ekkono de la fizikaj propraĵoj de materio. Min ĉagrenis la *ex cathedra* pronunciamento: „Estas ja aferoj, kiujn vi ne komprenas."

Mia nescio estis precipe pri la neatencebleco de la kuireja rutino. Tiu ĉi nescio ne estas plu. Mi nun komprenas, ke ĉiu detalo de kuireja administrado en praaĝoj formuliĝis, kaj tradicie estis transdonita al ni kiel kodo observita je fideleco, kompare kun kiu la observo de pastraj ritoj, apostola sinsekvado kaj Salika Leĝo, ŝajnas kvintesenco de ŝanceliĝa malfirmeco. Mi lernis, ke unue glasoj, poste arĝentaj kaj ordinaraj pladoj, sekvataj post konvena interspaco per potoj kaj tervazoj, subakviĝas en la sapa akvo laŭ pli neŝanĝebla ordo de antaŭeco, ol tiu de la hispanaj granduloj aŭ de la aŭstriaj dukinoj paradantaj antaŭ la trono. Kristalaĵoj kaj delikata porcelana teleraro ĉiam ĝuas la favoron de speciala aŭdienco. Ĉio ĉi necesigas la formalaĵon de atendejoj, antaŭĉambroj kaj kortegaj oficistoj. Tasoj grupiĝas laŭ klaso, subtasoj apartiĝas kiel aĵoj esencaj sed malsuperaj; pladoj estas ordigataj laŭ grandeco, glasoj laŭ formo, aŭ laŭ la longeco de la trunketo, el kiu ili kvazaŭ elkreskas. La spaco por tiuj ĉi aranĝoj estas antaŭprovizata kun la zorgega precizeco, kiu distingas la lokadon de kanonaro aŭ la evolucio jn de kavalerio.

Mi lernis, ke la malŝatindaj restaĵoj de la pastra kaj patriarka funkcioj, kiuj postvivis en tiu ĉi vanta, degenerita aĝo, defalas de la dommastro, tuj kiam vera altruismo lin instigas, enpenetri en la mallumaĵojn de la kuirejo, kaj konatiĝi kun ĝiaj malbongustaj misteroj. Modifi nememoreblajn kutimojn por ilin forigi nur malatente per simple natura faro, ne havas alian rezulton ol akrajn riproĉojn en speco de sankta ligo, kontraŭ la nescianta viro.

Nur kiam mi komencis, min iomete senti posedanto de la domo, mi ankaŭ malkovris kelkajn bonajn ecojn en mia nova profesio. Kun reĝecaj rezervoj, mi povas esti preskaŭ kontenta. Se mia edzino eliris por malgrava komisio, mi laboras febre, por ke ŝi ne revenu antaŭ ol mi ĉion forigis; se ŝia foresto estas longigita, mi povas apliki miajn proprajn metodojn. Ke tiuj ĉi metodoj estas iom ŝanĝitaj per tiuj de la hierarĥio, mi volonte konfesas, sed malgraŭ tio, ili estas miaj. Mi cedas al la kaprico de l' momento, kaj mem kondutas sen konformiĝo al la virinaj reguloj. Dum la longa, longa pasinto, tiuj, kiuj lavadis pladojn, estis ĝenerale malkleraj virinoj enprofundigitaj en la sulkoj de l' kutimo. Mi uzas etajn sciencajn artifikojn, kiuj malfruas la aferojn — jes, ili tion faras — sed ilin kontentigas. Mia laboro estas bonega. La pladoj, kiujn mi metas en la ŝrankon, estas puraj. Kiam mi tenis ĉiun teleron ortangule sub la fluo de preskaŭ bolanta akvo, ĝis kiam ĉiu pecereto da graso fluidiĝis kaj forfluis (ĵurnalo sub mia antaŭtuko min ŝirmas kontraŭ ŝprucaĵo), la fina enakvigo en la komuna bano fariĝas por ĝin briligi per la „imprimatur“ de pureco, pro prefero ol pro neceso. La aĵoj estas sekigataj laŭ natura ordo, ne inverse: la unue lavita iĝas per longa elmeto la plej seka. La fakto, ke ne estas necese froti kaj froti, estas kompenso por la longeco de la komenca apliko. La tuta procedado malhavas tiun febran rapidecon, tiun kokinan kuradon tien kaj reen, kiuj estigas la nervan konsumitecon kaj riproĉemon, kiuj karakterizas la trolacigitan virinon.

Post kiam mi la tutan tagon tralegis presprovaĵojn kaj — laboro eĉ pli malkontentiga — preparis manuskripton, mi trovas mian trankvilan vesperhoron preskaŭ mallaciga pro la ŝanĝo. Mia nuna pladlavado estas tiel pure maŝina, aŭtomata, ke mi povas samtempe pripensi eldonaĵojn, memorigi al mi la legaĵojn de la tago, aŭ projekti la morgaŭan laboron.

Trad. el angla lingvo: *A. Caumont.*

---

# Socia Vivo

## Pri la Internacia Universitato

La 5 februaro 1919 la Unuiĝo de la Internaciaj Asocioj, kiu sidas en Bruxelles, prezentis al la Packonferenco peton, ke la konstitucio dè la Ligo de l' Nacioj enhavu fundamentan statuton de la intelektaj kaj spiritaj deziroj, same kiel estas efektivigita por la deziroj de laboristaro.

Oni volis krei intelektan centron por utili al la Ligo de l' Nacioj. La ĉefa organizaĵo celita estas Internacia Universitato. S-roj Paul Otlet kaj Henri Lafontaine ĝin iniciatis kaj tiel difinis ĝiajn celon kaj agadon:

„La Internacia Universitato celas kunigi por supera instruado kaj por universala supera kulturo la Universitatojn kaj la Internaciajn Asociojn. Ĝi volas ebligi, ke studentoj tutkompletigu sian instruiĝon per studado de la internacie komparitaj vidpunktoj de ĉiuj gravaj temoj. Por tio, ĝi ĉiujare organizas, se eble en sia sidejo, aŭ en alia loko interkonsente elektita, aron da kursoj kaj paroladoj. Al tiuj kunsidaj periodoj oni aldonos universitatan rondvojaĝon laŭplane organizitan de la diversaj Universitatoj.

La Universitatoj estos petataj sendi siajn profesorojn al tiuj kunsidoj por prezenti en kursaro la ĝeneralajn rezultatojn de siaj esploroj. La Internaciaj Asocioj estos petataj prezentigi per rajtigitaj riprezentantoj la nunan staton de l' plej gravaj demandoj, pri kiuj ili laboras. La Ŝtatoj bonvolos organizi katedrojn por konigi sian landon, siajn instituciojn kaj sian civilizon.

La I. U. utilos ankaŭ kiel centrejo de superaj pedagogiaj studadoj kaj de sciencaj, teknikaj kaj sociaj esploro; laboratorioj kaj institutoj povos esti kreataj Ĝi speciale kunhelpos por interkonformigi la principojn, kiuj regas la evoluon de l' civilizo, kaj la kreskon de la Ligon de l' Nacioj.“

La Konsilantaro de la Ligo de l' Nacioj, en sia 8a kunsido (31 julio 1920), certigis la iniciatintojn pri sia varma simpatio kaj petis sian estraron, ke ĝi „kiel eble plej faciligu la efektivigon de tiu internacie interesa entrepreno“.

La 1a kunsido de la I. U. okazis en Bruxelles ĉe la Mondpalaco de la 1—15 septembro 1920. Ĝin inaŭguraciis S-ro Destrée, belga ministro de l' sciencoj kaj artoj. Estis riprezentataj, inter aliaj nacioj: Ĉeĥoslovakio, Polio, Jugoslavio Rumanio, Luksemburgio, Belgio, Britio, Japanio, Svisio, Portugalio, Francio.

La 9 septembro la Statuto de la I. U. estis alprenata. Povas esti membroj: 1e Korporacioj: universitatoj, institutoj de supera instruado, internaciaj asocioj; 2e Individuoj: profesoroj kaj studentoj. Ĝin administras Komitato: 21 anoj elektitaj de l' korporacioj, plus 2 anoj elektitaj de l' profesoroj, plus 2 anoj elektitaj de l' studentoj.

La Unuiĝo de la Internaciaj Asocioj funkciigos la centrajn organojn de tiu nova entrepreno per sia propra Komitato helpata de provizora Komisiono de la I. U: S-roj Altamira (Madrid), Appleton (Bristol), Boillot (Lyon), Ferdo (Zagreb), Fueter (Zürich), Halecki (Warszawa), Jonesco (Bukureŝti), Lafontaine kaj Otlet (Unuiĝo de la Internaciaj Asocioj), Smets (Bruxelles), Tille (Praha) kaj Volterra (Roma).

Franca kaj angla estas la oficialaj lingvoj de la I. U., sed ĉiu profesoro povas instrui en de li elektata lingvo, kondiĉe, ke ĝi estu sufiĉe internacie uzata. Tiel kursoj en Esperanto de S-roj D-ro Corret kaj Prof. Vanverts povis okazi.

La 18 decembro 1920, laŭ peto de la I. U., la Kunsido de la Ligo de l' Nacioj voĉdonis la deziresprimon, ke „ĝia Konsilantaro daŭrigu sian helpon kaj kiel eble plej multe partoprenu en la klopodoj celantaj realigi la internacian organizadon de la intelekta laboro; atente kaj favore konsideru la nunajn tiucelajn laborojn, kaj eventuale konsentu al ili sian altan patronadon...“

Fine la Konsilantaro de la I. U. kunvenis en Bruxelles la 24 kaj 25 marto. Ĝi oficiale notis komunikaĵojn el la Universitatoj de Zürich, Lisboa, Praha, Bristol, København, Leiden, Liverpool, Tokio, Warszawa, Cambridge, k. a. Ĝi decidis, ke la dua kunsido de la I. U. okazos de la 20 aŭgusto ĝis la 15 septembro 1921 en Bruxelles. La programo mencias 80 profesorojn el diversaj nacioj, kiuj faros proksimume 300 kursojn. Ni esperas, ke Esperanto estos riprezentata.

*L. P.* (L.)

**Kongreso por la organizo de la intelekta laboro.** — Laŭ iniciato de la Unuiĝo de l' internaciaj asocioj okazos nunjare „Tutmonda Kongreso por la organizo de la intelekta laboro“. Ĝi okazos la 20, 21 kaj 22 aŭgusto proksima kaj ĝin ĉefe okupos la studo pri la nunaj vivkondiĉoj de la intelekteco kaj de la intelektuloj. Samtempe komenciĝos la dua kunsidaro de la Internacia Universitato, kiu daŭros ĝis la 15 septembro. Aliaj kongresoj estos organizataj dum tiu sama periodo.

Ĉiuj tiuj kunvenoj kaj kongresoj trovos lokon en Bruselo, en la „Monda Palaco“, kiun la belga registaro afable metas je la dispono de la Unuiĝo de l' internaciaj asocioj.

**Peto al la Esperantaj Gazetoj kaj Eldonistoj.** — S-ro Senatano Lafontaine kaj S-ro Paul Otlet, sekretarioj de la Monda Unuiĝo de l' internaciaj asocioj, tre multe interesas sin pri Esperanto.

Ili organizis en Bruselo gravan konstantan Ekspozicion pri ĉiuj internaciaj movadoj (Esperanto havas belan kaj bone prizorgatan fakon en ĝi) kaj ankaŭ la faman kartotekon de la Internacia Instituto de Bibliografio.

Ili konfesis, ke ili preskaŭ neniam aŭdos ion pri la eksterlanda Esperanta movado. — Estus konsilinde, ke por la dokumentaro, kiel ankaŭ por la biblioteko kaj por la muzeo la nomitaj sinjoroj ricevu ĉion, kio aperas en aŭ pri Esperanto. — La adreso estas: S-roj *Lafontaine & Otlet,* Tutmonda Unuiĝo de l' Internaciaj Asocioj, Monda Palaco (Palais Mondial), Cinquantenaire, Bruselo (Belgio).

Mi ne dubas, ke ĉiuj redakcioj kaj eldonistoj komprenos la grandegan utilon por nia movado tutmonda, de la helpo, kiun ili donos al tiuj du eminentaj amikoj de Esperanto. — *Belga Ligo Esperantista,* por la Gazetara Servo: *Frans Schoofs.*

---

## Al niaj kunlaborantoj!

**Oni sendu la manuskriptojn, kronikaĵojn, anoncojn ĝis la 15 de ĉiu monato por apero en la sekvanta monato.**

 LITERATURO 

# Porti la kandelon

Rakonto de **Hélène Giroud**

Tiu ĉi rakonto estis originale verkita de blinda samideanino por la unua literatura konkurso de „Esperanta Ligilo“ 1920 kaj sendita al ni de nia franca samideano Prof. Cart por enpreso.

Multaj personoj imagas, ke niaj prapatroj, fieraj kaj batalemaj montanoj, estis krueluloj, kiuj, punante gravajn kulpojn, ĉiam uzis korpajn turmentojn. Tia opinio estas erara. Iu el la punrimedoj uzitaj en nia alpa valo ĝis la komenco de l' pasinta centjaro, trafis nur mense la kulpulojn kaj tamen pli teruriĝis por ili ol brutala batado. La jena rakonto pruvos la veron de mia diro,

Antaŭ pli ol cent jaroj, vivis en nia vala vilaĝo fortika, fierega junulo, kies nomo estis Joaĥimo. Li estis ĝenerale pli timata ol amata de siaj kunuloj, ĉar li havis malmolan koron, sed ĉiu admiris lian lertecon kaj lian maltimon en la ekzercoj pri muskola forto. Ian aŭtunan vesperon, en amuza gepaŝtista kunveno, kiun li ĉeestis, troviĝis okaze alivilaĝa junulo, kiu, pro sia bonhumoro kaj siaj ĝentilaj manieroj, multe plaĉis al la paŝtistinoj kaj kiu plie, kunludante tiaman montanan gestludon, pli gracie ĝin sukcesis ol Joaĥimo. La juna dometmastrino, la ĉarma Rozalio, sincere aplaŭdis lin kaj elmontris al li afablan bonvolon. Joaĥimo tuj fariĝis enviema, sed zorge kaŝis sian senton. Estis dum la lastaj semajnoj de l' surmonta loĝado de la bovinaroj; ĉiuvespere okazis en alpaj dometoj gajaj kunvenoj, kiujn vizitis, post sia taglaboro, tiu aŭ alia valano. Tiel, la aminda alivilaĝano vizitis, duan fojon, la saman kunvenejon, ĉar li ne estis forgesinta la aplaŭdojn de Rozalio. Denove li sin trovis tie kune kun Joaĥimo, ree li kunludis la ŝatatan gestludon kaj ĉiam mirinde ĝin sukcesis; li pasigis ridoplenajn horojn kaj je noktomezo, antaŭ ol deiri, li diris al Rozalio:

„Ĉu vi permesas, ke mi revenu morgaŭ vespere?“ — „Kial ne?“ respondis la junulino kun rideto kuraĝiga; „bonhumora kaj honesta kunludanto estas ĉiam dezirinda.“ „Morgaŭ vespere,“ diris al si mem Joaĥimo, „mi lernigos novan ludon al la trudemulo. La sekvantan vesperon, li supreniris monten pli malfrue ol kutime kaj anstataŭ partopreni la amuzaĵojn ĉe Rozalio, li iris aliflanken kaj lokis sin en arbetaĵaron apud la vojeto alkondukanta al la vilaĝo de sia sukceshava konkuranto. De tempo al tempo, ĝojokrioj trafis liajn orelojn; li interne koleris kaj malpacience atendadis. Fine li aŭdis paŝojn sur la vojeto . . . La nokto estis senluna, sed la envio ne bezonas lumon por ekkoni sian objekton. Kiam la paca vojiranto atingis la embuskejon, raŭka kaj sovaĝa voko salutis lin, kaj samtempe minacanta homa figuro baris lian vojon. La pacemulo tuj forkuris.

Kontentega pro la igita timo, Joaĥimo persekutis tra la malebenaj herbejoj, kun malica plezuro, la rapidan forkuranton. Tiu ĉi, pli kaj pli timigita, ĉiam akcelis sian kuradon, sed bedaŭrinde ne konatiĝinta kun la tieaj trairejoj, post kelkaj momentoj, li kuris laŭ danĝera direkto, renkontis arbaran deklivon kaj, sendube kun la espero pli facile tien vanigi la persekuton, li ĵetis sin tra la arbojn. Joaĥimo haltis; li tre bone konis la danĝeron ekzistantan sur tiu deklivo. „Ĉu mi avertas lin? ĉu mi devas? . . . Bah! Estas tie sufiĉe da kreskaĵoj por ke li sin alkroĉu, kaj morgaŭ matene li pli prave elektos sian vojon.“ Apenaŭ finiĝis tiu rezonado, kiam terura krio eksaltigis la persekutinton: ŝtonoj derulis, branĉoj krakis, kaj la malakra bruo de korpo falanta en profundaĵon anoncis al li la rezulton de lia ago. Li aŭskultis ankoraŭ . . . La profundaĵo estis muta, kaj la tuta monto silentis en la senluna nokto.

Post kelkaj tagoj de serĉado pri la malaperinta junulo, oni retrovis lian kadavron. Unuvoĉa estis la klarigo pri la malĝojega okazintaĵo: la kompatindulo estis erarinta en la mallumo kaj trapaŝinta malĝuste la danĝeran krutaĵon . . . Kiu divenas la lokon, kie lin atendas lia fatala horo?

Joaĥimo spiris libere: „Neniu estas vidinta, neniu estas aŭdinta . . . La mortinto estas enterigita . . . Baldaŭ oni ne plu parolos pri li . . . Mi povas vivadi kviete: mia sekreto apartenas al mi sola.“

Du tagojn post la enterigo, li trairis, fajfante, straton de sia vilaĝo, kiam subite li sentis la pezon de mano sur sia ŝultro; li turniĝis kaj vidis antaŭ si la maljunan paroĥestron. Tiu pastro, alnomita — kial, mi ne scias — la Supergardisto, estis treege respektata en la tuta valo; liaj paroĥanoj aljuĝis al li scipovon eksterordinaran kaj ĉiujn sanktulajn virtojn; li havis noblajn trajtojn kaj okulojn, kiuj ŝajnis legi en la profundon de l' animoj. Li rigardis fikse la senmove starantan junulon kaj poste, per solene trankvila voĉo, li diris: „Joaĥimo, ni igos vin porti la kandelon.“ Tion dirinte, li foriĝis. Joaĥimo ektremis de l' plando ĝis la verto kaj restis momente najlita al la tero. Tiel do la supergardisto sciiĝis tion, kion neniu estis vidinta nek aŭdinta! . . . Porti la kandelon! . . . La malhumilulo tuj image vidis sin, dum la mateno de l' proksima dimanĉo, starantan inter du silentaj gardantoj apud la preĝeja pordo, tenantan en mano flamantan kandelon, fikse kaj silente rigardatan de ĉiu enironto kaj same de ĉiu elironto . . . Ne! Preferinde ekzili sin ĉe la alian flankon de l' mondo.

Joaĥimo posedis unu solan, sed varman amikon: estis la bela kaj gaja Karlo Raffort, kiu revis kaj sonĝis pri militaj aventuroj kaj ŝatis super ĉio la viran kuraĝon. En tiu momento, li troviĝis sur gepatra kampo, batfaliganta juglandojn per longa stango. Ekvidante Joaĥimon rapidpaŝe venantan, li kriis al li: „Bone, bone! Anĝelo kompleza sendas cin: mi tre bezonas helpanton.“ Kaj li montris ĉirkaŭen la terkovrantajn juglandojn. Sed la alproksimiĝanto metis fingron sur siajn lipojn, kaj kiam li estis preskaŭ tuŝanta sian amikon, li diris mallaŭte, sed kun decideco: „Karlo, morgaŭ mi forlasos la hejmon . . . Mi iras Hispanujon. — „Morgaŭ! . . . Hispanujon! . . . Kion tio signifas?“ — „Morgaŭ matene ja, sen plua prokrasto. La Supergardisto, kiun mi ĵus renkontis, intencas devigi min porti la kandelon.“ Karlo paliĝis: „Porti la kandelon! . . .“ Li neniel demandis pri la kaŭzo de tia minaco, sed, forĵetante sian stangon, li ekkriis: „Nu, mi deiras kun ci. La juglandojn kolektu, kiu volos. Ni iru Hispanujon, batali kontraŭ Napoleono!“ La dubeluma morgaŭa taglevîĝo vidis ambaŭ amikojn eliri sekrete el la hejma vilaĝo.

La junaj aventuristoj piediris Hispanujon, venkante elturniĝeme ĉiujn vojaĝajn malfacilaĵojn. Atinginte la celitan landon kaj enirinte en izole kuŝantan vilaĝon, ili alparolis, pro bezonaj sciigoj, grupon da viroj starantan sur la publika placo. La Hispanoj, senresponde, rigardis ilin dumminute, kaj poste unu el ili malame ekkriis: „Francoj!“ — „Francoj, Francoj!“ Ripetis la aliaj. Je tiu vorto, kvazaŭ per magio, la placo kovriĝis per bruantaj loĝantoj. Geviroj, infanoj, ĉiuj kun la sama malamo rediris la saman vorton, ĉirkaŭante kun furiozaj gestoj la miregigitajn por Hispanujo batalontojn. Ĉi-tiuj protestis kiel eble plej bone kaj energie: „Ne Francoj . . . Svisoj ni estas . . . Svisoj, kaj venas tien ĉi por militi kune kun vi kontraŭ Napoleono.“ Sed oni ne komprenis ilin aŭ ne volis ilin kompreni. Perforte oni ekkaptis ilin, ligis iliajn manojn kaj post nelonga konsiliĝo de la ĉefa grupo, iu fortikulo alportis en la mezon de l' placo egan lignan ŝtipon; virino kun sorĉistina mieno prezentis al li hakilon, kiun li akrigis, dum la amaso iom post iom silentiĝis. „Infera lando!“ Murmuris Karlo; „Veni de tiel malproksime por ĝia liberigo, kaj tuj esti mortigotaj kiel buĉaj bestoj de ĝiaj nekomprenemaj popolanoj!“ — „Ja vere, hunda tero! Tamen, Karlo, io konsolas min: almenaŭ mi ne estos portinta la kandelon.“

La hakilo estis akrigita. Maldelikataj manoj puŝis antaŭen la kaptitojn. Kontraŭbatali estis senutile. „Kuraĝe! mia Karlo!“ — „Vidu.“ Kaj, genufleksante, Raffort metis sian belan kapon, kiel por ripozo, sur la ŝtipon. Morta silento sekvis . . . La ekzekutanto levis sian ilon . . .

„Malinduloj! Kion vi faras sen mia permeso?“ Tondris potenca voĉo. La hakilfrapo ne falis, la dika rondo de la ĉeestantoj tuj obe-

eme malfermiĝis por fari trairejon al la alvenanto, la vilaĝestro. La altkreska, majesta viro kun ordonemaj okuloj alpaŝis al la mortiga aparato: „Kial tio ĉi?“ Li demandis, rigardante severe la ekzekutanton; „Francoj“, respondis tiu ĉi, ĵetante al la malliberuloj kruelegan rigardon. „Francoj“, eĥis la ĉirkaŭantaro.

La vilaĝestro atente observis ambaŭ fremdulojn, kies koro forte batis, kaj li demandis franclingve: „Kiuj vi estas?“ Ili tre simple klarigis sian aferon, sian celon kaj kontentigis ĉiujn demandojn de l' vilaĝa nobelo, kiu tiam, sin turnante al siaj regatoj, rediris kolere: „Malinduloj! Vi agis abomene. Tiuj alilandanoj, kiujn vi sovaĝe malliberigis, ne estas Francoj, sed Svisoj, amikoj de Hispanujo; sian propran patrujon ili forlasis por helpi nin en nia justa, sankta milito; kaj vi volas ilin mortigi! Pentu vi, kaj elmontru vian penton.“

— „Vivu la Svisoj!, Vivu la Svisoj!“ kriegis la ĉeestantaro. La katenoj malligiĝis; la hakilo, la ŝtipo malaperis, kaj triumfe oni portis al la vilaĝestra domo la miregantajn liberigitojn. Ilia savinto ĝentile kaj malavare gastigis ilin kaj prenis sur sin ĉiujn klopodojn por ilia antaŭeniro kaj ilia enregimentigo.

Brave militis niaj memvoluloj kaj suferis fortanime la Zaragozan sieĝon, kie falis, trafita de kuglego, Karlo Raffort, la bela kaj gaja soldato. „Ripozu pace en Hispana tero, fidela amiko, mia ĝoja milita kunulo! Cian morton mi venĝos.“ Kaj la malmildaj okuloj de Joaĥimo verŝis varmegajn larmojn. Li travivis multajn danĝerojn, plenumis heroaĵojn kaj diris adiaŭ al Hispanujo nur post la foriro de l' franca militistaro. Kiam li revenis al sia lando, la Supergardisto estis mortinta.

Joaĥimo reeniris la hejman vilaĝon perdinte sian kredon je l' eklezio; malmulte pensanta pri Dio kaj mokanta la diablon, li malaŭdis malice la pastraron en ĉiu ebla okazo; sed kiam li aŭdis nomi la Supergardiston, lia vizaĝo tuj fariĝis serioza kaj respektoplena; eĉ iafoje, je tiu nomo, li forprenis sian ĉapelon kaj diris kun akcento konvinka: „Ha! Tiu pastro! . . . Li sciis multe pli ol panon manĝi.“

Maljuniĝinte, lia preferita ĝuo estis memorigi siajn militajn aventurojn; ilin rakontante, li forgesis la horloĝiradon kaj ĉiun alian aferon, kaj kiam la aŭskultantoj ŝajne intencis deiri, allogante li diris al ili: „Atendu! Ni volas trinki glason, bonan glason je l' honoro de Hispanujo.“ Kompreneble, dum la trinkado li daŭrigis sian rakonton. Samvilaĝaj soifemuloj, kiuj, la dimanĉon, deziris trinki senpage bonegan vinon, volonte vizitis la maljunan militiston kaj metis lin sur Napoleonan ĉapitron; senmanke Napoleono alkondukis al Hispanujo kaj ankaŭ senmanke la aŭskultado pliagrabliĝis per bongusta vino. Iom trinkinte, kelkafoje la rakontanto aldonis al siaj militistaj travivaĵoj la fakte unuan kaŭzon de sia multjara forestado, la malfeliĉan okazintaĵon sur la monto, kaj tiam li diris konfidencie: „Neniu estis vidinta, neniu estis aŭdinta, sed la Supergardisto, kiu legis la animojn kiel oni legas paĝojn de libro, sciiĝis la veron: hodiaŭ ankoraŭ ŝajnas al mi, ke mi vidas kaj aŭdas lin diri al mi: „Joaĥimo, ni igos vin porti la kandelon.“ Unu fojon, aŭskultanto kontraŭparolis: „Al mi ŝajnas, ke la fama Supergardisto estis iom simplanima: li volis, ke vi portu la kandelon kaj, sen antaŭzorgo, li avertas vin pri sia intenco.“ Kun malestima ridaĉo, la maljunulo rigardis la interrompanton kaj respondis malrapide: „Simplanima estas tiu, kiu nur supraĵe konsideras la aferojn. La Supergardisto sincere kompatis la Hispanojn kaj deziris al ili sindonemajn kaj kuraĝajn kunbatalantojn, kaj ankaŭ li klare komprenis, ke junulo, kies vejnoj enhavas vivan sangon, preferas riski sian haŭton sub la malamikajn kuglojn ol humile porti la kandelon. Estas ja kiel mi ĉiam diras: tiu pastro sciis multe pli ol panon manĝi.“ Kaj malkovrante sian blankan hararon kaj levante sian glason, li diris respekteme, kun malsekiĝaj okuloj: Ni trinku je lia sankta memoro!“

***Nia konkurso.* Ni proponas senpagan jarabonon al „Esperanto“ kaj enpreson de ilia verkajo al la dek plej talentaj verkontoj de unupaĝa originala rakonto sendota al ni antaŭ la 10 aŭgusto. Ni rekomendas eviti de nun primilitaĵojn.**

# La Soleca Kampeto

De **Timofij Borduljak** [1]

Tiam, kiam mi unuafoje veturis preter la soleca kampeto, estis bela frumateno . . . Hela, freŝa, kvazaŭ banita suno, eliris el malantaŭ la kverkarbaro, kiu vidiĝis en malproksimo meze la ebenaĵo, kaj ĉiam pli alte leviĝis . . . Regis profunda silento, promesanta en horo de la sunleviĝo bonan, belan tagon. La venteto dormis ankoraŭ ie en profunda valeto, senmove staris en ĉielo rozkoloraj nubetoj. Greno apenaŭ komencinta spikiĝi, ankaŭ ne moviĝis, kvazaŭ en revoj . . . Ne moviĝis la tritikkampo, kiu kuŝis kvazaŭ luksa malhelverda tapiŝo . . . Ankaŭ la alaŭdeto eksilentis por momento. Per helaj koloroj rebrilis la roso sur spikoj, sur herboj ĉe la vojo . . . simila al multekostaj ŝtonetoj . . . Kvazaŭ la fumo el incensujoj blanka nebuleto etendiĝis, ŝajnis, ke el tiu ĉi incensujo alflugas ĝis ni aromoj, bonodoroj de printempa aero . . . Profunda, senbrua silento . . . Kvazaŭ tuta naturo en la konsterniĝo admiris la majestecon de bonfaranta suno, salutas ĝisteren la Ĉiopovan Kreinton.

Sed ne longe daŭris tiu ĉi momento . . . Unua alaŭdeto ekflugis alten kaj ĝoje ekkantis, ĝin sekvis miloj da kamaradoj, ekflugante en aeron kvazaŭ amasetoj de tero disĵetitaj per nevideblaj manoj en kampo . . . kaj tuj ekludis en alto laŭta muziko . . . Ekblovis freŝa venteto, balanciĝis kampo, blankiĝis la rozkoloraj nuboj, ĉiam pli alten supreniris la suno. Laŭmezure, ke liaj radioj varmigis la aeron, la teron, neelkalkuleblaj diversaj insektetaroj ekaŭdiĝis en la kampo, petolante sub la oraj sunradioj.

Tiu ĉi diverstona zumeto de insektetoj, la kantado de alaŭdetoj, la murmureto de spikaro, balancita de la venteto, — ĉio kuniĝis en harmonio, en gaja muziko . . . Videble, ĉia kreitaĵo estis feliĉa pro la suna lumo, hela tago, pro la vivo mem, — kaj tiu komuna ĝojo, kvazaŭ ia fortika arda aspiro, kuntiris ankaŭ min — ankaŭ mi eksentis agrablon, facilon, dolĉecon en mia animo . . . Per mia tuta brusto mi enspiris puran, sandonan aeron, aŭdinte la gajan kantistojn, mi mem ekkantis ian melodieton . . .“

Ankaŭ kontentaj estis miaj ĉevaloj, ŝajne, ĉar ili saltis kaj rapide kuris antaŭen, kaj mia veturigisto, Karp, serioza, silentema, de tempo al tempo komencis sin turni al mi, rigardante min el-sub sia larĝa pajla ĉapelo, ŝajne, li volis ion diri, komuniki al mi ian gajan novaĵon . . .

— Ĉu ni ne havas hodiaŭ belan tagon, Karp? — elparolis mi. —

Vere, belan, — respondis Karp — Jen, la pano kreskas — aldonis li per plilaŭta voĉo . . ., montrante la spikojn per la vipo . . .

„La pano kreskas . . .“ jen kion li volis eldiri, mia silentema Karp . . . Li komunikis al mi la ĝojaĵon, kiu estis por li tiel grandega, ke ĝi ne havis plu lokon en lia brusto . . . Nun li sidas ree ĝibiĝante sur la antaŭseĝejo de la veturilo, tenante bridojn en la manoj. Li ne returnas plu al mi, ĉar li jam elparolis, kion li volis komuniki. „La pano kreskas . . .“ al mi plaĉis la vortoj de Karp, kaj ofte mi ilin ripetadis, kiam ame miaj okuloj renkontis la kampojn, kovritajn per densa tapiŝo de tritiko, kiu, ŝajne, ĉiam plialtiĝas sub la homaj rigardoj . . .

Nun ni veturis laŭlonge la soleca kampeto . . . Dekstre de la vojo ĝi kuŝis dezerte nekulturita . . .

— He, Karp, — ekkriis mi miranta.

Karp ekhaltigis la ĉevalojn por momento, mi levis min de la seĝejo penante ĉirkaŭrigardi tutan solecan forlasitan kampeton . . .

Estis vasta, tiu kampeto, iomete mallarĝa, sed longa, oni ne vidis la finon . . . Kompare al aliaj, kulturitaj de laboremaj manoj,

[1] *Timofij Bordiuljak* — nuntempa aŭtoro de rakontoj el vivo de la okcidenta-Aŭstro-Galicia Ukrajnio. Liaj rakontoj, krom profunda sento de homamo, estas rimarkindaj per la belaj priskriboj de la naturo. En tiu ĉi rilato *Timofij Bordiuljak* alproksimiĝas al popola verkado (folkloro) de l' Ukrajnio, en kiu sin spegulas la adorado de la naturo. Ni ne forgesu, ke ĝis nun en ritoj kaj ludoj religiaj de ukrajnanoj konserviĝis sekvoj de paganismo, ke apud la ceremonioj kristanaj ĝis nun tie oni praktikas la ceremoniojn festajn el tempo de la idolaneco, kie la precipan rolon ludas la adorado de la naturo kaj la mistika amo al la „nutristino-Tero“.

ĝi ŝajnis malgaja, kvazaŭ ploranta ... Ĝi estis dezerta, kvazaŭ neniam la plugo tuŝis ĝin, kovrita per densa sovaĝa herbo, per diversaj interplektintaj kreskaĵoj ...

— He, kio ĝi estas — ekkriis mi mire, streĉante la manon direkte al la forlasita kampeto ...

— Kio? dezerteto ... respondis Karp.

— Kies ĝi estas?

— Kies? Oni rakontas multe pri ĝi ...

— Diru do, Karp, kion vi scias pri ĝi ... Rakontu al mi ...

Karp, embarasita, ekfrotis sian kapon ...

— Mi scias nur t on, kion rakontas la aliaj ... Homoj rakontas, ke pro tiu ĉi kampeto disputas du fratoj el la vilaĝo, kiu vidiĝas en malproksimo ... Unu frato asertas, ke ilia patro al li testamente postlasis la kampeton, alia kontraŭdiras, ke la patro ĝin testamentis al neniu, ke li disdonis la havbienon al infanoj kaj la kampeton destinis al li.

La fratoj komencis procesi unu kontraŭ la alia. La atestantoj ĉiuj jam mortis, sed la juĝa afero estas daŭrigata senfine ... Se unu el ambaŭ gajnas la proceson, alia tuj rekomencas denove procesi kaj tiel ĉiam. Oni diras, ke la fratoj estis riĉaj, sed en la procesoj ili perdis sian tutan havon ... Terure kiel la fratoj malamegas unu la ali n ...

Unu diras al alia: mi preferas almozpeti, ol cedi al vi la teron ...

Kiam unu iras plugi la kampeton, tuj alia alkuras por forpeli lin per la bastonego ... dirante „ne tuŝu ĝin, ne via ĝi estas" ... Dio mia, kiom da fojoj, laŭdire, oni batalis sur tiu ĉi kampeto, kiom da frata sango disversiĝis tie, kiom da elŝiritaj haroj disblovis en kampon la vento ... neelkalkuleble ... Ne estas tiu afero io alia, ol Dia puno. Mia veturigisto svingis manon kun malaproba mieno sur sia vizaĝo bruna pro sunaj radioj, kaj ekbatis la ĉevalajn flankojn per la vipo.

Ho, kiel estas malagrable en gaja momento ekvidi ion malgajan ...

Mi mallevis la kapon ... La antaŭa gajo foriĝis el mia animo, mi ĉiam meditis pri la soleca kampeto ...

— Kial do ili, tiuj fratoj, agas tiel malsaĝe? demandis min mem. Anstataŭ interkonsenti kaj kune kulturi la patran teraĵon, ili kverelas, interprocesas, malriĉiĝas, almozpetas; dume la kampeto kuŝas soleca meze de kulturitaj aliaj kampoj, forlasita kiel orfo ... Kiam vi ĝin rigardas, ŝajnas al vi, ke ĝi sendas plendon al ĉielo, ke sur ĝi, anstataŭ greno, kreskas sovaĝaj herbaĉoj ... Strange, homo facile alkutimiĝas al ĉia, eĉ malagrabla afero, kaj fine fariĝis al ĝi tute indiferenta. Sed neniam povis mi esti indiferenta al tiu soleca kampeto ... Ĉiufoje, kiam mi preterpasis, en mia cerbo moviĝis malgajaj pensoj, ĉiafoje mi forturnis mian rigardon de ĝi al gajaj kampoj, kiuj ondiĝas je luksa spikaro, mi penadis pensi pri io alia. Multe da tempo pasis depost tiu mateno.

Lastan printempon mi denove veturis preter la soleca kampeto. Ree estis bela, bonvetera frumateno. Alaŭdetoj gaje kantis, vastaj kampoj balanciĝis maturan spikaron, sed la soleca kampeto ĉiam kuŝis forlasita, nekulturita ...

Tiun ĉi fojon mi rimarkis sur ĝi la sekvojn de homa mano: iu erpis meze la kampeto profundan sulkon, eble, iu volis ĝin prikulturi, sed subite haltis sian laboron. Tuj ekstaris antaŭ miaj rigardoj la afero, kiu okazis tie. Certe, unu el la fratoj komencis plugi la teraĵon, sed alkuris la alia kun la bastonego kaj forpelis la plugiston „Se mi ne plugas, ne laboru vi ankaŭ" ... Malfeliĉa mondo ... Mi meditas: ĉu oni devas ankoraŭ longe atendi ĝis la fratoj fariĝos pli saĝaj? Aŭ ĉu ili neniam eksaĝiĝos?

Eble, venos la tempo, kiam la kampeto transiros en aliajn pli prudentajn manojn, kiuj komprenos ĝin ŝati ... tiam la kampeto certe dankos al sia mastro por lia laboremo. Sed kio fariĝos kun la fratoj ĝis tiam?

El ukrajna lingvo tradukis:
*Aleksandra Mexin*, Montreux.

---

# Antikvaĵoj

Humoraĵo de **F. von Ostini**

„En Tirolo oni jam povas ankoraŭ trovi ion," opiniis la profesoro en nia rondo de kolektantoj. „Sed oni ne devas serĉi en Innsbruck aŭ Bozen ĉe vendisto de antikvaĵoj; nur alten en malfacile atingeblaj montardomoj, kiel eble plej alte. Tie vi trovas ankoraŭ aŭtentikajn, verajn antikvaĵojn — kaj malmultekoste!"

„Vi estas prava," diris la pentristo. „Oni devas iri al la naivaj kamparanoj, kiuj ne ankoraŭ konas la trompon! Tiel mi foje ankaŭ aĉetis malnovan ŝrankon, ie en Meran. Mi restis tie dum pluraj semajnoj kaj informiĝis kaŝe pri antikvaĵoj. Maljuna komisiisto, Mar iner, oni diris, certe scias ion. Mi renkontis la maljunulon en brandejo sub la mont-arkadoj, pagis al li plurajn kvaronojn da „Special", kiu en la glaso indikis ĉiun trinkon per inkkolora ringo. Ĝojkore diris la maljunulo: „Volonte mi malkaŝus ion al bona sinjoro, se mi nur scius ion. Sed nenion mi scias. Nur malnovan ŝrankon — sed ĝi troviĝas tiel malproksime, alte, en iu montardomo — tien la sinjoro certe ne irus."

„Mi grimpas ĉien," mi respondis, „se estas pro ia antikva meblo!"

„Tien ne!" opiniis la maljunulo. „Certe kvin horoj super Schönna, malantaŭ la Masulinterkrutaĵo, plie grimpi monton ĝis la Schlaundernkorto."

„Mi iros!" ekkriis mi, jam entuziasmigita pri la ŝranko. „Ok guldenojn, se vi kondukos min."

La maljunulo skuis ĉiam ankoraŭ la kapon.

„Mi ne scias, ĉu vi sukcesos, grimpi tien — la vojo estas malbona! Kaj eble Schlaunderhans ne facile donos la ŝrankon. Li iom ŝatas ĝin!" Mi ne malpersistis, kaj fine proksiman matenon ni ekmarŝis. De Masul la vojo komencis fariĝi malbona, tiam mizera, poste aĉa! Varmege estis sur la krutaj paŝtejoj, kie la malriĉaj montaranoj ĵus ligis la fojnon en grandaj tukoj, kaj ŝvitante ĝin transportis alten. Ni fine atingis domon.

„Ne estas ankoraŭ nia celo", diris mia kondukanto, kaj silente mi daŭrigis. Ree domo.

„Ankoraŭ ne!" klarigis Mareiner, kaj je mia malkontenta vizaĝo li opiniis: „Mi ja dir's, est's tro multe por Sinjoro!" Fine nova domo kaj la konsola atentigo: „Jen ni alvenis!"

Fortika montarano laŭ stilo Defregger nin akceptis. Schlaunderhans. Belega tipo, aŭtentika! Ĉu ni ne volus resti iom? Kompreneble mi konsentis kaj eniris la brunan ligne kovritan ĉambron. Kaj tie staris ankaŭ la ŝranko. Malnova tirola gotiko, kvazaŭ specimeno! Supre ĉirkaŭita per larĝa borduro, skulptita reliefe, en deviza bando meze la nomo Cyprian Schlaunder 1493. Tutplene de vermotruoj, la metalaĵoj rostiĝintaj, sed de bonega formo. La tuto, belega muzea elmontraĵo!

„Kiom kostas la ŝranko?"

„Mi ne fordonas ĝin, tre longe ĝi jam estas en nia domo. Eble ankoraŭ de pra-avo," respondis naive la montarano. Li sendube ne konscias kian valoran objekton li posedas.

„Tridek guldenojn!" mi diris. Oni ne devas proponi tre multe komencante. Skuon de kapo.

„Kvardek!" Skuon de kapo.

„Sesdek — Okdek."

Schlaunderhans gratis la kapon. La monon, li opiniis, li bone povus uzi. Sed tian malnovan meblon, kiun la praavo jam tenis honore ... „Cent guldenojn!"

Cent guldenoj estas multe da mono por malriĉa montarano. Li konsentis, kaj mi pagis dek biletojn da dekguldenoj sur la tablo. Schlaunderhans ankaŭ konsentis, ke mi tuj kunprenu mian akiraĵon. Mi volis rapide ĝin fortransporti, antaŭ iu alia proponus pli multe. La montara helpanto estis libera. Li kaj mia kondukanto povis transporti la ŝrankon ĝis Masul. De tie mi veturigos ĝin.

La malnovaj ĉifonoj, troviĝintaj en la ŝranko, tuko kaj paron da ŝuoj, baldaŭ estis elprenitaj. Kaj post mallonga ripozo, kiam la

traktado estis konfirmita per glaso da terura juniperbrando, mia kondukanto kaj la duonidiota laboristo de Schlaunderhans — Sixt li nomiĝis — transportis mian akiraĵon malsupren.

Malfacila, penplena estis la vojo, dekliva kaj truoriĉa. La ŝvito defalis kiel rivero de la frunto de Sixt, kaj al Mareiner mi devis promesi ĉiukvaronhore plian alpagon kiel rekompenco, ĉar li daŭre deklaris, ke li ne plu povas elteni. Kiam ni fine malsuprenportis la meblon, mi kompateme diris al Sixt, kalkulante lian trinkmonon sur sian manon:

„Multe ci devis klopodi, kompatinda homo!"

„Nu, hodiaŭ ĝi ne estis tro. Sed lastfoje mi kredis ne ĝin elteni."

„Lastfoje?"

„Nu jes, kiam ni suprenportis ĝin, tiun ĉi-tie!"

Li frapis la ŝrankon.

„Tiun? Kaj kiu ĝin suprenportis?"

„Ha, mi kaj Sepp, la lignaĵisto de Meran, kiu faris ĝin!"

„Sepp, la lignaĵisto, faris la ŝrankon?!"

„Jes, li ĉiufoje ĝin fabrikas — tion ci scias? Tiu estas la kvara!"

— — — — — — — — — — — — — —

„Tio estas la historio de mia gotika ŝranko," finis ridante la pentristo. — Mi posedus la meblon ankoraŭ, se ne foje sinjoro de Berlina muzeo ĝin estus vidinta en mia laborejo. Mi klarigis, ke la ŝranko ne estas antikvaĵo, ke ĝi estas falsigita, sed li estis kompetentulo, tial li sciis tion pli bone kaj aĉetis ĝin."

Ĉiuj ridis kaj la profesoro klarigis:

„Estas tiel je la nuna tempo plena da trompo: kion oni ne mem elfosas aŭ elhakas, tio tutcerte estas falsigita."

Responde la eklezia konsilanto, pretendanta multe pri sia kolekto da malnovaj lignaj figuroj:

„Certa ankaŭ tiurilate oni ne estas. Foje, en Nürnberg mi traserĉis ĉe antikvaĵistoj kaj venis ĉe iu, havanta sian vendon en malnova kelsimila ejo. Trarigardinte inter la ĉiuspecaj malnetaĵoj, mi vidis ĉe la muro ion, simile je postsignoj de fermita niŝo. Mi ne ĉesis insisti ĝis kiam maljuna Baruĥ alportis laborilon, prenis ĝin kaj komencis haki. Ne longe, liberiĝis malplena loko, kiu enhavis — mirinde belan romanan madonon! Dektria jarcento, sendube! Nu, por esti mallonga: mi marĉandis la skulptaĵon por sufiĉe multe da mono, kaj ĝi ricevis la plej belan lokon en mia ĉambro, sur la kameno. Kiel nun fariĝis vintro, oni hejtis, kaj ĝis kristnasko mia figuro . . ."

„Havis striojn pro la varmo!" mallaŭte kaj kolereme finis la profesoro.

„Ne! *burĝonis* kiel branĉo de Sankta Barbara. Foliojn kaj branĉetojn ĝi ricevis kaj ĉe la tago de la tri reĝoj ĝi efektive *floris — tiel freŝa estis la ligno*, el kiu la fripono, tiu Baruĥ, farigis sian enmurigitan madonon!"

— Kelkfoje la maljuna konsilanto iom trograndigis.

Trad.: *H. J.*

# Vivregulo

(Laŭ pensoj de Goethe kaj Longfellow.)

*Se vi deziras konstrui la vivon feliĉa*
*En la bruego de l' tago, humora kaj riĉa,*
*Al vi mi donas la bonan konsilon:*
*Celu akiri internan trankvilon!*

*Ne vin ĉagrenu la tempo pasinta,*
*Kiu ne estos al vi reveninta,*
*Ĝin pensu sen ĝemo!*
*Prenu la fruktojn de l' horo estanta,*
*Saĝe ĝin uzu, serene ĝuanta*
*Kaj ĝoja kun emo!*
*Iru antaŭen al tago venonta!*
*Estu sentime la sorton venkonta*
*Kuraĝe, sen tremo!*

*Friedrich Jahn.*

# UTILA KRITIKO

**Al la Redaktoro de „Esperanto"**

*Estimata Sinjoro!*

Ĉu estas permesate, ke mi gratulu vin pri la lasta numero de nia ĵurnalo dediĉita al la ĝenerala ideo de mondlingvo? Tralegintе ĝin kun granda intereso, mi tutkore aprobas en ĝi la laŭdindan malĉeeston de fanatikeco, je kiu nia movado kelkfoje iom suferas.

Mi tamen rimarkis, ke en la konkluda artikolo de l' serio (p. 6) parolante pri tio, kio plej helpos al mondlingva progreso, vi ne aludas al unu aspekto de Esperanta agado, kiu estas, miaopinie, tre grava kaj utila. Tio estas la pli disvastigita uzo de la lingvo por originala verkado inter la *ordinarularo* de l' movado. Certe vi rekomendas la „eldonadon de bonaj Esperantistaj verkoj", sed ni ne forgesu, ke nur geniuloj kapablas veran literaturon, kaj, ke krom la speciala talento bezonata malmultaj el niaj eĉ plej agemaj fervoruloj disponas nek la tempon, nek la inklinon por verki originalajn literaturaĵojn.

Ĉu do ni devus esti kontentaj je la nura tradukado de literaturaĵoj el naciaj lingvoj? Mi opinias, ke ne. Vi, Sinjoro, laŭŝajne alte taksas la utilon kaj taŭgecon de tia agado, ĉar mi rimarkas, ke vi kutime donas 4 ĝis 6 paĝojn el via tre limigata spaco al tiaj tradukaĵoj. Mi certe ne volus nei la valoron de tradukoj, speciale de tradukoj, kiuj ne sole rilatas al „klasikaj" (t. e. malnovaj kaj ne plu trafaj) verkoj, sed kiuj klopodas konatigi tra la mondon la nomojn kaj iom de l' spirito kaj signifo de junaj ĵuse sukcesintaj aŭtoroj. Farante tion nia lingvo trafe rekomendus sin al multaj, ĝis nun iom skeptikaj pri ĝia valoro por vera homara progreso.

Sed nura traduko neniel plene kaj kontentige anstataŭas la uzon de la lingvo por originala verkado pro kialoj, kiujn mi ne prilaboros, ĉar ili estas jam sufiĉe konataj al ĉiuj, kiuj ion komprenas pri fakta lingva evoluado.

Mi do treege bedaŭras, ke en la nuna numero de „Esperanto" krom la redaktoraj artikoloj troviĝas tiom malmulto, originale verkita kaj de neoficiala deveno; kaj, ke tio ĉi estas tipa cirkonstanco. Kian uzon por la lingvo la ordinara samideano havas krom tio, ke li ĉiumonate tralegas la ĵurnalon? — malkontentige neagema rolo, ĉar post du, tri jaroj ĉu ne tre povas okazi, ke li do laciĝos, malentuziasmiĝos kaj el la movado fine perdiĝos?

Sed kvankam malmultaj kapablas verki longajn literaturaĵojn originale, multaj aliflanke certe povus okaze verki artikoletojn, notojn aŭ almenaŭ simplajn leterojn, kiel la ĉi tiun, aŭ pri diversaj ĝenerale interesantaj aspektoj de nia afero; aŭ, preferinde, pri nuntempaj okazintaĵoj en la politikaj ekonomia, socia, literatura, scienca aŭ arta vivo de sia lando. Kaj el tio rapide kaj kun malmulta redaktora prizorgo ekiĝus kvazaŭ ĵurnala debata rondo kaj informejo, kiun ĉiu povus legi interesate, ĉar ĝi iom spegulus la internacian penson, kaj en kiu — tio, kio estas nun la grava punkto — eĉ la malpli spertaj povus partopreni sendante al la redaktoro siajn kontribuojn. La plej ĝenerale interesajn el tiuj kontribuoj — eble post iom da gramatika korekto kelkfoje! — la redaktoro enmetus en specialan fakon.

Ŝajnas certe al mi, ke tia fako en nia ĵurnalo donus multajn avantaĝojn; kaj ĉar la tipa esperantisto estas kutime idealista kaj diskutema, ne mankus kontribuaĵoj interesaj. Ĝi donus al multaj izolitaj samideanoj difinitan celon, por kiu ili volus perfektigi sian esprimkapablon en la lingvo pri ĉiuj aferoj de nuntempa vivo. Tio daŭrigus kaj plifortigus la entuziasmon de multaj alie neagemaj samideanoj, kaj el tiaj klopodoj nia lingvo kaj la evoluado de nia lingvo certe profitus.

Restas kun multa estimo, via sincere,

*H. C. Booth*, Del. de UEA.

*Adreso:* 18, Munster Rd., Teddington, Mdx., Anglio.

# ORGANIZA PROBLEMO

## Kian gazetaron ni bezonas

Kompreneble, unue estas necese gazeto, kiu pli detale raportus pri nia movado en ĉiuj landoj, kiu publikigus artikolojn pri organizaj demandoj, registrigus la laboron de la organizaĵoj, k. t. p. — alivorte *organo de propagandisto,* gazeto, kiu estus la fonto, el kiu ĉiu Esperantisto povus ĉerpi instigon kaj materialon por propagando, ĉu sistema, ĉu okaza. Tia gazeto povas enhavi *malgrandan* literaturan fakon, ankaŭ korespondan, sed prefere *ne* la lingvan, por ne trudi la vanan okupon per „lingvaj demandoj" al la granda amaso. La decidoj de la lingvaj institucioj estu, kompreneble, publikigataj en ĉi tiu gazeto, same kiel aliaj similaj dokumentoj. Ĉi tiu gazeto devas esti almenaŭ ĉiusemajna kaj sufiĉe ampleksa. Bonega organo rezultas, se oni kombinus la amplekson kaj solidecon de „Esperanto" kun la ofteco kaj aktualeco de „Esperanto Triumfonta" kaj la oficiala karaktero de „Oficiala Gazeto". La priparolata revuo devus ankaŭ esti la sola *oficiala* Esperanta gazeto, organo de la nepre necesa, espereble baldaŭ efektivigota universala organizaĵo de ĉiuj Esperantistoj. Plej bone estus, se ĝia abono estus deviga al ĉiuj membroj, en formo de pli alta kotizaĵo ekzemple. Ia alia oficiala organo ne estas necesa: la kongresaj protokoloj, paroladoj, pli ampleksaj lingvaj kaj aliaj oficialaj laboroj estu publikigataj en apartaj libroj, kiel la ĝisnunaj *Jarlibro de UEA, Tutmonda Jarlibro, Esperantista Dokumentaro,* kiuj, cetere, ĉe la venonta universala organizaĵo, ankaŭ devas esti parte unuigitaj. *Ĉiuj ceteraj gazetoj estu privataj entreprenoj.*

Kiel ĉiu alia lingvo, Esperanto disvastiĝos ĉefe per praktika uzado, per disvolvo de sia literaturo. Krom tio ne ĉiuj Esperantistoj estas propagandistoj aŭ povas esti tiaj. Multaj povas alporti al nia afero pli da utilo laborante sur la literatura kampo. Estas do tute klare, ke ni bezonas ankaŭ pure *literaturan gazeton,* kies tasko estus progresigo de Esperanta literaturo kaj konservado kaj unuecigo de la bona Esperanta stilo. Similajn organojn ni havis antaŭe en „Lingvo Internacia" kaj „La Revuo", kaj havas nun en „Literaturo"; el ili la lasta eble estas la plej konvena tipo, sed ĝi devus fariĝi multe, multe pli ampleksa. Tia gazeto devus esti monata, kun almenaŭ 48 paĝoj da teksto en ĉiu numero, prefere eĉ pli. Ĝi *ne* devas enhavi kronikaĵojn, propagandaĵojn, k. t. p., sed nepre sufiĉe vastan bibliografian fakon; artikoloj kaj recenzoj pri muziko kaj aliaj artoj estus ankaŭ tre dezirindaj en ĝi; lingvan fakon oni limigu je praktikaj demandoj de stilo, evitante laŭeble gramatikajn kaj vortarajn diskutojn.

Al ĉiuj estas evidenta la neceseco evoluigi la sciencan kaj teknikan vortaron de nia lingvo, je kio gazetoj certe povus efike helpi. Sed mi timas, ke D-ro Fiŝer estas prava, kiam li opinias, ke la tempo de fakaj gazetoj ankoraŭ ne venis. Ni nun havas belan „Internacian Komercan Revuon", tre subtenindan, sed malgraŭ la penoj de sia eldonanto, ĝi ankoraŭ ne staras sur forta bazo. Jam kelkfoje oni eldonadis medicinajn gazetojn, kaj ankaŭ nun estas projektata „Internacia Medicina Revuo", kio estas tre aprobinda; sed kvankam en nia rondo troviĝas multaj kuracistoj, ĝis nun tiaj gazetoj ne estis tre sukcesaj, almenaŭ kompare kun nacilingvaj. Tamen en ĉi tiuj du fakoj — komerco kaj medicino — estus utile ankaŭ nun daŭrigi la penojn por havigo de indaj Esperantaj organoj.

Kio koncernas aliajn profesiojn, mi kredas, ke en ilin nia lingvo ankoraŭ ne tiel enpenetris, ke specialaj gazetoj tie povu sin mem subteni. Eble ĉe la instruistoj, sed ĝis nun oni almenaŭ ne povis konstati iajn seriozajn penojn en tiu direkto ĉe la koncernaj rondoj.

Pri la antaŭaj „Scienca Gazeto" k. c. mi povas nur diri, ke ilia malsukceso estas bone komprenebla. „Ĝeneralaj" sciencistoj plu ja ne ekzistas, seriozaj sciencistoj estas ĉiuj pli-malpli fakuloj. Estas do kompreneble, ke la tre diversa enhavo de tiuj gazetoj ne povis allogi la sciencistojn. Krom tio ilia enhavo estis ankaŭ tre malsama laŭ la kvalito: la artikoloj estis aŭ tro popularaj por interesi sciencistojn, aŭ tro specialaj, por ke la ĝenerala publiko aŭ alifakuloj legu ilin.

Cetere, ankaŭ nacilingvaj fakaj sciencaj gazetoj tre ofte ne povas subteni sin mem, des pli malfacile estus ilia eldono en la Esperanta mondo. Sed ni havas alian rimedon publikigi efektive sciencajn Esperantajn artikolojn, se nur troviĝas verkanto. Multaj sciencaj gazetoj estas, nome, plurlingvaj, aŭ almenaŭ volonte akceptas okaze artikolon en iu fremda kultura lingvo, se la artikolo estas grava kaj interesa. Kial la Esperantistoj-sciencistoj ne povus proponi al ili iufoje esperante verkitajn artikolojn?

Sed Esperanta *scienca* gazeto estus ĉe ni en la nuna momento ebla nur en la formo de *popularа revuo.* Certe, por ĉi tiu troviĝus sufiĉa intereso, se oni nur energie volus ekpreni la aferon. La Esperantistoj ja plej ofte varbiĝas el sciavidaj junuloj, por kiuj simila gazeto sendube estus la plej agrabla kaj havinda legaĵo, se ĝi nur efektive estus bone redaktata kaj enhavus freŝan materialon. Al ĝi tiam ekz. povus transiri tiaj ofte tre interesaj kaj bonaj artikoloj, kiuj nun aperas en „Esperanto" en la rubriko „Socia vivo", kaj kiuj nun ĝenerale estas nur rapide trafoliumataj sur la vojo al la aliaj por Esperantisto pli aktualaj artikoloj. La gazeto estus paralelaĵo al la literatura. Kaj same kiel literatura gazeto, la popularscienca estus efika organo por progresigo de la lingvoscio kaj de la lingvo mem. Sentrude kaj per praktika vojo en ĝi iom post iom povas ellaboriĝi scienca kaj teknika terminologio, eble ne tre detala aŭ kompleta, sed ĉiuokaze plejparte sufiĉa por niaj nunaj bezonoj.

Tamen, unu speciala scienca gazeto estas nepre necesa: nome, *Esperante-lingvistika.* Kiel ĉiu alia lingvo, Esperanto nepre bezonas ankaŭ pli profundan, sciencan studadon kaj esploradon. Sekve oni nepre bezonas ankaŭ publikan organon por tio. Tre bona estas en tiu ĉi rilato la propono de S-ro Stefano La Colla el Palermo pri fondo de „Esperanta Lingvisto", kun tre prudenta kaj interesa programo. Tia gazeto devas doni lokon al seriozaj esploroj pri la nunaj gramatiko kaj vortaro de Esperanto, pri principaj lingvaj demandoj, pri nia lingvo kompare kun la naciaj, pri nia literaturo en lingva rilato, k. t. p., samtempe zorge evitante ĉiajn proponojn de „plibonigo" kaj ĝenerale ĉiun „lingvo-faradon"; kompreneble, ne estus ankaŭ ĝia devo doni lingvajn konsilojn al nespertaj Esperantistoj. Tiu ĉi gazeto povus eble esti organo de la Akademio, sub la kondiĉo, ke ĝiaj paĝoj estu malfermitaj por ĉiuj kompetentaj kunlaborantoj, sed ĝi ne devas havi oficialan karakteron; prefere ĝi estu pure privata entrepreno, kies agado ne estu haltigata per konsideroj de la oficiala lingva politiko; sed kunlaboro de la Akademianoj en ĝi estas komprenebIe necesa kaj dezirinda; la esploroj publikigataj en ĝi povus reprezenti valoran bazon por la laboroj de la Akademio.

Parolante pri la supre nomitaj gazetoj, kies komuna celo estas la subteno kaj progresigo de nia lingvo kaj ĝia uzado, ni ne devas forgesi ankoraŭ unu tipon, nome de *instrua aŭ perfektiga* gazeto por tiuj, kiuj ankoraŭ ne sufiĉe bone scipovas la lingvon. Post ricevita elementa instruo, aŭ en kurso, aŭ per lernolibroj, la nova Esperantisto ja povas jam legi, sed ofte ne tiel libere, ke li efektive povu ĝui la legadon de ĉiu arta aŭ scienca literaturo. Por li la legaĵoj devus esti aparte elektataj, krom tio li bezonas multajn lingvajn klarigojn kaj konsilojn, ekzercigajn taskojn, k. t. p., kiuj aliflanke estus nur tedaj al la spertaj Esperantistoj. Tial speciala perfektiga, ekzerca gazeto de la tipo simila al „Esperanto-Praktiko" estas nepre necesa. Sed ĝi ankaŭ nepre devas esti plene internacia, sen nacilingva teksto, por ke ĝi egale bone povu servi al la tuta mondo. Tia gazeto povus efike kontribui al perfektigo de la lingvoscio kaj al ellaboro de unueca, pura Esperanta stilo, sen naciismoj — oni ne povas trotaksi ĝian valoron.

Jen estas, laŭ mia opinio, la 5 ĉefe havindaj *nur-Esperantistaj* (en la senco de Bulonja deklaracio) gazetoj, nepre bezonaj por la pli firma disvastigo de nia lingvo. Ni resumu: 1e *ĉiusemajna oficiala kaj propaganda;* 2e *ĉiumonata literatura;* 3e *ĉiumonata popularscienca;* 4e *lingvistika;* 5e *ĉiumonata instrua.* Je la efektivigo de ĉi tiuj gazetoj ni plej unue devus koncentrigi niajn fortojn.

Propre, nur se ili jam staras sur forta bazo, ni rajtas pensi pri pluaj gazetoj.

Sed la homoj estas malsamaj, la gustoj diversaj.

Tute nature, Esperanto por plej multaj estas nur ilo por atingo de aliaj, ĉu profesiaj, ĉu organizaj, ĉu idealaj celoj. Tial estas kompreneble, se aperas Esperantistaj gazetoj kun tia aparta, nedeviga por ĉiuj Esperantistoj karaktero. Kaj ili ankaŭ estas treege utilaj por Esperanto, se ili nur per si mem estas bonaj. Ili do estas ĉiam bonvenaj, sed evidente ne pli ol unu en ĉiu fako. Ilia aperigo tamen estas privata afero de la koncernaj anaroj, kaj de la forteco de tiuj ĉi lastaj dependas, ĉu la gazetoj efektive povas daŭre ekzisti. Ni notu ĉi tie nur tiajn, kiuj nuntempe ŝajnas esti eblaj. Supre ni jam parolis pri la du *profesiaj: 6e komerca; 7e medicina.* Nun ni nomu tiajn el la *doktrinaj* gazetoj (t. e. kiuj propagandas iun difinitan doktrinon aŭ tendencon), kiaj jam ekzistas: 8e *pacifista;* 9e *socialista;* 10e *katolika;* 11e *protestanta;* kaj la tute apartan tipon: 12e *blindula.*

Do nur la supraj dekdu gazetoj (5 ĝenerale Esperantistaj kaj 7 fakaj) ŝajnas nuntempe esti pravigeblaj. Sed ĉu ili ne prezentas vastan kampon de agado por Esperantistoj de plej diversaj tipoj? Ĉu ne ĉiu povus labori aŭ aboni je unu aŭ du-tri el ili, tute laŭ sia persona inklino? Mi kredas, ke jes.

Sed la „naciaj“ Esperantaj gazetoj? Nu, mi ankaŭ kuraĝas opinii, ke ili estas preskaŭ tute nenecesaj nuntempe, almenaŭ ne en la nacilingva formo. Kaj se oni havos la suprenomitan ampleksan, ĉiusemajnan oficialan gazeton, tie povas aperi ĉiuj pli gravaj lokaj novaĵoj, raportoj pri lokaj kunvenoj, k. t. p. La propagandajn artikolojn, novaĵojn de loka propaganda signifo, oni publikigu en la naciaj ĵurnaloj.

Eble por kelkaj pli malproksimaj regionoj, ekz. Orienta Azio, Ameriko, tamen estus dezirinde havi apartan organon (kvazaŭ anstataŭaĵon de la oficiala Esperanta gazeto), sed ĉiuokaze oni zorgu, ke tia organo estu komuna al kelkaj landoj, do ankaŭ *internacia* kaj kompreneble *nur-Esperanta.* Sed oni eldonu pluajn gazetojn, krom la suprenomitaj, nur en la okazo, ke oni havas por tio la necesajn fortojn kaj rimedojn, ne forprenante tiajn de la aliaj, tutmondaj gazetoj.

Ni nun supozu, ke oni tamen eldonados 3 tiajn regionajn gazetojn. Tiam, anstataŭ la ĉ. 50 nunaj gazetoj, el kiuj apenaŭ duono estas modeste kontentigaj, ni havos nur 15 gazetojn, sed kiel multe pli valorajn! Pensu nur, ilia meza amplekso povas ja esti sub la samaj kondiĉoj *triobla* kompare kun la nuna. Kaj kiel multe ni gajnos per la koncentrigo kaj pli racia divido de niaj fortoj! Kiel multe pli interesaj kaj abonindaj la gazetoj fariĝos! Ĉu ni do ne devas kiel eble plej baldaŭ ekpreni ĉi tiun reorganizan laboron?

Kompreneble, mi ne pretendas, ke mia propono estas tute senerara kaj senmanka. Eble, ekz., en la nuna tempo ne estus necese eldoni popularsciencan gazeton, aŭ eble oni povus kunigi ĝin kun la literatura; same ankaŭ ceteraj detaloj povus esti ŝanĝitaj. La ĉefa afero estas, ke niaj fortoj estu pli racie aplikataj, kaj se mia artikolo donos instigon al profunda diskuto pri la demando kaj alproksimiĝos nin al ĝia solvo, mi estos pli ol kontenta. *G. Ĉ.*

*Noto de la Red.* — Tiun tre interesan proponon de eminenta finnlanda samideano ni liveras al zorga pristudo de la Esperantistoj. Ĝis realiĝo de tia forta kaj logika plano, nia gazeto estas devigata plenumi samtempe ĉiajn rolojn, kio ne estas facila tasko, sed kio respondas al la deziro de niaj legantoj.

## *Al niaj legantoj*

*Ni presigis novan liston de abonantoj. Bonvolu kontroli vian adreson sur la banderolo de ĉi tiu numero kaj averti nin okaze de eraro.*

*Pro neantaŭvidita aliĝo de multaj novaj MA, N-roj 1—3 de ĉi tiu jaro estas elĉerpitaj. Al la personoj ne ricevintaj tiujn ĉi numerojn, ni sendis kreditigilon.*

# Lingvaj Studoj

## Pri landnomoj

Raporto prezentita de *D-ro Edmond Privat* al la Akademio laŭ proponoj de S-roj Fiŝer, Bünemann, Krestanof kaj Stojan, L. K.-anoj

La Kunsido de L. K.-anoj ĉe la Haga Kongreso (prezidinto: S-ro Nylen, sekr. S-ino Cense), post la cirkulero de l' Akademio pri -io, decidis proponi, ke la tuta demando pri landnomoj estu zorge studata kaj senpartie prezentata kun konigo de kontraŭaj vidpunktoj por submeto al ĝenerala voĉdono de la L. K. Laŭ la regularo, ĉiu propono de kvin anoj devas esti submetata al voĉdono.

Ĉar nenio estis farita en tiu ĉi rilato, malgraŭ ripetitaj petoj al la Prezidanto, mi prezentas mem raporton al miaj kolegoj de la Akademio petante, ke ĝi estu ankaŭ dissendata al ĉiuj L. K.-anoj por studo kaj privoĉdono.

La malfacila demando pri landnomoj jam de longe priokupas la Esperantistojn. Eĉ antaŭ la provado de novaj formoj kiel Francio aŭ Germanio, ekzistis jam ĥaosa stato kaj estis flanke uzataj formoj kiel Rusujo kajRuslando, Brazilo kaj Brazilio, Aŭstrujo kaj Aŭstrio, Peruo kaj Peruvio, k. t. p. Jen kion skribis Rektoro Boirac, prezidinto de l' Akademio, en la antaŭparolo de sia Plena Vortaro:

„*Ni ne provis solvi la malfacilan demandon pri la plej bona maniero formi la nomojn de popoloj kaj landoj; tamen ni starigis kiel principon, ke la ĉefa kaj plej ĝenerala maniero estas nomi primitive la landon kaj devenigi la nomon de ĝiaj loĝantoj per la sufikso -an, kiel ekz. Eŭropo, Eŭropano; Irlando, Irlandano; Parizo, Parizano, k. t. p., kaj ke la alia maniero, t. e. nomante primitive la genton aŭ nacion kaj devenigante la nomon de la lando per la sufikso -uj, kiel ekz. Franco, Francujo; Germano, Germanujo, estas dua, akcesora, sekve en okazo de dubo neniam preferinda. Nur kiam ekzistas efektive gentoj, nacioj, havantaj propran historion, nur tiam oni povas diri, ke la popolo nomas sian landon, kaj uzi la duan procedon; sed en ĉiuj ceteraj okazoj estas pli ĝuste diri, ke la terloko nomas siajn loĝantojn; kaj pro tio ŝajnas al ni, ke ekster Eŭropo kaj kelkaj partoj de Azio kaj Afriko, ĉie aliloke, nome en Ameriko, oni devas formi la nomojn per la unua procedo. Brazilo, Ĉilo, Peruo, Meksiko, Kanado, k. t. p. ne estas laŭ nia opinio, loĝantoj de Brazilujo, Ĉilujo, Peruujo, Meksikujo, Kanadujo, sed kontraŭe landoj, kies loĝantoj estas Brazilanoj, Ĉilanoj, Peruanoj, Meksikanoj, Kanadanoj, k. t. p. Ni do tre deziras, ke ĉiuj Esperantistoj konsentu pri tiu ĉi regulo: En okazo de dubo oni ĉiam preferu la sufikson -an al la sufikso -uj por formi la nomojn de popoloj kaj de landoj.*“

En la Fundamento estas neniu aludo pri landnomoj kiel regulo, sed en la 40a ĉapitro de la Ekzercaro la lasta frazo estas: „La rusoj loĝas en Rusujo kaj la germanoj en Germanujo.“

En decembro 1907 D-ro Zamenhof proponis al la L. K. la jenon: „Por nomoj de landoj oni povas uzi la sufikson ‚i‘ anstataŭ ‚uj‘.“ (N-ro 6. Proponoj al Lingva Komitato. 20. XII. 1907.)

Tiu propono estis submetata al la Akademio kun 13 aliaj per fina voĉdono la 1 aŭgusto 1909.

En sia demanda cirkulero, la Prezidanto de l' Akademio, Rektoro Boirac, rimarkigas, ke tiuj 14 estas „proponoj celantaj nur precizigi kelkajn punktojn de la Esperanta gramatiko aŭ pliriĉigi la vortaron per enkonduko de novaj formoj, sed en ambaŭ okazoj, *respektante* la fundamentajn principojn de la lingvo“, dum rilate al la aliaj „la Akademianoj, krom unu, opiniis, konforme al la Deklaro jam farita en Dresdeno, ke ili estas forĵetindaj kiel kontraŭaj al la opinio kaj deziro de la Esperantistaro, kiu ne povas alskribi al iu ajn la rajton ŝanĝi arbitre la lingvon de Zamenhof“. (Oficiala Gazeto, 25 aprilo 1910, paĝo 315.)

Tiel, metinte la demandon pri *-io* inter la kategorion de proponoj ne kontraŭaj al la Fundamento, la prezidanto resumis la argumentojn de l' Akademianoj por kaj kontraŭ (por: tro vasta senco kaj malbeleco de *-uj;* kontraŭ: konfuzoj kun aliaj vortoj en

*i* kaj tromulteco de akcentitaj *i*), kaj li konkludis jene: „Cetere la tuta demando de la landnomoj bezonas apartan ekzamenon, ĝi estis jam esplorita de speciala komisio, kaj ni povos prokrasti decidon ĝis tiu komisio estos liverinta sian raporton". (Oficiala Gazeto, 25 aprilo 1910, paĝo 322.)

Sekve nur unu Akademiano tamen voĉdonis por tuja oficialigo de landnoma finiĝo *-io*, dum 5 voĉdonis por *retro-* (kiu limigas la sencon de *re-*) kaj 6 por *mis-*. La komisio liveris sian raporton kelkajn monatojn poste. Ĝi estis unue presita en Oficiala Gazeto, 6 (17) decembro 1909 kaj poste kiel aparta oficiala broŝuro kun listo de la proponitaj landnomoj. („Pri la transskribo de la propraj nomoj." Esp. dokumentaro, kajero dekkvina, julio 1910.) La broŝuro komencas per Antaŭparolo de Rektoro Boirac, kies plena teksto estas jena:

„Ŝajnis al mi tute konforme al la spirito kaj labormetodo de la L. K. publikigi la laboron de ĝiaj komisioj aŭ sekcioj, sed nur por gvidi la evoluadon de la lingvo, nenion trudante nek dekretante. La Subkomitato pri la Propraj Nomoj opiniis, ke estus bone traduki la proprajn nomojn jenamaniere; nek ĝi, nek la L. K. trudas tiun opinion al la publiko; ili nur ĝin publikigas por gvidi la publikon, sed al tiu ĉi ja apartenas, se ĝi deziras, *ekprovi tiujn novajn formojn, ilin eksperimenti*, kaj konstante uzi, se ĝi trovas ilin praktikaj."

Poste la broŝuro entenas Antaŭnoton (klarigantan, ke la subkomitato pri propraj nomoj estis elektita en Genève 1906 kaj Cambridge 1907), du raportojn de S-ro Moch, kontraŭraporton de S-ro Adam Zakrzewski, klarigan noton de S-ro Schröder kaj liston de propraj nomoj proponitaj de S-roj Bein, Moch kaj Schröder.

La raporto konstatas, ke pri la proponoj jam faritaj de S-ro Moch en prepara raporto (1906) kvindek L. K. anoj respondis.

El ili „7 defendis la sufikson *-ujo*, unu eĉ kun ia bedaŭro; 40 aprobis aŭ ne malaprobis ĝian anstataŭigon per *-io*, kaj 3 proponis aliajn solvojn" (p. 60). En sia kontraŭraporto, S-ro Adam Zakrzewski kritikas la urbnomojn proponitajn de S-ro Moch, sed li distingas aliajn proponojn, „la plimulto de kiuj ŝajnas al mi teorie aprobindaj, kiel la anstataŭigo de la finiĝo *ujo* en nomoj de landoj per *io*: Francio, Anglio." S-ro Schröder raportis nur pri personaj nomoj, sed en la listo de geografiaj nomoj li ĝenerale preferis kun S-ro Bein formojn en *-ujo*, dum S-ro Moch preferis tiujn en -io. Por landoj kiel Bolivio, Letonio, Manĉurio, ĉiuj konsentis pri -io. Por kelkaj kiel Svisio nur S-roj Schröder kaj Moch, pri aliaj kiel Francio, nur S-ro Moch. En okazoj de malkonsento inter la tri, ambaŭ formoj en -io kaj -ujo apud estas en la listo kun la komencliteroj de la aprobintoj B. (Bein), S. (Schröder) kaj M. (Moch).

Tio do estis la lasta oficiala parolo de la L. K. pri landnomoj, kaj tial Hector Hodler, kiam la milito kreis tiom da novaj regnoj, decidis uzi la konsilon de Prezidanto Boirac kaj ekprovi ĝenerale la proponitan unuigan formon *-io* pro ĝia kreskanta internacieco en novaj nomoj kiel Ĉeĥoslovakio, Latvio, Estonio k. t. p.

Jen liaj ĉefaj klarigoj en „Esperanto" (decembro 1918 kaj februaro 1919).

„Ĝis nun oni uzas en Esperanto du sistemojn, same kiel en la naciaj lingvoj. Iafoje, la nomo de la lando derivas, per la sufikso *-uj* aŭ per la vorto *land'*, el la nomo de la gento, kiu ĝin fondis (ekz. *Ruso, Rusujo* aŭ *Ruslando)*; alifoje la primitiva nomo estas la landnomo, el kiu oni per la sufikso *-an'* derivigas la nomon de la regnano (ekz. *Kanado, Kanadano)*. Por la granda plimulto de la provincaj nomoj, por ĉiuj nomoj de urboj kaj de kontinentoj, estas uzata nur la sistemo kun *-an*. *(Galicio, Galiciano; Parizo, Parizano; Afriko, Afrikano.)*

Al partianoj de unuformeco ne plaĉas tiu dueco de sistemoj. Tiu ĉi estas tamen neevitebla, se oni ne volas tro malproksimiĝi de la nacilingvaj kutimoj, kiuj havas historiajn kaŭzojn. Estus tute arbitre formi ĉiujn landnomojn per la sufikso *uj*. Vortoj kiel *Holandujo, Kanadujo, Argentinujo*, pekas kontraŭ la principo de internacieco, ĉar en ĉiuj idiomoj la radiko *Holand', Kanad', Argentin'* rilatas ne al la loĝanto, sed al la lando mem. Cetere, eĉ se oni aliĝus *-uj* aŭ alian sufikson al ĉiuj landnomoj senescepte, oni tamen devus konservi la sistemon *-an* por la kontinentoj, la provincoj kaj la urboj — ĉar mi supozas, ke neniu konsentus diri *Amerikujo, Galiciujo* aŭ *Parizujo!* Do, la dueco de sistemoj tamen restus.

Pli alloga, sed tute kontraŭa al la ĝisnuna kutimo en Esperanto, estas la propono ĉiam uzi *-an*, t. e. derivigi la nomon de la regnano el la landnomo, same kiel por la provincoj kaj la urboj. (Ekz. *Franco, Francano; Hungario, Hungariano; Sviso, Svisano; Kanada, Kanadano.*[1]) Tiu sistemo estas simpla, sed ĝi ankaŭ prezentas maloportunaĵojn. Unue, ĝi grave ŝanĝus la sencon de radikoj jam ofte uzitaj en Esperanto: ekz. *Franco* signifus tion, kion oni nun nomas *Francujo*, kaj tiu sencoŝanĝo certe naskus konfuzon; plie, oni devus modifi kelkajn radikojn, ekz. *Ital'* al *Itali'*, *Ruman'* al *Rumani'*, k. t. p. Aliparte la nomo de la loĝanto, kiu estas pli ofte uzata ol la nomo de la lando, fariĝus pli longa ol laŭ la nuna sistemo (komparu: *Germano, Germaniano; Rumano, Rumaniano)*. Tiu maloportunaĵo fariĝus aparte grava ĉe la virinaj nomoj. Vortoj kiel *Francino, Germanino, Rumanino* estas pli belsonaj kaj pli oportunaj ol *Francanino, Germanianino, Rumanianino*. Fine, tiu procedo estas kontraŭa al la kutimo de la naciaj lingvoj, kiuj ĉe multaj kazoj nomas la landon laŭ la gento, kiu fondis aŭ okupas ĝin.

Ni do opinias, ke — kvankam tiu solvo estas iom malpli simpla — estas preferinde konservi la nunan duoblan procedon, kiu estas malpli rigida kaj pli konforma al la kutimo.

Sed, oni demandos, kiel oni povas scii, kiam oni devas derivigi la landon el la gento aŭ inverse?

Se ĉiuj naciaj lingvoj akordiĝus pri tio, la elekto estus facila. Bedaŭrinde, ili iafoje diferencas. Ekz.: F. *Russie* derivas el *Russe*, G. *Russland* el *Russe*, sed A. *Russian* (= Ruso) el *Russia* (= Rusujo). A. *Poland* devenas el *Pole* (= Polo), G. *Polen* el *Pole*, sed F. *Polonais* (= Polo) derivas el *Pologne*. A. *Scotland* devenas el *Scot* (= Skoto), sed F. *Ecossais* (= Skoto) el *Ecosse* (= Skotlando). Cetere, estas rimarkinde, ke ĉi-rilate Esperanto ne tute sekvis la naciajn lingvojn. Ekzemple ĝi derivigas *Italujo* el *Italo, Portugalujo* el *Portugalo, Japanujo* el *Japano*, kvankam en ĉiuj lingvoj oni uzas la inversan procedon. Se oni studas la ĝisnunan kutimon, oni konstatas, ke Esperanto pli sisteme atentis pri la ideo de gento. Fakte, krom malmultaj esceptoj, ĝi uzas *-uj* aŭ *land'* ĉiufoje kiam la enloĝantaro formas apartan genton, kies plej trafa karakterizilo estas la lingva komuneco. Tial okazas, ke por la landoj de Eŭropo, kiuj estas loĝataj de propra gento, oni ĝenerale uzas la sistemon *-uj*, dum por la amerikaj landoj, kiuj estas loĝataj de diversaj eŭropaj gentoj, oni uzas la sistemon *-an*. Ekzistas itala, portugala, japana gento, same kiel franca aŭ germana; do oni prave agas, devenigante la landnomon el la gento, malgraŭ la kontraŭa ekzemplo de la naciaj lingvoj.

Ni ne proponas nun ŝanĝon de tiu procedo, sed nur ties reguligon. Antaŭ ĉio, necesa ŝajnas al ni la forigo de la dueco de sufiksoj *-uj* kaj *land'* por la nomigado de la landoj, kiu komplikigas sistemon en si mem ne tute simplan. La sufikso *uj* jam estis ofte kritikata, kaj, laŭ nia opinio, prave. Ĝi malagrable sonas al la oreloj de multaj popoloj, estas tute arbitra kaj kripligas la fizionomion de la landnomoj; plie, ĝi jam estas uzata por objektoj, kaj estas ne tre logike, havi la saman sufikson en du tiel malsamaj aferoj kiel *Francujo* kaj *salujo*. La nomado per *land'* estus elektinda, se ĉiuj gentonomoj estus unusilabaj; ekz. *Ruslando, Svislando, Greklando* estas bonsonaj kaj oportunaj vortoj. Sed kiam la gentonomo estas plursilaba, la nomo de la lando fariĝas tro longa kaj peza. (Ekz.: *Germanlando, Hispanlando, Itallando, Litovlando, Rumanlando, Portugallando.)* Precipe ĉe sinsekva citado de landnomoj, la ofta ripetado de la finaĵo *-land'* estas neagrabla. Multe pli oportune estus anstataŭ *-uj* kaj *land'* per la jam internacia kaj kelkfoje proponita sufikso *-i*. Oni tiel ricevas mallongajn kaj bonsonajn vortojn, kiuj ofte havas la saman fizionomion kiel la nacilingvaj aŭ latinaj landnomoj. (Ekz.: *Bulgario, Francio,*

[1] La angla lingvo pli ofte ol aliaj lingvoj uzas tiun sistemon. (Ekz.: *Hungary, Hungarian; Rumania, Rumanian; Russia, Russian.)*

*Germanio, Hispanio, Hungario, Italio, Rumanio, Rusio, Serbio, Turkio*, k. t. p.) Tiam *-uj* tute malaperus kiel landa sufikso, sed oni povus konservi la finaĵon *land'* ĉe la vortoj, kiuj jam havas ĝin en ĉiuj naciaj lingvoj, kiel *Finnlando* kaj *Irlando*.

Kelkaj nomoj prezentas malfacilaĵojn.

Oni ĝis nun, pro analogio, kutimis diri *Belgo, Belgujo; Sviso, Svisujo*, kvankam ne ekzistas belga kaj svisa gentoj, almenaŭ laŭ la kutima senco de tiu vorto. Ni ne kuraĝas proponi ŝanĝon de tiu jam forte enradikigita kutimo. Cetere, oni povas historie pravigi la formon *Belgio*, pro la ekzisto de la malnova tie loĝinta galla subgento *belga*, kiu donis sian nomon al la lando. Same *Sviso* povas esti konsiderata kiel la moderna nomo de la *Helvetoj*, kiuj okupis proksimume la nunan svisan teritorion. (Oni ankoraŭ iafoje uzas la vorton *Helvetio* anstataŭ *Svisio*.)

Por *Nederlando* ne ekzistas alia eblo ol derivigi la regnanon el la lando per la sufikso *-an*. *Holando* estu prefere rezervata por la provinco.

Pri la nova regno loĝata de la gento ukrajna, oni konforme al la esperanta procedo, nomu la landon laŭ la gento. *Ukrajno, Ukrajnio*. Aliaj nove kreitaj nacioj *litova, ĉeĥoslovaka, jugoslava*, estas facile nomeblaj helpe de la sufikso *i*. Se oni uzas tiun ĉi sufikson, estus bone elekti anstataŭ *Est'* kaj *Let'*, *Eston'* kaj *Leton'*, el kiuj devenos *Estonio* kaj *Letonio*, pli internacie kompreneblaj ol estus *Estio* kaj *Letio*.

Ĝisnuna *Aŭstrio* konsistis el diversaj gentoj. Estis do tute ĝuste nomi la loĝantojn *Aŭstrianoj*. Sed, se estonte la nomo Aŭstrio rilatas nur al la germana parto, oni tiam povus nomi la regnanojn *Aŭstroj*. (Komparu: *Bavaro, Bavario*.)

En Azio, la plimultaj landnomoj estas formeblaj per la sufikso *i*. (*Arabo, Arabio; Armeno, Armenio; Perso, Persio; Japano, Japanio*.) Oni jam rimarkigis, ke la radiko *Ĉin'* estus pli bona ol *Ĥin'*.

En Afriko, la plimultaj nomoj estas geografiaj, ne gentaj; oni do uzu la sufikson *-an*. Ekz.: *Maroko, Marokano; Alĝerio, Alĝeriano; Sud-Afriko, Sud-Afrikano*; k. t. p.) La procedon kun *-i* oni povas uzi por *Egipto, Egiptio; Abiseno, Abisenio*.

Fine, la amerikaj kaj oceaniaj landnomoj ne havas gentan karakteron. Oni do diru *Argentino, -ano; Brazilo, -ano; Meksiko, -ano*, k. t. p.

Al la Esperanta sistemo de landnomado oni eble ripoĉos, ke ĝi bazas sur la ideo de gento, kiu, iam, pro la progresoj de internaciismo kaj kosmopolitismo, ne plu havos precizan rilaton kun la ideo de nacio. Tiel povos esti. Sed oni dume konstatu, ke ĝi ankoraŭ ludas tre grandan rolon en la homaj interrilatoj kaj ke ĝuste nun oni tendencas konstrui la nacion super la ideo de gento. Esperanto ne povas tute malatenti tiun fakton. Cetere, se iam la supre aludita eblaĵo realiĝus, oni povus ĝin esprimi en la internacia lingvo, uzante senescepte la sistemon kun la sufikso *-an*, (ekz. *Rusiano*, anst. *Ruso*) aŭ, kiel proponis D-ro Zamenhof, elektante por la landoj neŭtrale-geografiajn nomojn.

Fine ni devas antaŭrespondi al la eble formulota kritiko, ke la sufikso *-i* por landnomoj, kvankam tre bona en si mem, ne devas esti uzata, ĉar ĝi ne troviĝas en la Fundamento. Ke ĝi ne troviĝas en la Fundamento, tion neniu povas nei, sed la sufiksoj *-aĉ*,[1] *-ism* kaj amaso de novaj vortoj ne estas en la Fundamento kaj tamen estas ofte uzataj, ĉar ili respondas ĝeneralan bezonon. La Fundamento ne malpermesas la kreon de *novaj* sufiksoj, ne pli ol la kreon de novaj vortoj. Ĝi nur malpermesas, ke oni ŝanĝu la sencon de la ekzistantaj sufiksoj kaj vortoj, kaj faru rompon en la fundamentaj gramatikaj reguloj. Ni proponas ne la forigon de la sufikso *-uj*, kiu restu por la objektoj, sed nur ĝian uzon por nomi landojn. Cetere, la radikoj de la landnomoj tute ne troviĝas en la Fundamento, kaj ĝis kiam ekzistos oficiala listo oni rajtas ankoraŭ ŝanĝi la ĝis nun uzatajn vortojn.

Ni publikigas ĉi-sube liston de la ĉefaj landnomoj, laŭ la sistemo, kiun ni klarigis en la antaŭa parto. Nia gazeto de nun konformiĝos al tiu listo, almenaŭ ĝis aŭtoritata lingva institucio adoptos alian, kaj ni esperas, ke post kelktempa nia provo, la ceteraj gazetoj sekvos nian ekzemplon, tiel ke baldaŭ estu atingita la necesa unueco pri tiu punkto.

*Eŭropo*

| | | |
|---|---|---|
| Albanio | Francio | Nederlando (-ano) |
| Anglio | Germanio | Norvegio |
| Aŭstrio | Grekio | Polio |
| Belgio | Hispanio | Portugalio |
| Bohemio[1] | Hungario | Rumanio |
| Britio[2] | Italio | Rusio |
| Bulgario | Jugoslavio[4] | Svedio |
| Danio | Katalunio | Svisio |
| Estonio | Letonio | Turkio |
| Fin(n)lando[3] | Litovio | Ukrajnio |

*Azio*

| | | |
|---|---|---|
| Afganio | Hindio | Palestino (-ano) |
| Anamo (-ano) | Indoĉinio | Persio |
| Arabio | Japanio | Siamo (-ano) |
| Armenio | Kamboĝo (-ano) | Siberio[5] (-ano) |
| Beluĉio | Kaŭkazio[5] | Sirio[5] (-ano) |
| Ĉinio | Koŝinĉinio | Tonkino (-ano) |
| Filipinoj (-ano) | Manĉurio | |
| Gruzio (=Georgio) | Mongolio | |

*Afriko*

| | | |
|---|---|---|
| Abisenio | Kongio[7] (-ano) | Senegalio[7] (-ano) |
| Alĝerio[6] (-ano) | Liberio[6] (-ano) | Sudano (-ano) |
| Egiptio | Libio[6] (-ano) | Sud-Afriko (-ano) |
| Gvineo (-ano) | Maroko (-ano) | Tunizio[6] (-ano) |
| Kameruno (-ano) | Nigerio[7] (-ano) | |

*Ameriko*

| | | |
|---|---|---|
| Argentino (-ano) | Honduraso (-ano) | Paragvajo (-ano) |
| Bolivio[6] (-ano) | Kanado (-ano) | Peruo (-ano) |
| Brazilo (-ano) | Kolombio[6] (-ano) | San-Domingo (-ano) |
| Ĉilo[8] (-ano) | Kosta-Riko (-ano) | San-Salvadoro (-ano) |
| Ekvadoro (-ano) | Kubo (-ano) | Urugvajo (-ano) |
| Gvatemalo (-ano) | Meksiko (-ano) | Usono[9] (-ano) |
| Haitio[6] (-ano) | Nikaragvo (-ano) | Venezuelo (-ano) |

*Oceanio*

| | | |
|---|---|---|
| Aŭstralio[6] (-ano) | Nov-Kaledonio (-ano) | Polinezio[6] (-ano) |
| Nov-Gvineo (-ano) | Nov-Zelando (-ano) | |

* * *

La nomoj de *provincoj* kaj *landpartoj* ne fundamente diferencas de la landnomoj. La samaj procedoj estas do aplikeblaj al ili. Ni ne opinias, ke ĉiuj tiaj nomoj devas esti Esperantigataj. Oni traduku nur tiujn, kiuj, pro sia historia aŭ geografia graveco, jam estas tradukitaj en la diversaj naciaj lingvoj. Ekzemple, ŝajnas al ni senutile

[1] Ekzemple Prof. Cart uzis la sufikson *aĉ*, eĉ en lernolibroj, longe antaŭ ĝia oficialiĝo. (*Red.*)

[1] Bohemio povas esti ankaŭ nomata Ĉeĥoslovakio. Bohemoj mem decidu, kiun nomon ili preferas.

[2] Britio konsistas el Anglio, Kimrio, Irlando, Skotlando.

[3] La nomo de la loĝanto estas Fin(n)o. Oni lasas la finiĝon -land', ĉar ĝi estas tute internacia. Ŝajnas al ni ne necese konservi la duoblan n pro timo de konfuzo kun la ordinara radiko fin'.

[4] Jugoslavio konsistas el Serbio, Kroatio, Slovenio, loĝataj de Serboj, Kroatoj, Slovenoj.

[5] En Kaŭkazio, Siberio, Sirio, i estas parto de la radiko, ne sufikso; do la loĝantojn oni nomu Kaŭkazianoj, Siberianoj, Sirianoj, ĉar ne ekzistas gento Kaŭkaza, Sibera kaj Sira.

[6] En Alĝerio, Liberio, Libio, Tunizio, Bolivio, Haitio, Kolombio, Aŭstralio, Polinezio, i estas parto de la radiko.

[7] Utile estus distingi la landon je la rivero per la sufikso i. Kongo, Nigero, Senegalo estus la nomo de la rivero, Kongio, Nigerio, Senegalio la nomo de la lando, Kongianoj, Nigerianoj, Senegalianoj la nomo de la loĝantoj.

[8] Hispane, oni nomas la landon Chile kaj la loĝanton Chileno. Tial la formo Ĉilo, -ano ŝajnas preferinda ol Ĉilio, -ano.

[9] El la komencaj literoj de la vortoj „United States of Nord-Amerika“ oni formis „Usona“, kiun oni proponis por nomi mallonge la Unuigitajn Ŝtatojn de Nord-Ameriko. Laŭ nia scio, tiu esprimo ne sukcesis sin trudi en la lando, por kiu ĝi estas kreita. En Esperanto la sukceso estis pli granda. El Usona oni faris Usono, kiu estas ofte uzata. Ĝi estas pli oportuna ol Unugitaj Ŝtatoj, kaj Usonano estas pli preciza ol Amerikano aŭ Nord-Amerikano.

Esperantigi la nomojn de la Anglaj graflandoj, de la Francaj departementoj, de la Usonaj ŝtatoj, kiuj havas ĉefe nacian intereson kaj estas ne ofte uzataj de la fremduloj. Sed oni povas traduki la nomojn de la grandaj regionoj de Francio, Germanio, Hispanio, Italio k. t. p. kiuj ludis gravan historian rolon, eĉ iam estis memstaraj landoj, kaj estas pli-malpli internacie konataj. Por la nomoj, kiuj havas geografian karakteron, oni devenigu la nomon de la loĝanto per almeto de la sufikso *-an* (Ekz.: *Badeno, Badenano; Galicio, Galiciano; Kastiljo, Kastiljano; Piemonto, Piemontano; Sicilio, Siciliano,* k. t. p.) Por la nomoj, kiuj havas gentan karakteron, oni uzu la sufikson *-i*. (Ekz.: *Bavaro, Bavario; Sakso, Saksio; Kimro, Kimrio; Bretono, Bretonio,* k. t. p.) Sed ĉar plej ofte la gentaj nomoj de provincoj aŭ landpartoj ne plu respondas al nuntempa realaĵo, ŝajnas al ni utile rezervi la gentan radikon al la antikva gento kaj nomi la nunajn loĝantojn per la sufikso *-an*. Ekz.: *Makedono* estus la nomo de la antikva gento, *Makedonio* la nomo de la lando, kies nunaj loĝantoj, kiuj ja apartenas al malsamaj gentoj, estus nomataj *Makedonianoj*. Tiel same oni havus: *Burgono, Burgonio, Burgoniano; Dalmato, Dalmatio, Dalmatiano; Iliro, Ilirio, Iliriano; Liguro, Ligurio, Liguriano; Lombardo, Lombardio, Lombardiano, Normando, Normandio, Normandiano;* k. t. p.“ *H. H.*

Tiun eksperimenton de H. Hodler mi ne aprobis kaj eĉ malkaŝe malkonsilis al li. Ankaŭ mi opinias, ke la tuta afero pri „decido de la L. K.“ ne estas tiel klara kiel li ĝin prezentis al si, ankaŭ ne kiel D-ro Corret imagas. Tiu ĉi raporto ja montras la neklaran staton de la tuta afero. Sed pri la *rajto* kaj *bonintenco* de Hodler neniu povas dubi.

Tial mi sentis veran devon lin defendi kontraŭ la nejustaj atakoj, ĉefe post lia morto. La akreco de tiuj atakoj min profunde indignis, ĉar neniu, malpli ol li, deziris rompi la Fundamenton.

Baldaŭ la plimulto de niaj esp. gazetoj kaj la plej gravaj uzis *-ion* kaj lernolibroj, eĉ vortaroj (lastatempe: Futcher & Long, granda angla-esp.) konstatas tiun formon apud la aliaj. Ĝi rapide eniĝis en la vivon per uzado kaj eĉ al tiuj, kiuj ne ŝatis *-ion* (kiel mi mem pro ĝia sono) montriĝis la fakto, ke ĝi vere respondas efektivan bezonon al unueco, reguleco kaj internacieco. Mi do respektis la liberecon de la oficistoj de UEA kaj de niaj kunlaborantoj ĉe „Esperanto“ fidele sekvi la Hodleran tradicion. Ankaŭ la miloj da korespondaĵoj alvenantaj Ĝenevon portas grandplimulte la formon *io-*.

Ŝajnis, ke ne politika pasia batalo taŭgas tiam, sed zorga studado de la tuta afero kaj trovo de taŭga solvo por ĉesigi la disputon. Tiuj gazetoj, kiuj ĉesis uzi *-io* tion faris nur pro insistaj leteroj de nia fervorega nuna Prezidanto kaj la Akademia malkonsilo, iom rapide voĉdonita de la plimulto laŭ lia arda instigo. Sed sian opinion pri la novaĵo mem ili ne ŝanĝis. Ĉiuj atendas seriozan ekzamenon de la tuta afero.

Al la argumentoj de D-ro Corret tiu ĉi raporto respondas sufiĉe klare, ke formoj kiel *Estonio* aŭ *Germanio* ne estas kontraŭfundamentaj kaj neniam estis konsiderataj tiaj de Zamenhof aŭ Boirac. (Same pri *Germanlando*, kiu ankaŭ ne troviĝas en la Fundamento kaj tamen neniam estis atakata.)

Ili estas internaciaj radikoj kiel *astronomio* aŭ *filozofio*, kaj vere ĝi estus iom ridinde pretendi, ke *filozofio* signifas „io filozofa“ kaj *Estonio* „io estona“.[1] Ankaŭ la argumentado de D-ro Corret pri la „decido“ de 1910 ne povas trafi, ĉar ĝi ne estas konforma al la faktoj. Lingva fanatikeco estas kontraŭa al scienco kaj al naturvivo. En tiu ĉi okazo ĝi estis eĉ kontraŭa al la aŭtoritateco de la Akademio, kiu videble suferis de la troa fervorpartia sinteno de kelkaj el ni, kiuj donis la impreson, ke ili ne kontraŭbatalas ĉar novaĵo estas kontraŭfundamenta, sed trovas ĝin kontraŭfundamenta, ĉar ili ĝin kontraŭbatalas.

Neniu kritikis formojn kiel Bolivio, Estonio, Slovakio, Serbio, Aŭstrio, kiuj aperis en Oficiala Gazeto. La tuta disputo rilatas nur al 10 ĝis 12 nomoj entute, kiujn oni kutimis vidi kun -ujo (ĉefe Francio, Anglio, Danio, Svedio, Hispanio, Germanio, Belgio).

Por atingi finon dela tuta afero kaj provi kontentigon de la diversaj deziroj, mi prezentas al la Akademio kaj al L. K. la sekvantan proponon petante formalan voĉdonon:

**„La L. K. konstatas ke ekzistas en la Fundamenta Zamenhofa Esperanto tre diversformaj landnomoj laŭ modeloj Rusujo, Finnlando, Bolivio, Kanado, k. t. p. sed ke plena unueco ne estas facile atingebla, ĉar tio devigus ŝanĝon de multaj radikoj. Tamen pli da ordo kaj reguleco estas dezirindaj.**

**Tial la L. K. rekomendas ĝeneraligon de la principo Boirac: Transskribante landomojn en Esperanto oni ĉiam preferu internacian kaj klaran nomon de la terloko sen iu ajn speciala sufikso, nur zorgante, ke oni ne povu konfuzi tiun nomon kun tiu de gento (Ekz. *Franco* ne povas samtempe nomi landon kaj popolanon).**

**Tiel oni ricevas jenan liston: Eŭropo, Usono, Meksiko, Peruo, Ĉilo, Kanado, Ĉilo, Nederlando, Finlando, Islando, Irlando, Ruslando, Svislando, Greklando, Skotlando, Polando, Novzelando, Oceanio, Siberio, Bolivio, Estonio, Italio, Francio, Germanio k. t. p. La nomojn de loĝantoj oni formas per sufikso *-ano*. Kiam ekzistas aparta gento aŭ nacio, tiam speciala radiko nomas la homon. Same kiel oni havas *filozofo* apud *filozofio*, *astronomo* apud *astronomio*, tiel same oni havas *Slovako* apud *Slovakio*, *Skoto* apud *Skotlando* kaj oni povas, se oni deziras, distingi inter *Ruso* kaj *Ruslandano* aŭ *Italo* kaj *Italiano*, la popolano kaj la simpla regnano eble aligenta. Ankaŭ oni povas distingi inter Turkio, la regno, kaj Turkujo, la etnografia regiono, kie loĝas Turkoj.“**

Tiel, nenion rompante en nia lingvo kaj konservante ĉiujn malnovajn radikojn, oni tamen ebligas iom-post-ioman laŭvolan alproksimiĝon al la idealo de D-ro Zamenhof, kiu deziris ke iam la homoj ĉesu sin konsideri kiel Poloj kontraŭ Germanoj, Rusoj kontraŭ Turkoj, sed simple ĉiuj kiel homoj egale ĉu Turkianoj, ĉu Ruslandanoj, Parizanoj aŭ Amerikanoj pro geografia regnaneco. Tial nia Majstro proponis finiĝon *i* jam en sia broŝuro homarana. Li insistis pri la danĝero konsideri regnon kiel ujo de unua gento, kie aligentanoj devas senti sin fremdaj. La du finiĝoj *-land* kaj *-i* ne bezonas esti sufiksigitaj. Ili estas jam tute internaciaj kaj ŝajne neniu el ambaŭ povos iam forigi la alian. Certe estus dezirinde, ĉefe pro la ne-eŭropaj popoloj, ke oni povu atingi reguligon pri *diplomato, diplomatio; astronomo, astronomio; geologo, geologio,* kaj ĉiam havi radikojn kiel *farmac'* apud *farmacio*, *stenograf'* apud *stenografio* por eviti malbelajn *-iistojn* sed tio jam apartenas al alia kampo ol landnomoj, kaj alia studo devus esti farata pri tiu temo, Kiu ĝin entreprenos?

*Edmond Privat.*

[1] En letero al „Internacia Komerca Revuo“ Prof. Cart koofesas, ke „. . . oni“ rajtas diri internacie Italio, Germanio, kaj ni ne povas nei, ke la rajton vi havas laŭ § 15 (de la Zamenhofa Fundamento).

## Propono de neologismoj

*presti*

**presti:** lat. *praestare*, it. *prestare*, germ. *leisten (prästieren)*, hisp., port. *prestar* = fari, kion oni ŝuldas. — **presto** *(prestado)*: lat. *praestatio*, it. *prestazione*, germ. *Leistung*, *Prästation*, franc., angl. *prestation*, port. *prestação*, hisp. *prestación* = faro (farado) de tio, kion oni ŝuldas.

Apliko: La kreditoro rajtas postuli, ke la ŝuldanto *prestu*. Objekto de ĉiu ŝuldo estas ia *presto*. La *presto* povas esti pozitiva aŭ negativa laŭ tio, ĉu ĝi konsistas en farado aŭ ne-farado (malfarado, tolerado). Per kontrakto pri dungo la dungato ŝuldigas sin *presti (-adi)* iajn servojn kontraŭ *presto (-ado)* de fiksita monpago. Se mi kontraktis kun mia najbaro, ke li lasu min ĉasi dum du monatoj en sia arbaro kontraŭ pago de 800 florenoj, tiam li *prestas* per tio, ke li toleras t. e. **ne** malebligas aŭ eĉ ne malhelpas mian ĉasadon. El tio evidentiĝas, ke *presti* ne egalas *fari*. Ankaŭ *plenumi, plenumo* (lat. *solvere, solutio*, it. *adempiere, adempimento,*

germ. *erfüllen, Erfüllung*, franc. *exécuter, exécution*, angl. *fulfil, perform, fulfilment, performance)* estas io alia ol *presti, presto*. Oni *plenumas* devon, kondiĉon, kontrakton per *presto*, do oni *prestas* **por** *plenumi*. La *plenumo* estas celo kaj konsekvenco de la *presto*. — Kiu *prestis* ion, kion li ne ŝuldis, regule rajtas repostuli la *prestitaĵon*. — Ŝuldo estas *prestodevo* aŭ *prestidevo*. La *prestanto* estas liberigata (liberigas sin, liberiĝas) de sia ŝuldo per sia *presto*. Prunteprenintо de monsumo ŝuldas kiel *ĉefpreston* la redonon de la kapitalsumo kaj eventuale kiel *akcesoran preston* la pagon de interezoj (rento). — *Prestobjekto (prestaĵo); prestlokoprestotempo, prestprokrasto, prestakcepto, prestrifuzo, prestpro, meso k. a.*

*preskripto — usukapo.*

La latina verbo *praescribere* signifas *antaŭ-skribi, antaŭe-skribi* kaj la substantivo *praescriptio* = *antaŭskribo, -skribaĵo, antaŭmetita frazo* kaj speciale = *frazo metita antaŭ la formulo*, kiun uzis la plendanto en la roma formulproceso. En antikva tempo tia antaŭfrazo („*praescriptio pro reo*") povis enhavi *kontraŭdiron* („*exceptio*") kontraŭ la kondamno celata per la plendo („*actio*"), do *praescribere, praescriptio* havis ankaŭ la signifon de *excipere, exceptio* = *escepti (-o) de kontraŭdiri (-o) al la kondamno*. Plian specializon de la vorto *praescriptio* kaŭzis ĝia uzateco precipe por tiu kontraŭdiro, ke *per paso de (leĝe difinita) tempo* la plendanto *perdis* sian *postulrajton* aŭ ke la plendato *per longtempa posedo (uzo) akiris* la *rajton* pretendatan de la plendanto („*praescriptio longi temporis* sen *possessionis*"); kaj pli malfrue tiu ĉi termino signifis ne nur tian kontraŭdiron, sed eĉ mem la *perdon de neuzita postulrajto* aŭ la *akiron de rajto aliula per tempopaso*. En tiu ĉi signifo ĝi transiris en ĉiujn latinidajn lingvojn. — Por apartigi la du malajn signifojn de *praescriptio* la juristoj mezepokaj diferencigis inter *praescriptio extinctiva* (= *estinga, rajtperdiga)* kaj *praescriptio acquisitiva* (= *akira rajthaviga)*. Tamen, uzante la vorton *praescriptio* **sen** atributo, oni per tio nomis preskaŭ ĉiam nur la „estingan" specon,[1] dum por la „akira" ekzistis krome la pli klara termino „*usucapio*" (= *preno, akiro per uzo)*, kiu ekzistas ankaŭ en la latinidaj lingvoj (vidu malsupren).

En Esperanto mankas ĝis nun taŭga termino por ĉi tiu grava jura institucio. La en vortaroj proponita *rajtoperdiĝo* estas 1e multe tro vastsenca kaj 2e ne tute ĝusta, ĉar 1e rajtoj perdiĝas (pereas) ankaŭ pro diversaj aliaj kaŭzoj, ekz. morto de la rajtulo (fruktuzorajto), pereo de la rajtobjekto (proprec-rajto); plenumo de ŝuldo, neebliĝo de plenumo (postul-rajto) k. m. a. kaj 2e per paso de fiksita tempo regule ne perdiĝas la postulrajto mem, sed nur la eblo, devige plenumigi la postulon per plendo. Do mi proponas por tio la akcepton de la vorto **preskripto, preskriptiĝi,** *preskriptita*, kiu estas sufiĉe internacia (lat. *praescriptio, praescribi, praescriptus*; it. *prescrizione, prescriversi, prescritto*; franc. *prescription, se prescrire, prescrit*; port. *prescripção, prescrevér, prescripto*; hisp. *prescripción, prescribir, prescrito*; angl. *(negative) prescription [superannuation], to become superannuated*; germ. *Verjährung, [sich] verjähren, verjährt)*.

La formo *preskribi* estis jam uzata ankaŭ de D-ro Zamenhof en la senco de *ordone montri* (angl. *prescribe*, franc. *prescrire*, germ. *vorschreiben* k. t. p.) La ankaŭ ebla formo *preskripcio (preskripcii)* estas malpli bonsona. Eble oni povas uzi tiun ĉi radikon por nomi la **tutan** institucion de rajt-aliiĝo (perdo **kaj** akiro) per tempopaso = *praescriptio, prescription* k. t. p, *Verjährung* en pli vasta senco.

Ankaŭ por la „*pozitiva* aŭ *akira preskripcio*" mi proponas neologismon, nome la laŭlatinan vorton **usukapi, usukapo,** kiu estas konata de la juristoj en la pli multaj eŭropaj landoj (lat. *usucapere, usucapio*; it. *usucapire, usucapione*; franc. *usucapian*; port. *usucapir; usucapião*; hisp. *usucapir, usucapión*; angl. *usucapt [to acquire by long possession], usucaption*; germ. *ersitzen, Ersitzung [Usukapion]* —). Pure esperantaj formoj, kiaj *uzokapto, uzakiro, posedakiro* k. s. aŭ parafrazoj, kiaj *rajtakiro per longa (daŭra) posedo (uzo)* aŭ *per tempopaso (paso de longa tempo)* k. s. estas aŭ neĝustaj aŭ neklaraj aŭ maloportunaj.

Aplikekzemploj: Laŭ roma juro regule ĉiuj plendrajtoj *preskriptiĝis* post 30 jaroj. La saman *preskriptotempon* havas la germana juro kiel regulan. Kelkaj rajtoj (ekz. el familiaj rilatoj) estas *ne preskripteblaj*. En Anglio ekzistas leĝo pri *preskripto* („*statute of limitation*"). Ankaŭ publikaj rajtoj povas *preskriptiĝi* ekz. la rajto de la ŝtato persekuti kaj puni krimulon. Ŝuldo *preskripti(ĝin)ta*. Per prezento de la plendo la *preskripto* estas interrompata (ĉesigata). — La *usukapo* laŭ roma juro havis 5 premisojn. Ŝtelitaj aĵoj ne estis *usukapeblaj*. Estas necese, ke la *usukaponto* dum la *usukaptempo* ne sciu, ke la *usukapota aĵo* ne apartenas al li. La rajto pri la *usukapita* aĵo transiras per la *usukapo* al la *usukapinto*.

*Walter Lippmann.*

[1] Same ekz. la svisaj leĝoj havas **simplan** *prescription, prescrizione (Oblig. Kod. 127)* por la **perdiĝo** de postulrajtoj per tempo (germ. *Verjährung)* kaj *prescription* **acquisitive,** *prescrizione* **acquisitiva** *(Kod. Civ. 728)* por **akiro** de rajto per tempo (germ. *Ersitzung)*.

## Pri „sia" kaj „lia"

Jen teksteto, kiu interesos la samideanojn, kiuj, kiel mi, okaze sin demandis, kial Zamenhof komplikigis la lingvon per „sia" kaj „lia". El „Le Journal": La franca akademio sendis la jenan leteron:

„L'Académie exprime à M. Paul Deschanel les regrets que *lui* inspire l'état de *sa* santé et *lui* adresse tous *ses* vœux pour *son* prompt et complet rétablissement." — Die Akademie drückt Herrn Paul Deschanel ihr Bedauern über den schlechten Zustand seiner Gesundheit aus und sendet ihm ihre (besten) Wünsche für seine baldige und vollständige Genesung.

Jam pli klara, dank' al la ina sekso de Akademie.

„La Akademio esprimas al S-ro De. la bedaŭron, kiun inspiris al ĝi lia malbona sanstato kaj sendas al li (ĉiujn) siajn bondezirojn por lia rapida kaj plena resaniĝo." *St.*

## Alvoko de D-ro Leono Zamenhof

.·. *Esperanto en la milito.* La plej bona propagandilo de Esperanto estas pruvoj de ĝia adapteco kaj utileco en la vivo. La pasinta milito donis al ni en tiu ĉi direkto multon da ekzemploj. Tra la sufoka atmosfero de homa malamo, tra la bruo de fratmortigaj krioj ne unu fojon aperis antaŭ la militintoj Esperanto kun sia milda vizaĝo kaj ne unu fojon sendolorigis la kruelajn vundojn de malfeliĉaj batalintoj. La rememorigo de tiuj ĉi belaj momentoj estos plej bona pruvo, ke Esperanto malgraŭ tre malfavoraj kondiĉoj plenumis sian grandegan destinon rilate la homaron. Sed por ke la faktoj parolu por si mem, ili devas esti orde kolektitaj. Dezirante preni sur min la ordigon de tiuj ĉi faktoj, mi petas ĉiujn Esperantistojn, kiuj povas liveri al mi iajn ajn sciigojn koncerne tiun ĉi temon, sendi ilin sub mia adreso (Varsovio, str. Marszalkowska 125). La faktoj devas esti priskribitaj kun ĉiuj celaj detaloj, povantaj pruvi ilian aŭtentikecon. Mi esperas, ke neniu Esperantisto rifuzos doni al mi la necesajn posedatajn de li sciigojn, kiuj por nia komuna afero havas grandegan valoron.

D-ro *Leono Zamenhof.*

Ĉiuj esperantaj gazetoj estas petataj represi ĉi tiun alvokon.

## *Al niaj legantoj*

*Nia proksima N-ro julio/aŭgusto aperos la 5 julio. Ni tre petas la organizantojn de antaŭ- kaj postkongresoj sendi al ni siajn lastajn informojn antaŭ la 15 junio.*

* * *

*Al tiu ĉi N-ro estas aldonata cirkulero de inĝeniero J. Rieger en Brno pri logaritma kalkulilo, kiun ni rekomendas al niaj legantoj.*

# XIII-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO EN PRAHA (Ĉeĥoslovakio)

**31 julio ĝis 6 aŭgusto 1921**

**Je la 31 majo aliĝis 1350 personoj! (Red.)**

*Naŭa Komuniko*

**Sinjorino Clara Zamenhof** estis invitita de la Loka Kongresa Komitato kiel honora gasto de la XIIIa. D-ro L. Zamenhof, frato de la majstro, aliĝis al la XIIIa.

**Honora protektanto** de la Kongreso fariĝis *ĉeĥoslovaka registaro* per sia decido de la 23 marto 1921.

**Subkongreso de sennaciuloj,** aranĝata de la Liberiga Stelo sub la honora prezido de Henri Barbusse. Informoj ĉe „Liberiga Stelo", Paris XX, 23, rue Boyer.

**Fakaj kunvenoj.** — Adresoj de la organizantoj: *Arĥitektoj:* S-ro Génermont, Moulins, 11, place de la République; *ĉastemuloj:* S-ro Roskes, Hago, v. Loostr. 68; *fervojistoj:* F-ino Dlouhá, Praha, Wilsonovo n.; *filatelistoj:* S-ro Fleischer, Praha IV, Na valech 278; *framasonoj:* S-ro Faulhaber, Amsterdam, Bergerstr. 103; *hebreaj nacianoj:* S-ro Heller, Litoměřice (Ĉeĥoslovakio); *instruistoj:* F-ino Šupichova, Praha II, Malá Štěpánská 6; *ĵurnalistoj (verkistoj):* S-ro Weiner, Praha „Tribuna"; *katolikoj:* S-ro Zelenka, Praha, Liboc 113; *komercistoj:* S-ro D-ro Unger, Zürich 6104; *kristanoj:* S-ro Tutsch, Praha II, Y. M. C. A.; *kuracistoj:* MUDr. Bischitzky, Praha I, Mikulášská 12; *liberpensuloj:* S-ro Hromada, Praha VII, Sochařská 333; *anoj de malgrandaj nacioj:* Prof. Fridrich, Brno, Královo pole; *oficistoj:* S-ro Oberrotmann, Warszawa, Krak. Przedm. 10; *pacifistoj:* F-ino Moudra, Praha II, Malá Štěpánská 6; *poŝtoficistoj:* F-ino Hemerova, Praha-Karlin, Vitkoya 2; *psiĥistoj (spiritualistoj):* S-ro Sklenčka, Hradec Králové, Zivnobanka; *ruĝa kruco:* S-ro Kraus, Praha I, Ul. Karoliny Světlé 21; *sciencistoj:* D-ro Kamaryt, Bratislava, Tělocvičná 3; *skoltoj:* S-ro Pitlík, Praha III, Nerudova 40; *socialistoj:* S-ro Sídlo, Praha VII, Ovenecka 376; *studentoj:* S-ro Lukáš, Praha II, Jenstejnská 1; *ŝakludantoj:* S-ro Hájek, Praha-Nusle 396; *teozofanoj:* S-ro Cimr, Praha II, Krakovská 17; *vegetaranoj:* S-ro Tutsch, Praha Y. M. C. A.; *virinoj:* F-ino Nesměrákova, Praha-Vršovice, Barákova 174. *La interesuloj pri la fakaj kunvenoj sin turnu rekte al la organizantoj!*

**Kotizo.** — Vidu la VIIa komunikon! La kotizaĵoj, sendotaj post la 1 junio altiĝas je 50 %. Krom la jam en la VIIa kaj VIIIa komunikoj menciitaj pagis la sekvantaj numeroj: 1—4, 6, 7, 9, 32, 35, 48, 49, 57—59, 66, 81, 83, 84, 88, 102, 104, 109, 124, 153, 157, 170, 184, 185, 206—212, 255, 310, 311, 337—340, 346, 349—363, 366—381, 406—426, 428—456, 458—464, 466—474, 481—483, 486—498, 500—507, 510, 511, 513—516, 518—532, 537, 541—543, 556—572, 576—585, 587—602, 604, 607—688, 701—706, 708—716, 720—737. La pagintoj ricevos post la 1 junio la *kongreskartojn* por uzi ilin ĉe la ĉeĥoslovakaj eksterlandaj kaj enlandaj oficejoj.

**Aliĝoj.** — La nomo de la urbo de la *kune* aliĝintoj troviĝas ĉiam ĉe *la lasta!*

381. S-ro Parizek, Uzok (anstataŭ S-ro Sappl 128!); 406. S-ino Ouhlehlová, Skrivany; 407. S-ro Hes; 408. S-ro Interholzinger, Plzen; 409. S-ro Dolansky, Nyrany; 410. S-ro Tichota, Dolany; 411. S-ro Bouček; 412. S-ro Jar. Demut; 413. S-ro Jos. Demut; 414. S-ro Hovorka; 415. S-ro Bláha; 416. S-ino Würflová; 417. F-ino Hladká; 418. F-ino Honzova, Plzen; 419 S-ro Zika, Klabava; 420 kaj 421. Ges-roj Cerny; 422. F-ino Holubova; 423. F-ino Melkova, Plzen; 424. S-ro Svetolík, Pirot; 425—426. Ges-roj Sembera, Brno; 427. S-ro Kaplan, Bialystok; 428. S-ro Koc; 429. F-ino Tyšerova, Plzen; 430. S-ro Heinze, Oberlössnitz; 431. S-ro Löffler, Radebeul; 432. S-ro Schlag, Kötzchenbroda; 433. S-ro Barthelmus, Düsseldorf; 434. S-ro Radó, Lučenec; 435. S-ro Hönigsberger, Nürnberg; 436. S-ro Gili, Sarria; 437. D-ro L. Zamenhof, Warszawa; 438. S-ro Svingr; 439. S-ro Vyhnal, Cehnice; 440. F-ino Hájkova, H. Briza; 441. S-ro Eiselt, Vinohrady; 442. S-ro Riedl, Nová Paka; 443. F-ino Tonkova, Jilemnice; 444. S-ro Červeny, Starkoč; 445. S-ino Raichlová, Dobré; 446. F-ino Lieblova, Plzen; 447. S-ro Kratochviela, Seredi; 448. S-ro Knopf, Beuthen; 449. S-ro Bredall, Croydon; 450. S-ro Dufrenne; 451—452. Ges-roj Donker, Amsterdam; 453. S-ro Gaševski; 454. S-ro Fandekov, Sofia; 455. S-ro Stojan Terzew, Grančar; 456. S-ro Schmidt, Nové Zamky; 457. S-ro Kozirev, Moskva; 458. S-ro Forejt; 459. F-ino M. Laiblova; 460. F-ino R. Laiblova, Doubravka; 461. S-ro Glöckner, Freiberg; 462. F-ino Sloun, S. Francisco; 463. S-ro Kurjanski, Bialystok; 464. S-ro Hronek, Slany; 465. S-ro Sperling, Niedersedlitz; 466. S-ro G. Mahn; 467. S-ro A. Mahn; 468. S-ro Pohl; 469. S-ro Schwaiger, Berlin; 470. S-ro Küssner, Delitzsch; 471. S-ro Walther, Magdeburg; 472. S-ro Mawbey, Johannesburg; 473. F-ino Macfarlane-Partik, Glasgow; 474. S-ro Wüster, Berlin; 475. S-ro Gunia; 476. S-ro Zajíc, Prívoz; 477. F-ino Holec; 478. S-ro Benisch, M. Ostrava; 479. S-ino Baroch, S. Ostrava; 480. S-ro Janík, Vítkovice; 481. S-ro David, Liberec; 482—483. Ges-roj Stratil, Bratislava; 484. S-ro Braschke, Breslau; 485. S-ro Phee, Glasgow; 486. F-ino Smulders, Vught; 487—488. Ges-roj Brantjes, Hertogenbosch; 489. S-ro Santamaria; 490—491. Ges-roj Acha, Bilbao; 492. S-ro Šolta, Berunice; 493. S-ro Dubny, Orlová; 494. S-ro Vesely, Vichová; 495. S-ro Papica, Mezice; 496. S-ro Urban, Litovel; 497. S-ro Kolaček; 498. S-ro Maly, Jilemnice; 499. S-ro Pfennigwerth, Hirschfelde; 500. F-ino Šupichova; 501. F-ino Moudrá; 502 F-ino Dlouhá; 503. S-ro Dejmek; 504—506. Familio Novák; 507. D-ro Kohout, Praha; 508. S-ro Bernhard, München; 509. S-ro Boschan, Praha; 510. F-ino Lonštákova; 511. F-ino Dočkalova, Prostejov; 512. S-ro Rippl, Hardes; 513. F-ino Jiroutova, Moravany; 514. S-ro Drechsler, Dresden; 515. S-ro Steche, Leipzig; 516. S-ro Rösch, Radebeul; 517. S-ro Schamanek, Wien; 518. F-ino Koekebakker; 519. F-ino Groenendijk, Amsterdam; 520. S-ro Halbedl, Graz; 521. F-ino Boström; 522. S-ro Skog, Gävle; 523. S-ro Brablec; 524. F-ino Brablecova, Kunštát; 525—526. Ges-roj Ravestein, Hago; 527. S-ro Despeyroux, S. Genis Laval; 528. F-ino Vilario, Barcelona; 529. S-ino Umanski, Genève; 530. S-ro Yppen, Düsseldorf; 531. S-ro Pilc, Czenstochova; 532. S-ro Rippel, Würzburg; 533. S-ro Mader; 534. S-ro Bartel; 535. F-ino Thumpach; 536. S-ro Wallner, Graz; 537. S-ro Wenig, Mecholupy; 538. S-ro Mergel, Warszawa; 539. S-ro Pech; 540. S-ro Kleich, Zittau; 541—542. Ges-roj Kratochvíl, Smíchov; 543. F-ino Príhoda, Dvur K.; 544. S-ro Bock; 545. F-ino Bock; 546. S-ro Mezník; 547. F-ino Mezník; 548—549. Ges-roj Huppert; 550—551. Ges-roj Frankel; 552. S-ro Synek; 553. S-ro Bienenstoch; 554. S-ro Teichmann; 555. S-ro Gogolka, Bielitz; 556. S-ino Janečková, Vítkovice; 557. F-ino Becker; 558. F-ino Krefft, Breslau; 559. S-ro Mangada, Jaca; 560. S-ino Čermáková, Usti n. Orl.; 562—563. Ges-roj Streloc, Bískovice; 564. F-ino Klusalova, Fryšták; 565. F-ino Fojtova, Bystrice p. H.; 566—569. Familio Kubásek, Plzen; 570. D-ro Drtina, Beroun; 571. S-ro Kroutl, C. Budejovice; 572. S-ro Tokar, Vítkovice; 573. D-ro Edmond Privat, Genève; 575. S-ro Carles, Béziers; 576. S-ro Prats, Tarrasa; 577. F-ino Wagemaher, Rotterdam; 578. S-ro Hába, Vízovice; 579—580. Ges-roj Balák, Husovice; 581. S-ro Grohmann, Georgswalde; 582. S-ro Kirchhübel, Ebersbach; 583. S-ro Göhl, Neugersdorf; 584—585. Ges-roj Aron, Königsberg; 586. D-ro Classberg, Kraków; 587—588. Ges-roj Mráz, Trenčín; 589—590. F-inoj M. E. Kopecká; 591. S-ro Strnad; 592. S-ro Tuček; 593. F-ino Vlčkova; 594. S-ro Vosecky; 595. F-ino Weigeltova; 596. S-ro Dobeš; 597—598. Ges-roj Janda; 599. S-ro Fábera; 600—601. Ges-roj Hromada, Praha; 602. S-ro Schumm, Schweinfurt; 603. S-ro Jungfer, Lübben; 604. S-ro Alings, Amersfort; 605. F-ino Kennedy; 606. S-ro Kennedy, Glasgow; 607. F-ino Hrbáčkova, Zlín; 608. D-ro Dietterle, Leipzig; 609. S-ro Panler; 610. S-ino Markus; 611. S-ro Zevach; 612—613. Ges-roj Steinhauer; 614. S-ro Sinék; 615. S-ino Malá; 616. S-ro Zoubek; 617. S-ro Deistler; 618. S-ro Siedl; 619. S-ro Schicketanz; 620. F-ino Schicketanz; 621—622. Ges-roj Krieger; 623. S-ro Bischof; 624. S-ro Berman; 625. S-ro Jokl; 626—627. Ges-roj Sussmann, Wien; 628—629. F-inoj B. R. Schwarcova, Smíchow; 630. F-ino Lukešova, Bubeneč; 631. S-ro Kok, Rotterdam; 632. S-ro Hartman; 633. S-o Langer; 634. S-ro Stankiewicz, Warszawa; 635. S-ro Clavenna; 636. S-ro Rodolfi; 637. F-ino Tegoni; 638—639. S-ino kaj F-ino Imperiale, Sampierdarena; 640. S-ro Jiresch, Neu-Sednitz; 641. S-ro Pöcke; 642. S-ro Lehnert; 643. S-ro Lorenz; 644. S-ro Walter; 645. S-ro Richter; 646. S-ro Seidl; 647. S-ro Müller; 648. S-ro R. Storch; 649. S-ro F. Storch; 650. F-ino Lustinetz; 651. F-ino Fiedler; 652. F-ino Ahne, Krochwitz; 653. S-ro Vosáhlo; 654. S-ro Ludvík; 655. F-ino Mersičova; 656. S-ino Pemlová, Prelouč; 657. S-ro Mašek, Stupno; 658. F-ino Marelova, Slavonov; 659. S-ro Matouš, Č. Budejovice; 660. S-ro Aišman, Plzen; 661. F-ino Veselá, Josefov; 662. S-ro Kohn, Plzen; 663. S-ro Paša; 664. F-ino Míčkova, Hrušov; 665. S-ro Bohutinsky; 666. F-ino Mráčkova; 667. F-ino Plzenska; 668. F-ino Heppnérova; 669. S-ro Vondruška; 670. S-ro Šilha; 671. F-ino Kubíkova; 672. F-ino Vojtova; 673. F-ino Storchova; 674. S-ino Kostínková; 675. F-ino Fialova; 676. F-ino Vycpálkova; 677. F-ino Hlaváčova; 678. F-ino Nesmerákova; 679. S-ro Vrany; 680. F-ino Bálkova; 681. S-ino Panyrová, Praha; 682—683. F-inoj B. S. Chroustova, Tuklaty; 684. F-ino Součkova, Praha; 685. S-ro Podloučka; 686. F-ino Hübner, Brno; 687. D-ro Fischer, Weidenau; 688. F-ino Hlaváčkova, Kladruby; 689—690. Ges-roj Rózanykwiat; 691. S-ino Fidelseid, Warszawa; 692. D-ro Samu; 693—694. Ges-roj Herz, Budapest; 695—696. Ges-roj Turzo, Szeged; 697. S-ro Roboz, Budapest; 698. S-ro Sórensen, Skjelskor; 699. S-ro Hloun, Nem. Brod; 700. F-ino Alschwang, Lausanne; 701. S-ro Cros, Perpignan; 702. S-ro Guenoff; 703. S-ro Kolev, Sofia; 704. F-ino Marcus, Lodz; 705. S-ro Grada; 706. Delegito laborista, Genova; 707. S-ro Guéritte, Surbiton; 708—709. Ges-roj Krejl; 710. F-ino Jörgensen; 711. S-ro Alsing; 712. F-ino Rybo; 713. F-ino Asmussen; 714. S-ro Taumose, Kjöbenhavn; 715—716. Ges-roj Medem, Kovno; 717. S-ro Havrda, Dobrichovice; 718. S-ro Sklenčka, filo, Hradec K.; 719. S-ro Michalek, Liberec; 720—721. S-ino kaj filo Fandikov, Sofia; 722. F-ino Metz; 723. S-ro Halasz, Targul-Mureš; 724. S-ro Cesarini; 725. F-ino Cesarini, Potenza; 726. S-ro Simeonov, Sofia; 727. S-ro Hebky; 728—729. Ges-roj Poustka; 730. S-ro Wisinger; 731. S-ro Šuster; 732. F-ino Hodíkova; 733. S-ro Cavallar; 734. S-ro Waldstein; 735. F-ino Waldsteinova; 736—737. Ges-roj Ivanovič-Švarz, Praha.

Post la 20 majo estos al ĉiuj aliĝintoj, Esp. Asocioj kaj al ĉiu, kiu ilin dezirus, sendotaj oficialaj aliĝiloj!

**Loĝado.** — Vidu la VIIa komunikon! Oni loĝigos la kongresanojn en hoteloj kaj privataj loĝejoj. *Loĝado en komunaj loĝejoj (lernejoj) pro teknikaj kaŭzoj estas neefektivigebla.*

Studentoj, turnu vin al S-ro Weiner, redaktoro de „Tribuna" en Praha!

Al personoj, kiuj aliĝus post la 15 julio aŭ alvenus ne aliĝinte oni ne garantias la loĝigadon. Loka Kongresa Komitato ne povas garantii al ĉiu la loĝigon en privata familio. La pli frue aliĝintojn oni preferos. Konatuloj uzu ankaŭ la duan pli malkaran provizoran liton en la sama ĉambro!

**Donacoj.** — S-ro Němec 10 Kĉ.; S-ro Becker 20 M. p.; lernantoj de F-ino Minaříkova 30 K.; S-ro Aron 18 M.; S-ro Cesarini 10 L.; S-ino Ivanovič 10 K.; S-ro Kroutl 15 K.

**Garantia fundo.** — 18. S-ro Hönigsberger 100 K.; 19. S-ro Goemans 200 K.; 20. S-ro Aron 100 K.; 21. S-ro Isbrücker 200 K.; 22. S-ro Stratil; 23. S-ro Dubny; 24. S-ro Degenkamp; 25. S-ro Elizondo po 100 K.; 26. S-ro Clavenna 300 K. Garantiu almenaŭ 100 Kĉ.

**Deponita mono.** — S-ro Hönigsberger 96.56 K.; S-ro Goemans 200 K.; S-ro Elizondo 100 K.; S-ro Cros 25 fr. Fr.; F-ino Rybo 8 d. K.

**Ĉeĥoslovakaj ambasadorejoj kaj konsulejoj,** kiuj devas vizi la pasportojn (vidu la VIIIa komunikon!), troviĝas en sekvantaj urboj:

Berlin, Hamburg, Dresden, Köln, Chemnitz, Bremen, Breslau, München, Dortmund, Nürnberg, Leipzig, Frankfurt, Wien, Graz, Linz, Bruxelles, Sofia, Kjöbenhavn, Madrid, Paris, Lyon, London, Oppeln, 's-Gravenhage, Roma, Trieste, Milano, Genova, Budapest, Warszawa, Krakow, Bukarest, Galatz, Stockholm, Bern, Zürich, Constantinople, Belgrad, Lubjana, Zagreb, Serajevo, Split, Buenos Aires, Sidney, Rio de Janeiro, Montreal, Alexandria, Washington, Chicago, Pittsburgh, San Francisco, Saint Louis, Bombay, Tokio, Batoum, Vladivostok.

Ĉeĥosl. ministerio por eksterlandaj aferoj per sia decido de la 2 aprilo 1921 N-ro 617/4/21 zprav. ordonis ĉiujn ĉeĥosl. eksterlandajn oficojn helpi ĉiuokaze la kongresanojn.

Oni petis rabaton je pasportvizoj. Decido de ministerio por eksterlandaj aferoj aperos en la Xa komuniko.

**Vojaĝrabato.** — La Loka Kongresa Komitato petis rabaton por la vojaĝo sur la ĉeĥoslovakaj fervojoj. La decido de la fervojministerio aperos en la Xa komuniko, kiu alportos ankaŭ aliajn gravajn informojn.

**Adreso.** — Aug. Pitlík, Praha III, Nerudova 40. (Oni respondos nur, se estis aldonitaj respondkupono aŭ afranko en neuzitaj naciaj poŝtmarkoj!)

Por la Loka Kongresa Komitato:
*August Pitlík,* ĝenerala sekretario,
*Praha III,* Nerudova 40.

## Ĉirkaŭ la Kongreso

**Postkongreso en Budapest,** *9–10 aŭgusto 1921.*

*Kotizaĵo*: Por hungaroj: K. 25, por alilandanoj la duono de la kotizaĵo de Praha por iliaj rilataj landoj. Ĉiun monsendon oni adresu al: Magyar Olasz Bank fiókja, VII, Király-u. 57, sz. Esperanto Kongressus alap.

*Sekretario kaj adreso*: Aleksandro Laquer, Budapest VI., Király-u. 27/II.

*Provizora programo*: Lunde, la 8-an, vespere: konatiĝa vesperkunveno;

marde, la 9-an: antaŭtagmeze: renkontiĝo, malferma festkunveno, promenado tra la mezo de la urbo; posttagmeze: komuna tagmanĝo, fakkunsidoj, ĝeneralkunsidoj; nur por fremduloj: promenadoj, ŝipekskurso; vespere: koncerto kaj kabaredo;

merkrede, la 10-an: antaŭtagmeze: renkontiĝo, kunsidoj, promenado kaj komuna rondveturado per tramvojoj; posttagmeze: ferma kunsido, ekskurso al Buda; vespere: teatra prezentado;

jaŭde, la 11-an: laŭvole komuna forvojaĝo al Graz, al Italio kaj samvoje vizitado de la lago Balaton.

*Vojaĝokostoj*: de Praha ĝis Budapest laŭ oficiala sciigo el Praha: II-a klaso K. 168 + K. 106; III-a klaso K. 84 + 73.

*Vivkostoj en Budapest*: Loĝejo en hotelo proksimume K. 100, matenmanĝo proks. K. 15—20, tagmanĝo proks. K. 30—70, vespermanĝo proks. K. 30—70. Teatra bileto proks. K. 25, tramvoja kaj ŝipvetura bileto K. 30.

Samideanoj, anoncu vin jam nun, por ke ni povu ĉion antaŭe prepari! Kiuj volas, ke ni zorgu pri loĝejoj antaŭe, mendu jam laŭeble nun. Ni esperas aranĝi interesan kaj grandan landan kongreson, do venu ĉiuj, por priparoli nian aferon kaj helpi la hungarlandan propagandon. *La Organiza Komitato.*

**Postkongresa vojaĝo post la XIIIa.** — La „Ligo de germ. Esp. societoj en Ĉeĥoslovakio" aranĝos post la XIIIa en Praha postkongresan vojaĝon tra la bohemaj banlokoj mondkonataj kaj tra la vidindaj pejzaĝoj kaj urboj de norda Bohemio. La vojaĝo estos agrabla daŭrigo de la kongreso, kaj due la partoprenantoj helpos propagandi nian movadon en tiu ĉi regionoj.

La vojaĝantoj estos kondukataj tra la ferindustria urbo Plzen, Marienbad (konata banurbo), Eger (malnova historia urbo [Wallenstein]) al Franzensbad (banloko, kiu starigis la unuan Esperanto-monumenton en la mondo). Veturo al Karlsbad (mondkonata urbo kun belega ĉirkaŭaĵo), ekskurso al Joachimstal (radiumminejoj kaj radiumbanoj, tre interesaj por kuracistoj), Saaz (mondkonata lupolkomerco), Teplitz (banloko), Leitmeritz (komenco de la ŝipveturado tra la belega Elbe-valo, ĝis Herrnskretschen (ekskurso al la „Bohema Svisio"), Tetschen-Bodenbach (komerca kaj industria limurbo), al Reichenberg (industria kaj komerca urbo de la nordbohema industria centro. Vizito de la IIa Internacia Foiro de Reichenberg) (13—21 aŭg. oficiala postkongreso de la ligo kaj solena finigo de la vojaĝo. „Ekskursoj en la belega ĉirkaŭaĵo de Reichenberg.

La vojaĝelspezoj por fervojo kaj ŝipo estas 150 kronojn ĉsl.; ni esperas ricevi rabaton de la ministerio.

Detaloj pri la vojaĝoj aperos en la gazeto „La Marto". Krom tio estos dissendataj specialaj presaĵoj priskribantaj la tutan vojaĝon.

Aliĝojn bonvolu sendi al:

S-ro kapitano Franz Beran, Leitmeritz, Langestr. 23, sekretario de la postkongresa vojaĝa komitato (P. V. K.). Bonvolu aldoni respondkuponon aŭ naciajn poŝtmarkojn por respondoj!

∴ *Al ĉiuj vizitantoj de la XIII-a Internacia Kongreso en Praha, transventurontaj Berlinon* adresas la Berlina Esperantistaro la koran inviton restadi unu aŭ du tagojn en Berlino, por ebligi la aranĝon de *Internacia Manifestado por Esperanto* en la ĉefurbo de germana respubliko.

La manifestado konsistu el akcept-vespero en la urbdoma salonego, al kiu estas invitataj la reprezentantoj de la regist- kaj urbestraro kaj la gvidantoj de la politika, scienca, arta, komerca kaj industria rondoj.

Samideanoj el plej eble multaj landoj dokumentu dum ĉi-tiu manifestado per mallongaj paroladoj la jaman tutmondan disvastecon de nia movado. Ni petas ĉiujn, kiuj afable sekvos nian inviton, sciigi plejeble baldaŭ (plej malfrue ĝis la 10 julio) tagon kaj horon de sia alveno. Ni zorgos por akcepto ĉe la stacidomo, loĝado kaj aranĝos diversajn gvidojn tra la vidindaĵoj de la urbo kaj ĉirkaŭaĵo.

La internacia manifestado okazos la 27 julio vespere, por ke la vizitantoj de la antaŭkongreso en Dresden povu esti tie la 28 tagmeze. Por la nevizitantoj de la antaŭkongreso ni aranĝos komunan vojaĝon al Praha.

Ĉiujn rilatajn korespondaĵojn oni adresu al S-ro Georg Mann, Berlin-Wannsee, Tristanstrasse 5.

Kun samideana saluto
Esperanto Gruparo Berlin: *Ludwig Schiff,* prezidanto.

## Sciencistoj ĉe la 13a kongreso

Estas bezone, ke la sciencistoj-esperantistoj havu post longa tempo denove okazon diskuti pri gravaj temoj, kiuj interesas Esperanton egale grave, kiel la sciencon. La 13a kongreso estas okazo por tio. Oni certe bone scias, ke la scienca progreso ne efektiviĝas dum sciencistaj kunvenoj, sed oni egale bone scias, ke oni multon profitas aŭskultante saĝajn raportojn pri la akiritaj sukcesoj kaj meditante dum la diskutado, kio nun estas farota kaj atingota. Tre grava, ĝojiga kaj instruema ĝuo estas en la dumkongresa kunveno aŭskulti raportojn pri la ĝis nun atingitaj rezultatoj en la Esperanta faka scienca terminologio, kiujn prelegos fakuloj de koncernaj sciencoj. Mi organizos tiajn raportojn laŭ ĉiuj sciencoj kaj petas sinjorojn kolegojn pri afable sciigo, pri kia scienca terminologio ili estus pretaj raporti (mi mem faros raporton pri la ĥemia). La raportoj eldonitaj poste en libro estas certe tre instrua lingva verko de Esperanto.

Ĉiujn koncernajn proponojn bonvolu afable sendi (kun respondkupono aŭ neuzitaj poŝtmarkoj) al

D-ro *Stan Kamaryt,*
profesoro de ŝtata reallernejo
Telocvičná 3, *Bratislava* (Ĉeĥoslovakio).

# NACIAJ KONGRESOJ

Dum la Pentekostaj tagoj okazis kvar gravaj naciaj kongresoj, kies grandan sukceson raportas la ĉiutaga gazetaro. Ni ĝoje salutas tiun tre kuraĝigan reviĝliĝon de nia movado tiel rapide post la milito. La afero marŝas. Vivu Zamenhofa inspiro!

## Belga en Liège

Cent diversgrupanoj partoprenis la Xan belgan kongreson ĉe la Universitato en Liège. Oni multe aplaŭdis la protektan aliĝon de L. M. princo Leopold, kiu akceptis honorprezidi la Belgan Esperantistan Ligon anstataŭ la mortinta Generalo Léman, kiu tiel fervore parolis favore al nia lingvo.

La urbestraro akceptis oficiale la kongresanojn en Urbodomo kaj brila festmanĝo okazis la Pentekostan tagmezon ĉe Restoracio Trianon. Vespere teatraĵo aŭdigis Esperanton al la scivolemaj ĵurnalistoj. (Laŭ „Le Matin" kaj „La Métropole".)

## Germana en Essen

400 delegitoj el 300 grupoj ĉeestis la Pentekostan tutgermanan Esperanto Kongreson kaj aŭdis oficialan bonvenparolon de konsilanto Meurer en la nomo de l' Essen'a urbestraro. Grandan propagandan paroladon faris la Leipziga grandindustrialo D-ro Albert Steche pri

la signifo de nia lingvo kiel neŭtrala helpilo por eviti iun trudon de nacia lingvo al aliaj popoloj.

Ĉe laborkunsidoj oni decidis unuigi la tutan ekzamenadon sub la gvidado de la Centra Esp. Instituto en Leipzig, kiu estas ŝtatsubtenita organizaĵo. Kiel nova prezidanto de la Germana Esp. Ligo estis elektita supera juĝisto Reinking el Leipzig.

Ankaŭ okazis specialaj kunvenoj por anoj de UEA, Katolika Internacio, Esp. Asocio de Germanaj Instruistoj, Germana Akademia Ligo. La venonta kongreso okazos en Breslau 1922.

(Laŭ „Kölnische Zeitung".)

## Brita en Harrogate

500 personoj 225 Esp. partoprenis la malfermon de la Brita Esp. Kongreso sabaton Pentekoston. Kolonelo Pollen legis salutojn de Lord Bryce, Lord Reay kaj Lia Moŝto Aga Khan. Infanoj el Leeds ludis feaĵon en Esperanto kaj montris mirindan scion de la lingvo.

Dimanĉon okazis Esperanta diservo en St. Luka preĝejo, kie la pastro de Farnley Tyas predikis pri unueco de popoloj. Ĉe la festa tagmanĝo paroladis eksterlandaj samideanoj: S-ino Cense el Parizo kaj S-ro van Doorn el Rotterdam. Profundan impreson faris blinda Esperantisto per kortuŝa alvoko por „Esperanta Ligilo". Tuja monkolektado alportis belan rezultaton. S-ro Warden estis reelektita prezidanto de B. E. A.

Ankaŭ okazis speciala kunveno de Amikoj („Kvakeroj"), kiu decidis formi internacian federacion de Esperantaj Amikoj.

(El „Westminster Gazette".)

## Franca en Orléans

Dimanĉon Pentekostan cent kongresanoj partoprenis sub prezido de S-ro Rollet de l'Isle. Ĉeestis S-ro Narita, japana samideano. Ĉe la tagmanĝo lundon paroladis, krom la Prezidanto, S-roj Cart, Daniel Eyquem, Robert de Massy kaj S-ino Farges. Anoj de UEA havis gravan laborkunsidon, pri kiu raportos S-ro Poncet. Specialan kunvenon de Turing-klubanoj gvidis S-ro Archdeacon. Ankaŭ okazis kunsido de revoluciaj Esperantistoj en Bourse du Travail.

(El „Journal du Loiret" kaj „Humanité".)

## Finlanda en Tampere

La Finlanda Esp. Asocio kunvenis en Tampere antaŭ kelkaj semajnoj kun granda sukceso. Jen la interesa buĝeta bazo de la financa agado de la Asocio Finlanda:

| | | |
|---|---|---|
| *Enspezoj:* | | |
| Ŝtata subvencio | | 25,000.— |
| Esperanto-Instituto: | | |
| 150 kursanoj po 50 | 7,500.— | |
| 50 kursanoj po 25 | 1,250.— | |
| | | 8,750.— |
| Jarkotizoj: | | |
| 500 anoj po 4 | 2,000.— | |
| 200 anoj po 10 | 2,000.— | |
| 200 subtenantoj po 20 | 4,000.— | |
| | | 8,000.— |
| Donacoj | | 3,250.— |
| | | 45,000.— |
| *Elspezoj:* | | |
| Deficito de 1920 | | 6,229.17 |
| Instituto: | | |
| Direktoro | 10,000.— | |
| Honorarioj, 300 lecionoj po 15 | 4,500.— | |
| Lupagoj | 1,000.— | |
| Anoncoj | 1,500.— | |
| Diversaj | 1,000.— | |
| | | 18,000.— |
| Esperanta Finnlando: | | |
| Ĉefredaktoro | 9,000.— | |
| Red. Sekretario | 3,000.— | |
| | | 12,000.— |
| Informado al la gazetoj | | 3,000.— |
| Vojaĝoj kaj paroladoj: | | |
| 50 tagoj po 40 | 2,000.— | |
| Fervojaj biletoj | 1,250.— | |
| | | 3,250.— |
| Diversaj elspezoj | | 2,520.83 |
| | | 45,000.— |

La finnaj samideanoj intencas organizi la 15an Internacian Kongreson en Helsinki. Kial ne tuj la 14-an? Ili meritas tiun honoron pro sia admirinda agado.

# KRONIKO

Ni petas ĉiun propagandiston, ke li mem senpere kaj rapide informu nin pri gravaj faktoj. Oni sendu klarajn, koncizajn raportojn kun rimarko „Kroniko" al nia Centra Oficejo, 12, Boulevard du Théâtre, Genève. Ni ne povas raporti pri tio, kion oni ne konigas al ni. Ni ne raportas pri tro malnovaj faktoj.

Mallongigoj uzataj: *Esp.* = Esperanto; *Esp-isto* = Esperantisto; *L. I.* = lingvo internacia; *prez.* = prezidanto; *vicprez.* = vicprezidanto; *sekr.* = sekretario; *kas.* = kasisto; *rev.* = revizoro; *bibl.* = bibliotekisto; *l.* = lernanto; *m.* = membro; *p.* = persono.

## Aŭstrio.

***Graz*:** Kurso de S-ro W. Rogler, 42 p. La 14 aprilo, mortotago de D-ro Zamenhof, parolis S-ro Mader. — ***Melk a. d. Donau*:** Post parolado Majoro Oesterlein gvidas kurson, 50 p. — ***Villach*:** 2 kursoj: plenkreskuloj kun 33 p., laborista junularo kun 32 p. — ***Wien*:** 3 kursoj de Esp. Societo „Danubio". Gvidantoj F-ino Staudner, S-roj Ultmann kaj Ĉech. La „Esp. Junularo" refondiĝis.

## Bulgario.

La Ministerio de la Publika Instruado enkondukis Esp. nedevige en ĉiujn mezajn lernejojn. Ĝia oficiala gazeto „Lerneja Revuo" publikigis raporton pri la Univ. Esp. Kongreso, de Ivan H. Krestanoff. La ĉefurba familia gazeto „Svetlina" publikigas regule artikolojn kaj rakontojn tradukitajn el Esp. — ***Karlovo*:** Fondiĝis grava Scienca Esp. Societo (144 m.) de lernantoj, aprobita de la Ministerio de P. I., prez. S-ro Cvetkov, sekr. S-ro Sabev, ambaŭ gimnazianoj. Interalie la societo (faka) celas grupigi ĉiujn lernantajn societojn en Bulgario en potencan ligon. La tria datreveno de la morto de nia Majstro estis bele festata. S-ro Krestanoff paroladis pri vivo kaj verko de Zamenhof, S-ro Cvetkov pri UEA, S-ino Krestanoff legis el la Esp. literaturo. Kurso por komunistoj. — ***Kirĝali*:** La grupo donis vesperfeston, ludante interalie „Unu horo de Esp." Neta profito 3000 levojn. — ***Pirdop*:** La grupo „Antaŭen" donis festvesperon. Estis ludata ankaŭ „Unu horo de Esp.", de Th. Cart. Neta profito 500 levojn.

## Britio.

***Wallsend*:** Nova kurso de la grupo komencis, 8 p., la grupo nun enhavas 15 m. Stariĝis nova kurso inter la knabskoltoj, aliĝis 40 p. Interesatoj skribu al S-ro J. H. Murray, 13, Beech Grove, Wallsend. Okazis konferenco de la Nord-Orienta Esp. Federacio.

## Ĉeĥoslovakio.

***Arnau*:** La 18 aprilo komenciĝis 2 kursoj; unu gvidas S-ro Prof. Truntschka (por gelernantoj sciantaj lingvon latinan aŭ romanan) kun 30 p.; alian gvidas S-ro E. Rolf, teknikisto, kun 40 p. — ***Bensen*:** Propagande paroladis S-ro Klinger kaj malfermis kurson kun 16 p. — ***Brandys n. Orl.*:** Esp. Rondeto fondita. — ***Cerveny Kostelec*:** La elementa kurso finis kun 30 p. — ***Gablonz a. N.*:** S-ro Röhlich malfermis kurson por komencantoj. Propaganda parolado okazis la 29 aprilo en la Hotelo „Deutsches Haus". — ***Hradec Kralóvé*:** Adiaŭa vespereto je honoro de la foriranta prez., S-ro Mudr Fiŝa. — ***Jabloné n. Orl.*:** Fondita Esp. Rondeto neoficiala. — ***Jaromer*:** Propaganda parolado de S-ro Jar. Prokop el Starkoč. Kurso en preparo. — ***Jilemnice*:** Esp. Rondeto havas 45 m. S-ro Riedl instruas en 2 kursoj. — ***Kladno*:** 2 kursoj por laboristoj, 50 p., gvidas S-ro J. Ŝramek. — ***Leitmeritz*:** Daŭrige de la preparaj laboroj por la postkongresa vojaĝo. La L. K. K. komisiis la ligon oficiale aranĝi la vojaĝon al la Esp. monumento en Franzensbad. La daŭrigo de la vojaĝo estas la postkongresa vojaĝo, kiun aranĝos la „Ligo de germ. Esp. societoj". — ***Mährisch Schönberg*:** Komenciĝis kurso por komencantoj, gvidata de S-ro Gabriel. S-ro F. Frank-Petersdorf paroladis en la societo „Kosmos" pri Esp., 50 p. — ***Ober-Tannwald*:** Okazis propaganda parolado, kaj la kursestro akceptis aliĝojn por la kurso. — ***Olomouc*:** Zamenhofa festo okazis. Kursoj de S-ro Neuzil, 65 p. entute. — ***Pardubice*:** Esp. Rondeto ĉeestis la enmeton de la urno kun cindro de la mortinta Esp. poeto S-ro D-ro St. Schulhof

en tomban monumenton. Post emocia ĉeĥa kaj Esp. parolado de S-ro inĝ. L. Berger el Moravany metis „Esp. Rondeto" je memoro la florkronon kun rubandoj sur la tombon. Esp-ista Klubo „D-ro Schulhof" okazigis sian 1an ĝeneralan kunvenon la 27 aprilo en la legejo de la industria muzeo. Ĉeestis 28 membroj de iama „Rondeto". Post interesa, enkonduka parolado de S-ro inĝ. L. Berger el Moravany kaj post aprobo de statutoj estis elektitaj: Prez. S-ro inĝ. L. Berger, sekr. F-ino A. Tamberova. — ***Plzen*:** Festeto kun parolado de k-do Pech. Artikoloj en „Nová Doba", „Omladina". Nova kurso de J. Přibán, 45 p. — ***Praha*:** „Rondeto de Esperantistinoj" aranĝas 2 kursoj, ilin gvidas F-inoj J. Šupichová kaj L. Dandová. Aperis dua pligrandigita kaj korektita eldono de ĉeĥa lernolibro de Esp., kiun verkis J. Šupichová, faka instruistino. La rondeto de Esp-istinoj elektis jenan estraron: prez. F-ino Šupichová; sekr. S-ino Dlouha. 2 kursojn. — ***Prelouc*:** Okazis la Va laborkunsido de orientbohemaj propagandistoj, kiun partoprenis sume 68 p. Estis aranĝita migranta regiona propaganda ekspozicio, kiu jam fariĝis sufiĉe ampleksa kaj treege interesa. Antaŭtagmeze okazis propaganda parolado de F-ino Šupichová inter la loka instruistaro, kaj post la komuna tagmanĝo la laborkunsido, kies ĉefa punkto estis la raporto de S-ro Pitlík, ĝenerala sekretario de L. K. K. el Praha. La venonta kunveno okazos la 26 junio en Hradec Králóvé. — ***Rapice*:** Kurso de la Kultura Asocio, 30 p., gvidas S-ro Koĉi. — ***Reichenberg*:** Festo okaze de la 15-jara datreveno de la fondiĝo de la grupo. 200 p. — ***Skvrnany*:** Kurso de S-ro Fr. Ĉerny. 16 junuloj. — ***Stupno*:** Propaganda parolado de S-ro Pech. Kurso, 36 p., gvidas S-ro J. Kaisr. — ***Tetschen-Bodenbach*:** La 11 aprilo aranĝis la grupo en Tetschen propagandan lumbildparoladon: „Bildoj el Svisio kaj de la 9a Esp.-kongreso en Bern 1913." Paroladis S-ro H. Klinger, ĉeestis proksimume 160 p. Sekve de tio komenciĝis kurso kun 31 p. Duontagaj ekskursoj okazis: la 17 al Kolmen kaj la 24 al ruino Scharfenstein apud Bensen. — ***Tiefenbach-Dessendorf*:** Propaganda parolado kaj kursenskriboj. La kurson gvidos S-ro Röhlich. — ***Usti n. Orl.*:** Esp-ista Rondeto fondiĝis.

## Libera urbo Danzig.

***Danzig*:** Parolado de S-ro M. Amort antaŭ la filatelista unuiĝo, 50 p. S-ro Kawecki konvinkigis la ĉeestantojn pri la praktika uzebleco de Esp. por kolektantoj montrante kelkdekojn da alsendaĵojn ricevitaj el ĉiuj landoj dum du tagoj pere de anonco en nia gazeto. Kurso de S-ro Werner Hoffmann, 25 p. La Esp. societo publikigas bultenon hektografiitan tre zorge kaj legeble faritan. La multnombraj cirkuleroj ricevitaj de ĝi estas tre gratulindaj pro ilia enhavo kaj zorga kunmeto.

## Finnlando.

Pastro H. Pätiälä verkas ordon de diservoj de ĉiuj protestantaj eklezioj. Ĝi estos preta verŝajne antaŭ Kristnasko. Gramatiko eldonita de K. J. Gummerus elĉerpiĝis. Oni jam presas la 5an eldonon. La gazeto „Esperanta Finnlando" havas unu abonanton po 4000 enloĝantoj. Tiu proporcio estas konsiderinda rezultato. Tio signifus ekz. 10,000 abonantojn al „Franca Esperantisto" aŭ 12,000 al „The British Esperantist". — ***Hamppila*:** Fondiĝis grupo, 27 m. Kurso, 24 p. — ***Helsinki*:** La Ministro por publika Instruado petis de E. F. A. detalan raporton pri disvastiĝo de Esp. en Finnlando. — ***Kurikka*:** Parolado de S-ro Arvi Lehtinen en la vesperfesto de abstinenca societo. Fondiĝis grupo. — ***Laihia*:** Du bontemplanaj loĝioj akceptis Esp. kiel sia internacia koresponda lingvo. Parolado de S-ro H. Salokannel en la vesperfesto de loka junulara societo.

## Francio.

***Béziers*:** Sukcesega parolado antaŭ pli ol 1500 p. de S-ro Cherblanc, ĝenerala sekr. de la komerca ĉambro de Tarare. Ĉiuj gazetoj raportis. 3 kursoj por virinoj, 2 por viroj, 1 por hispanoj. — ***Cette*:** 2 kursoj, de S-ino Juillard (25 p.) kaj de S-ro Guibal (42 p.). Multaj artikoloj en la loka gazetaro. — ***Firminy*:** Parolado de S-ro Caleyron en katolika rondo. Fondiĝis laborista grupo, 22 p. Gvidas S-ro Testud. La loka asocio de la eksbatalantoj donacis 100 Fr. por propagandi pri pacifista edukado en laboristaj medioj. — ***Marseille*:** 3 kursoj: de S-roj Beck, Michel kaj Maurin. Ĉiudimanĉe aperitivo en kafejo „Bar du Chapitre" 11—12 h. Vizito de S-roj Ŝigeo Narita kaj Monteou Sean el Japanio. — ***Moulins*:** Sekve de la klopodoj de nia Komitatano S-ro Génermont, la tiea Komerco Ĉambro voĉdonis la 18 aprilo favoran proponon por la disvastigado de Esp. inter komercistoj, similan al tiu antaŭe akceptitan de la Pariza K. Ĉambro. — ***Paris*:** 21 m. de la Scienca Akademio subskribis deziresprimon favore al Esperanto. Artikolo en „Obŝĉeje dalo". 10a sukcesa festo de la Pariza grupo. Oni ludiş „Angla lingvo sen profesoro". Parolado de P-ro Th. Cart. La asocio de urbaj subinĝenieroj voĉdonis rezolucion por Esp. dank' al klopodoj de S-roj Tiard kaj Cosic. Oficialaj kursoj de Esp. komenciĝis en la Praktika Lernejo de Komerco kaj Industrio kaj Komerca Lernejo de la maldekstra bordo de la Seine, ambaŭ de profesoro Cart kaj unu en la Komerca Lernejo de la dekstra bordo, farata de S-ro Pablos, profesoro de hispana lingvo en la sama lernejo, malnova revekiĝinta sam-ano. Kelkmiloj da propaganda folioj estos disdonataj dum la Pariza Foiro. — ***Rosny-sous-Bois*:** Sukcesa festo kun parolado de D-ro Fruteau. — ***St-Nicolas-les-Citaux*:** Ĉiumonate pluraj Esp. artikoloj, senditaj de Ratouillat al loka ĵurnalo „Le Populaire de Bourgogne".

## Germanio.[1]

***Bad Schandau*:** S-ro Krempler el Sebnitz paroladis. Kurso kun 20 p. Artikoloj en „Elbzeitung". — ***Berlin*:** Prof. Glück el Wien elokvente parolis pri Esp. antaŭ multnombra ĉeestantaro, inter ili la fama scienculo Prof. Adolf Schmidt el Potsdam. — ***Freiburg i. Br.*:** La estraro de la popola universitato sub gvido de zoologia profesoro Spemann akceptis Esp. kiel instruan fakon. S-ro Franz Döring gvidos la kursojn. — ***Königstein*:** Fondiĝis kurso kaj Esp. rondo post parolado de S-ro Krempler. — ***Potsdam*:** Kun permeso de la aŭtoritatoj prova instruo de Esp. okazas en popollernejo. Instruas S-ro Markaŭ 13 knabojn kaj 12 knabinojn. — ***Sebnitz*:** Paroladoj de S-ro Krempler en diversaj societoj. Artikoloj en la gazetaro.

## Hispanio.

***Barcelona*:** Sukcesa parolado de S-ro Marián Solà el Terrassa pri la „Vivo de Mikroboj". Solena literatura vesperfesto de „Paco kaj Amo". Parolado katalune de S-ro Jaime Grau. Novaj kursoj. Vigla movado. Fondiĝis Barcelona Esp. Societo. — ***Huesca*:** Nova kurso ĉe la komerca ĉambro. Gvidas S-ro J. Artigas. 15 p.

## Hungario.

***Budapest*:** Parolado de S-ro Laquer ĉe virina kaj knaba lernejo. La 1 majo laboristaj sam-anoj partoprenis la solenan kunvenon de la laboristaro, alia grupeto kunvenis en la Urba Arbareto. En la

---

[1] *La Nordokcidentgermana Esperantista Kongreso Harburg ap. Hamburg* (Germanio), *4—5 majo 1921*, fariĝis entuziasmiga festo por ĉiuj partoprenintoj kaj forta pruvo por la vivoforto de Esperanto. 240 samideanoj el 38 lokoj de norda Germanio kunvenis en Harburg, kie la kongreso estis solene malfermata je la 8 h. vespere, en la salonego „Schützenpark". Ĉeestis multaj eminentuloj de la urbo. La festkunveno estis dediĉita al publika propagando. Post la salutoj, inter kiuj la salutparolado de la urba reprezentanto, policdirektoro Behrens, estis tre favora al Esperanto, sekvis salutpoemo en Esperanto kaj ĥorkanto. La festparoladon faris seminardirektoro D-ro A. Möbusz, Lübeck; ĝi estis sekvata de instrua provo kun 12 knaboj proks. 13 jaraj, kiuj neniam estis lernintaj Esperanton. La provo tiel mirinde sukcesis, ke la knaboj dum 15 minutoj lernis la plej grandan parton de la Esp. gramatiko. Eĉ la Esperantistoj inter la granda aŭdintaro miregis, kaj la aplaŭdo, kiun rikoltis la tre lerta instruinto S-ro Peters, Wismar, estis fortega. Tre propagandefika ankaŭ estis la parolado de S-ro D-ro Mybs, Altona, kaj la vira ĥorkanto en Esperanto, kiun prezentis la „Liedertafel Thetis" sub la gvidado de S-ro Heidorn.

Je la 5 majo matene okazis la ĉefa laborkunsido, kiu pritraktis la plej bonajn propagandmanierojn, la aranĝon de ekzamenoj por Esperanto-instruontoj kaj la novan organizon de la nordregionaj ligoj en Germanio. Poste oni faris fotografaĵon de la kongresanoj kaj kunvenis en la bela kongresejo por ĝui komunan festenon en la riĉe ornamita festenejo. Posttagmeza arbarekskurso finigis la neforgeseblan Esperantistan feston.

La kongreso forsendis rezoluciojn al la instruaj ministerioj de Prusio, Mecklenburg, Oldenburg, Bremen, Hamburg kaj Lübeck, enhavantaj peton je permeso de libervola instruo en ĉiuj lernejoj de tiuj ĉi landoj.

Socia Muzeo ĉiumarde la organiza komitato de la postkongreso en Budapest havas viglajn kunvenojn. La 7 majo estis en la IXa distrikta laborista grupo tre sukcesa kabaredvespero. En la Socia Muzeo S-ro Julio Baghy aranĝas kun siaj lernantoj sukcesajn malgrandajn literaturajn vesperojn.

## Italio.

***Genova*:** Laborista Esp. Grupo organizis Zamenhofan mortdatrevenan kunvenon. Parolis S-ro Barni. 2 kursoj de S-roj Arabeno kaj Managlia. — ***Greco Milanese*:** Kurso de S-ro L. Cattorini ĉe la komerca lernejo. — ***Livorno*:** Kurso de S-ro Zunino ĉe la Reĝa Marmilita Akademio. — ***Milano*:** 2 kursoj gvidataj de S-ro L. Cattorini ĉe la komerca popola lernejo. — ***Pisa*:** La Pisa Esp-ista Societo „Verda Stelo" malfondiĝis interkonsente, decidante laŭ propono de sia Prez. S-ro N. Jäger, instigi al siaj anoj, ke ili enskribiĝu en la alia samurba Esp. Grupo. — ***Venezia*:** Laŭ decido de la Ŝtatministro por la maraferoj, kurso ĉe la Reĝa Marista Instituto gvidata de S-ro F. Pizzi. Publika parolado por la katolikoj de S-ro Pizzi. Grupo malfermis sidejon. S-roj Ivo Vianello kaj Giovanni Misinato, novinstruantoj, laŭ decido de la Itala Katedro de Esp.

## Jugoslavio.

***Travnik*:** Kurso de S-ro A. Lisac, 15 p. Parolado 120 p. — ***Zagreb*:** Parolado de S-ro Jeriĉ en ĉambrego de la popola universitato pri la volo. Festo okaze de la naskiĝtago de Petar Preradovic. Oni deklamis kelkajn Esp-igitajn verkojn de tiu poeto. Estas nun en Zagreb 83 MA de UEA. La grupo sumas 141 m.

## Nederlando.

***Rotterdam*:** En la taga gazeto „De Scheepvaart" (La boattrafiko) ni legis, ke la firmo v. d. Eb kaj Dresselhuys en Rotterdam baptis siajn jam veturantajn ŝipojn je Esp. nomoj: Marmevo, Marbirdo, Maristego, Maraglo, Marrabo kaj Maristo.

## Polio.

La kongreso de tutmondaj skoltorganizaĵoj okazos dum jaro 1924 verŝajne en Polio. Je tiu okazo helplingvo estos nepre necesa. Pro tio multaj skoltorganizaĵoj en Polio jam nun faras preparojn por eklerni Esp. Interesemuloj dezirantaj detalojn turnu sin, aldonante 1 resp.-kup., al Pola Esp. Servo, Bydgoszcz (Polio), Podgorze 17. ***Bydgoszcz*:** Adiaŭfesto okaze de foriro de S-ro Becker, fondinto kaj ĝisnuna prez. de la grupo, 70 p. — ***Koscierzyna*:** S-ro Sielke gvidas kurson de 30 seminariistoj. — ***Lodz*:** Tre vigla propagando; la loka grupo petis la urban konsilantaron doni la nomon Zamenhof al Lodza strato. Malgraŭ publikaj protestoj de la ŝovinistoj la strato Rozwadowska nomiĝas nun Zamenhofa dank' al S-ro Urbestro Rzewski kaj urbkonsilantoj S-roj Singer kaj Berman. — ***Lomza*:** S-ro Prof. Kronenberg gvidas kurson en la seminario. — ***Olkusz*:** S-ro Witkowski faris propagandan paroladon. Kurso kun 30 p. — ***Warszawa*:** Okazis solena festo jubilea okaze de la 50-jara scienca laborado de konata lingvisto Prof. Baudouin de Courtenay, nia sam-ano. Ĉeestis kaj paroladis multaj poloj kaj rusoj. Parolado de fama scienculo Charles Richet, el Parizo.

## Rumanio.

Laŭ memorando prezentita kaj propono de l' episkopo Gustav Karl de Majlath (Alba-Julia) la direktantaro de l' transilvania romkatolika eklezio en kunsido de la 31 marto unuanime decidis aranĝi Esp.-kursojn por la lernantaro de siaj mezlernejoj. — ***Lupeni*:** Kurso de S-ro J. Eissen, 25 p. — ***Sepsiszentgyörgy*:** Du kursoj gvidataj de D-ro A. Fanta.

## Rusio.

Ni ricevis kelkajn numerojn de la „Esperantista Movado", Kronstadt. Jen kiamaniere „La Progreso", Plzeň, raportas pri la enhavo grandparte ruslingva: En la „Esp. Movado", monata organo de la Kronŝtadta Esperantista Societo (16 paĝa, prezo 100 rublojn) ni legas, ke la ĉefaj kaŭzoj, kial ĉesis ekzisti la granda Domo de Esperanto en Moskvo estis malsato kaj malvarmo. Ne estis eble restadi en la nehejtigitaj ĉambroj, kaj la registaro trovis necese forpreni la malplenigitan domon. Ĉi tiu kontraŭvola mallaboremo estis parte kulpa pri la ne tuja sukceso de nia afero ĉe la registaro. La Komisarejo de nacia klerigado konstatis post detala trastudo, ke la grava problemo de la lingvo internacia estis sole kaj plene solvita per Esp. Gorkij varme rekomendis al la registaro alprenon de Esp. kaj la tasko de moskvaj Esp-istaj institucioj estis daŭrigi la laboron en ĉi tiu direkto kaj helpi al la efektivigo de la intencita ĝenerala enkonduko de Esp. kiel deviga temo en la lernejojn. La jam menciitaj malfacilaĵoj malebligis bedaŭrinde uzi plene nian venkon. Nia lingvo estas nun instruata en multegaj urbaj kaj eĉ vilaĝaj lernejoj; ni sciiĝas pri kelkaj distriktoj, kie la lernado estas deviga. Pri la disvastigo de Esp. en Rusio ni legas nur ĝojigajn faktojn. Oni raportas pri laboro de kluboj en preskaŭ ĉiuj pli gravaj urboj de la lando. La societoj estas ofte subtenataj de la registaro, en Ĥerson donis la loka fako de la Komisarejo de nacia klerigado 200,000 rublojn al la societo por ebligi kursojn por instruistoj, la samon ni aŭdas pri Ĉerepovec kaj Serpuĥov. En kelkaj lokoj eldonis la fakoj de la komisarejo lernolibrojn kaj vortarojn. La Esp.-muzeo kaj biblioteko en Saratov havas nelimigitajn sumojn je sia dispono. La lasta Tutruslanda kongreso de arto akceptis unuvoĉe nian lingvon por siaj interrilatoj. La registaro de la Kirgiza federativa respubliko en Orenburg subtenas ĉiuflanke nian movadon. En Kaŭkazo oni vigle laboras. Dum la pasinta duonjaro estis ekzamenitaj ĉe la Centra Kaŭkaza Esp-ista Komitato preskaŭ 800 p. Organizaĵoj ekzistas en jenaj kaŭkazaj lokoj: Anap, Armavir, Baku, Groznoe, Gelendlii, Jejsk, Jekaterinodar, Jelizavetpole, Kislovodsk, Majkop, Nalĉik, Novorosijsk, Soĉ, Tiflis, Tuapse kaj Vladikavkaz. Ni legas pri multnombre vizitataj Esp. kursoj por ruĝarmeanoj en Moskvo, Petrograd, Kronŝtadt, Saratov, Ĉerepovec, Jekaterinodar, Odesa, Perm, Barnaul, Omsk, por poŝtistoj en Ĥerson, Vitebsk, Tambov, Omsk, por fervojistoj en Jekaterinodar kaj pri aviadistoj en Kazanj. Ni ekscias pri la konferenco de rusaj Esp-istoj okazinta de la 2—5 oktobro 1920 en Niĵnij Novgorod. Ĝi decidis prepari la IIIan Tutruslandan Kongreson, kunvokotan ĝis la 31 majo 1921 en Moskvon. En Vitebsk ekzistas „Strato de Zamenhof" kaj „Strato Esperanto". Numero de la Petrograda „Espero" kaj Kronŝtadta „Movado Esp-ista" mencias pri eldonado de jenaj pluaj gazetoj. En Vjatka aperas „Bulteno", en Homel „Homela Esperantisto", „Malgrandeta Bulteno" en Bolhov, hektografiita „Araneaĵo" en Makvejevka.

## Svedio.

***Eskilstuna*:** Parolado de S-ro Einar Adamson. — ***Härrestad*:** La grupo elektis prez. S-ron H. Gryting, sekr. S-ron W. M. Kjellman. — ***Malmö*:** S-ro G. H. Backman faris paroladon antaŭ 1200 p. La klubo Esperantista de Malmö festis sian 15-jaran ekziston la 10 aprilo. Ĉirkaŭ 60 p. partoprenis. Niaj danaj amikoj alvenis grandnombre, kaj fremduloj, loĝantaj en Danio, ankaŭ ĉeestis. Do malgranda rondo familia estis en Malmö. La partoprenantoj en speciala tramo venis al la kunvenejo. Post tio labora kunsido komencis. S-ro Bachman prezidis, kaj oni decidis krei Skanian[1]-danan ligon Esp-istan kun celo: fari kvar kunvenojn propagandajn ĉiujare. Sekvis promenado tra la urbo, kaj je la tria oni kolektiĝis por komuna tagmanĝo. Vespere publika festeno kun kantado kaj muzikado estis aranĝita en la salono de la gimnazio. Elokventan paroladon pri la stato de nia movado faris S-ro Nordlund. La Esp.-tago finis agrable en la hotelo „Standard". Salutoj multaj alvenis de sam-anoj. Por la lerta aranĝo S-roj E. Andersson, Gustavson, Östling kaj la gefratoj Ridderheim meritas ĉies dankon. — ***Örtofta*:** En la popola domo antaŭ 50 p. S-ro M. Dahlin faris paroladon. — ***Stockholm*:** En sveda parlamento urbestro Lindhagen, la fama politikisto, faris proponon, ke la parlamento skribu al la sveda registaro, ke ĝi en konvena maniero subtenu ĉe Ligo de Nacioj la proponon faritan de la sveda mondlingva komisiono dum la pasinta jaro senditan per la helpo de la registaro al la Ligo. Tiu

[1] Skane, la suda parto de Svedio.

skribaĵo de la mondlingva komisiono akcelas, ke la Ligo de Nacioj faru ĝeneralan esploron en la mondlingva demando koncerne la eblo enkonduki en ĉiuj lernejoj de la mondo la internacian helplingvon kaj poste starigo de akademio por la flego de la lingvo akceptota. Antaŭe la unua ĉambro aprobis la proponon, kiu nun falis per la rifuzo de la dua ĉambro. Dum la lastaj kvar semajnoj aperis en la sveda gazetaro resp. 18, 36, 14 kaj 12 artikoloj, longaj aŭ mallongaj. — ***Västerås:*** Parolado de S-ro Einar Adamson.

## Svislando.

***Bern:*** Kurso de S-ro R. Bolliger. — ***Genève:*** Esp. paroladoj de S-ro Caratch pri la romanĉa lingvo, de S-ro E. Hediger pri impresoj en Italio, de D-ro Privat pri pola poeto Adam Mickieviĉ, de S-ro Underwood pri la vivo en la profundo de la maro. Ni fine ricevis novaĵojn de F-ino A. Ŝarapova foririnta Rusion. Ŝi skribas: „Ni esperu, ke la printempo vidos la restarigon de poŝta interkomuniko. Povu veni Moskvon almenaŭ unu brava Esp-isto okcidenta. Ni penadu laŭeble iel ĉesigi tiom pereigan reciprokan malkonon de la du partoj de Eŭropo." — ***Lyss:*** La kurso por komencantoj, gvidita per S-ro Ernst Scheurer, Del., ĵus finiĝis. El la 17 p., komencintaj la kurson, restis fidelaj ĝis la fino 10, el kiuj 8 tuj aliĝis al nia loka grupo. Per tia pligrandiĝo la grupo certe ricevos pli fortan vivon. La ĉefkunveno elektis prez. E. Scheurer, sekr. Arnold Arn. — ***Montreux:*** Sukcesa festo kun profito de 200 Fr. uzotaj por fondo de grupa biblioteko.

## Afriko.

***Maroko:*** Kelkaj rusaj soldatoj el la „Fremda Legio" lernas Esp. Adreso: Vasilieff, caporal, 4e Etranger, 1er Bataillon, Petit Etat-Major, Beni-Mellal (Maroc Oriental). — ***Oran*** (Alĝerio): 3 kursoj.

## Ameriko.

***Brazilio:*** Vigla propagando en la tuta lando kaŭze de la 6a Brazila Kongreso. La registaro permesis, ke la telegrafo funkciu senpage por la komitato kaj delegitoj de la kongreso dum aprilo. — ***Topeka*** (Usono): Kurso de S-ro Fazel al Ruĝkrucanoj.

## Azio.

***Cita*** (Siberio): Fondiĝis nova grupo. Prez. S-ro J. Mjeŝĉjerjakov, sekr. S-ro Boris Ŝĉeglakov; de la 1 januaro malgraŭ la malfacilegaj ekonomiaj cirkonstancoj okazis 2 ekspozicioj, 2 paroladoj, 1 festo kaj 3 kursoj kun 50 p.

---

# TRA LA GAZETARO

.·. *„Esperanta Finnlando"* raportas pri la VIIa finnlanda Kongreso en Tampere. Jen diskutita interesa projekto:

La kongreso konsideris, ke la ĝisnuna sistemo publikigi dulingvajn organojn en ĉiuj landoj fariĝas terure kara al la Esperantistaro, kaj tamen la rezultatoj ne estas kontentigaj. La internaciaj rilatoj de la Esperantistaro estas malfaciligataj per tio, ke ĉiu sentas sin devigata antaŭ ĉio aboni sian nacian organon, kaj tiam ne restas por ĉiu eblecoj aboni ankoraŭ internacian gazeton. Pro tio la kongreso opiniis, ke la Eŭropaj societoj Esperantistaj devus interkonsenti pri eldono de komuna, nur-Esperanta revuo, bone redaktota kaj ilustrota, kiu povus enhavi ĉion, kion la naciaj gazetoj ĝis nun enhavis interesan. Havante minimume 10,000 abonantojn, ĝi fariĝus profitodona entrepreno, dum la nunaj gazetoj ne estas tiaj. La mono, kiu nun estas oferata por la eldono de „propagandaj" gazetoj, povus esti multe pli efike uzata ekz. por publikigo kaj disdono de nacilingvaj broŝuroj. La kongreso komisiis al la estraro komenci traktadon de la afero kun la eldonantoj de ĉefaj gazetoj Esperantistaj.

.·. *„Literaturo"* (London). La du lastaj N-roj montras grandan progreson. La elektitaj literaturaĵoj estas pli interesaj kaj legindaj. Jen prava rimarko de S-ro Bernard Long:

*Duoblaj konsonantoj en Esperanto.* Ŝajnas al mi, ke la apero de duoblaj konsonantoj en Esperanta radiko, estas kontraŭa al la spirito de la lingvo. Se la lingvo estas (kiel ni fanfaronas) tute fonetika, en vortoj, kiel la kelkfoje uzitaj *villo, regatto* kaj *bullo*, oni devus elparoli klare *ambaŭ literojn*, jene: *vil-lo, regat-to,* k. t. p., kiel en kunmetaĵoj kiel *malligi,* kie la vera elparolo estas malsama al tiu de *mal'igi.* Sed ĉu tiu maniero ne farus el *villo,* k. t. p., kvazaŭ kunmetitajn vortojn? Do, mi konsilas ĉiam uzi simplajn formojn, ekz. *vilao* (ĉar *vilo* ne taŭgas, kaj jam havas alian signifon), *regato* (neniam oni konfuzus tiun vorton kun *reg'ato*), *bulo* (aŭ ian alian radikon, se oni ne ŝatas *bulo* por papa dekreto), *galo* por antikva loĝanto en Francio (neniam konfuzebla kun *galo* en la korpo) kaj fine. *Fino*, ĉar oni neniam intermiksus finlandanon kun la fino de io, eĉ se oni nomus lin *Fino*. — La kunteksto ĉiam montrus la sencon, ekzemple se oni parolus pri la *Fina Parlamento*. Plue, laŭ deziro oni ĉiam povas eviti *Fina*, dirante la *Finlanda* Parlamento, uzante *Finland'* kiel radiko, simila al *Irland'*. Eble amikoj en la lando mem afable sendos al mi siajn opiniojn. (21, Great Russell Street, London W. C. 1.)

.·. *„Espero Katolika"*. Kio estas Moka? Kion volas Moka? Ĉu ni bezonas Moka'n? Diversaj artikoloj pri tiu nova organizaĵo. (Mondjunularo Katolika.)

.·. *„Esperanto Triumfonta"*. Per la artikolo de „Revelano" en konciza kaj pentra stilo ni kvazaŭ ĉeestas kinematografe la regionan Kongreson de Köln.

.·. *„Nova Tempo"* (Wien) sub la titolo „Malvirta urbo?" enpresas jenon pri la famo de Vieno:

Preskaŭ ĉiutage la ĝazetoj en London k. c. entenas paragrafojn pri la luksa vivo en Vieno. La opinio kreskas, ke ekzistas multaj riĉuloj en Aŭstrio, kiuj, anstataŭ helpi la kompatindajn malriĉulojn, elspezas la monon en teatroj, dancejoj, por trinkaĵoj, k. t. p.

Tia opinio pri la bedaŭrinda sed ĉiam gastama Wien bezonas korekton. Ne okupante sin pri la malsatanta parto de la enloĝantoj vivas ĉi tie la bruanta amaso de tiuj, kiujn la fremdulo tiel facile opinias esti Wien-anoj: fremdaj oficiroj kaj oficistoj kun salajroj laŭ valorega fremdlanda valuto, riĉaj komercistoj aŭ „ŝovistoj" el sengrandurbaj ŝtatoj, kiuj dum la ok kaj dekkvar tagoj de sia Wien-a restado volas ĝisatingi ĉion, kion la tuta longa jaro rifuzas al ili en la malpureco kaj malvasteco de iliaj provincaj urbetoj, kiuj ĉiutage, matene leviĝante kaj vespere kuŝiĝante sin, ĝojas pri la kronoj, kiujn oni ricevas tiel malmultekoste kaj por kiuj oni en ĉi tiu urbo povas aĉeti ĉion, absolute ĉion. Ilin ĉirkaŭas la vasta cirklo de tiuj, kiuj faras negocojn kun ili: ŝovistoj, kiuj havigas al ili komercaĵojn, publikulinoj, perantoj kaj artistoj, vivantaj de ili, honestaj komercistoj, kiuj sentas sin devigataj viziti la urbon al la samaferisto el okcidento aŭ oriento. Tiuj estas la geviroj, kiuj en dikaj peltoj kaj ornamitaj per brilaj ŝtonoj plenigas la vestiblojn de la grandaj hoteloj, al kiuj nenia teatrobileto estas tro multekosta, nenia opereto tro stulta, nenia ĉampano tro malbona kaj nenia ŝofero tro aroganta, kiuj kun sia sekvantaro de viraj kaj inaj parazitoj plenigas la noktajn amuzejojn kaj tie kunfluas kun tiu ŝovistaro, kiu dum kaj post la milito enradikiĝis sin en ĉi tiu urbo kiel fungo en la muraĵo, malrespektante ĉiun leĝon, ĉiun skribordonon. Certe ekzistas rondoj, kiuj ŝajnas vivi en neinterrompata ĝojego, dum oni apude mortas en tuta diskreteco sed tamen en tuta seriozeco, eĉ mortas pro malsato. Al tiaj maldelikataj geviroj oni diru same maldelikate, ke estas senhontege, fari skandalon en funebra domo.[1]

.·. *„Internacia Komerca Revuo"* aperas sub nova jadverda kovrilo. Multaj artikoloj aŭ rimarkoj estas represindaj en la Esperanta gazetaro. La jena estas speciale interesa, ĉar multaj Esp-istoj anstataŭ uzi la nomojn de la urboj laŭ la landa lingvo skribas ridindajn kaj nekompreneblajn Esperantigitajn nomojn:

„La aŭstralia gazeto „Suda Kruco" aperanta en „Melburno" (= Melbourne), konstante skribas ankaŭ „Sidnejo" (= Sidney). Kial ne ankaŭ „Ĝilongo" (= Geelong) kaj „Krajstĉorĉo" (= Christchurch)? La „British Esperantist" ja ankaŭ parolas pri „Brajtono" (= Brighton), k. t. p.! La problemo, kiel skribi la proprajn nomojn, atendas ĉiam ankoraŭ al kompetentula solvo! Jam de multaj jaroj la „Lingva Komitato" kaj ĝia „Akademio" forte hezitas, fari akceptindajn proponojn. Intertempe ni ne kreu fantaziajn nomojn, kiuj eble respondas al ia persona bongusto, sed kiuj estas tiom diversaj kiel la gustoj mem. Jam ni ja kritikis la nomojn „Bazileo" (= Basel), „Neŭĉatelo" (= Neuchâtel), „Zuriĥo" (= Zürich) kaj „Lejpcigo" (= Leipzig). Ĉu tiuj ekzemploj vere estas modeloj, kiuj instigas al imitado?

.·. *„La Holanda Pioniro"*. Tre detalaj informoj pri la vojaĝo de Nederlando al Praha.

.·. *„The British Esperantist"* siavice plendas pri la migrantaj poŝtkartoj (tute prave):

„Ni ricevas de tempo al tempo petojn, ke ni fariĝu agentoj por la vendo de iu aŭ alia speco de migrantaj poŝtkartoj, kaj en nian leterkeston falas konstanta fluo de tiaj abomenaĵoj, kiujn oni atendas, ke ni ekspedu al aliaj viktimoj. Ni principe ĉiam rifuzis vendi tiujn kartojn, kiuj estas vera pesto! Ĝis nun ni kutime resendis ilin al la sendintoj, sed ni avertas, ke de nun, ni ĵetos ĉiun en la paperaĉujon! En ĉi tiu oficejo ni ne havas sufiĉe da tempo por atenti eĉ al seriozaj aferoj, kaj ni certe ne havas senliman provizon da poŝtmarkoj por forĵeti, kaj principe ni rifuzas kalkuli je la senfunda monujo de amikoj.

.·. *„Kataluna Esperantisto"* donas la duan liston de la temoj proponitaj por la 8-aj Internaciaj Floraj Ludoj.

Novaj gazetoj:

.·. *„Belga Esperantisto"* reaperis. Ĝi estas bele presita. La N-ro 1–2 enhavas 36 paĝojn, raportas pri multaj oficialaĵoj de la Belga Ligo Esperantista de la lastaj tempoj. Ni deziras al ĝi kreskantan sukceson.

.·. *„La Voĉo de la Popolo"* (Canton, Ĉinio) reaperis kun dupaĝa Esperanta teksto.

---

[1] Ŝovisto = Schieber (g.) t. e. fuŝkomercisto-akaparisto. Tiu kategorio de nenecesaj komercaj perantoj naskis dum la milito. — Ŝofero = aŭtomobilkondukisto.

.·. Aliaj gazetoj ricevitaj: „*Esperantista Movado*" (Kronstadt); „*Germana Esperantisto*"; „*La Semisto*" (Sabadell); „*La Progreso*" (Plzen); „*Hungara Esperantisto*" (Szeged); „*Vegetarano*" (Hamburg); „*Laboro*" (Lisboa); „*Germana Esperantisto*"; „*La Laborista Esp-isto*" (Hannover); „*Verda Utopio*" (Osaka); „*Itala Esperantisto*"; „*La Unuigita Tuthomaro*" (Hamburg); „*La Suda Kruco*" (Melbourne); „*Esperantista Laboristo*" (Paris); „*Esperanto-Praktiko*" (Berlin); „*Esperanta Ligilo*" (por blinduloj).

.·. Ni ricevis jenajn gazetojn, kiuj enhavas artikolon pri Esperanto aŭ UEA: „*De Avendpost*" (den Haag); „*Auckland Labour News*"; *Berner Landes-Zeitung*"; „*Berner Tagblatt*"; „*La Provincia*" (Las Palmas); „*El Tribuno*" (Las Palmas); „*El Guadalete*" (Jerez de la Frontera); „*El Diluvio*" (Barcelona); „*Volkszeitung*" (Bromberg); „*Burgdorfer Tagblatt*"; „*Eugenia*" (Barcelona); „*La Vanguardia*" (Barcelona); „*Gazeta Gdanska*".

## TRA LA LIBRARO

**Elektitaj Poemoj** de *Heinrich Heine*, tradukitaj de *Friedrich Pillath*. Nova Esperanto-Biblioteko N-ro 6. Esperanto-Verlag Friedrich Ellersiek, Berlin S. 59. 48 paĝoj, 11 × 15 cm. Prezo: 3 M. + 80 %.

Tiu verketo estas rekomendita de Esperantista Literatura Asocio; plie ĝi estas dua eldono; trie ĝi apartenas al tre zorge eldonita publikaĵaro. Ĝi do trovos meritatan akcepton. La tradukinto celas konigi al negermanaj legantoj ofte kritikitan sed tamen vere grandan poeton. Dudeko da mallongaj aŭ pli ampleksaj poezioj donas specimenojn, laŭ kiuj estos eble havi sufiĉe ĝustan ideon pri la verko de talenta, originala aŭtoro. La tradukinto konfesas, ke malfacila estis lia provo; sed nia lingvo estas tiel fleksebla, kaj ĝi permesas al samlingvano prilabori originalon ĝisfunde konatan, sentatan kaj amatan; tial la provo sukcesis; tial Esperantaj tradukoj, eĉ de malfacile tradukeblaj tekstoj, havas apartan valoron kaj superas aliajn. Tiun opinion plene pravigas denove la fidela laboro de S-ro Pillath.

Ĝi estos nova floro en la bukedo de Esperantaj poeziaj verketoj prezentita de S-ino Hankel en novembra numero de ĉi tiu gazeto. Kaj ĉar tiu okazo estiĝas, kial unu el la plej vivkoloraj kaj odorantaj: „Unuaj agordoj" de Elski kaj Eska mankis en la cititaj floroj? — *G. S.*

**Raporta Stenografio,** Alfaro de la angla sistemo Pitmana al Esperanto. Verkis *Montagu C. Butler* kun helpo de kelkaj amikoj. Ricevebla ĉe Brita Esperantista Asocio, 17, Hart Street, London W. C. 1. 48 paĝoj, 14 × 21 cm. Prezo: 2 ŝ. 6 p. Tole bindita 4 ŝ.

Ĉiu Esperantisto, kiu uzas stenografion por sia patra lingvo, kompreneble eksentas la bezonon utiligi sian rapidskribon por Esperanto. Oni volonte lernas duan lingvon, precipe internacian; oni nevolonte lernas duan stenografian sistemon. Tial oni kredeble ne kreos speciale Esperantan stenografion, sed kontentiĝos per diverslingvaj adaptigoj. Tiuj alfaroj ne estos ĉiam tre simplaj; ĉiu lingvo havas siajn apartaĵojn, kaj kio konvenas por unu estas malhelpaĵo por alia. Lerte aranĝita alfaro ŝparos laboron al samsistemaj praktikantoj. Unuavide la Pitmana stenografio ŝajnas komplika kaj malfacile lernebla; aliparte ĝi kredeble ebligas tre rapidan skribon. Se angla stenografio povas forlasi la vokalojn, Esperanto tiel sonriĉa ne povas esti skribata sen ili; tial francaj sistemoj ŝajnas pli facile adapteblaj al Esperanto. Sed povas esti, ke tiu opinio devenas nur de personaj lingvaj kaj stenografiaj konoj, kaj nur angla Pitmanano povus taŭge jugi la laboron de S-ro Butler. Ĉiu ajn tamen konstatos, ke ĝi estas serioze farita, detale kaj plene prezentita en klare kaj bele presita broŝuro. La aŭtoro asertas, ke ĝi estas la frukto de dekjara provado, kaj ke la sistemo montriĝis kontentiga en la uzado; tiu diro estas plej valora rekomendo. — *G. S.*

**Mehrsinnige deutsche Wörter in Esperanto,** durch Übungssätze erläutert von *Karl J. Loy*. (Plursencaj germanaj vortoj en Esperanto per ekzercfrazoj klarigataj.) Deutsch-Esperanto-Bücherei N-ro 3. Esperanto-Verlag Friedrich Ellersiek, Berlin S. 59, Wissmannstr. 46. 78 paĝoj, 13 × 19 cm. Prezo: 5 Markoj + 80 %.

La enhavo de tiu instruilo aperis dum 1919 kaj 1920 en la bona ĵurnalo „Esperanto-Praktiko. Ĝi konsistas el 390 germanaj vortoj alfabete ordigitaj, kies diversaj sencoj, 2, 3, 4 ĝis 8 kaj pli, bezonas Esperante tiom da specialaj tradukoj; tiuj lastaj estas montrataj per tutaj frazoj, maldekstre en germana lingvo, dekstre en internacia. Tiel oni aranĝis bonan ilon por perfektiĝi en plena scio de Esperanto kaj valoran aldonon al la vortaroj, kiuj ne povas enteni tiom da detaloj. Samideano trastudinte tiun frazaron certe ne plu tradukos vorte, sed sence, kaj estus dezirinde, ke ni havu tian utilan kolekton por ĉiu nacia lingvo. Plie, kiel diras la aŭtoro, ĉar estas tiel studataj la apartaĵojn de la germana lingvo, la frazoj estus ankoraŭ utile tradukotaj en aliaj lingvoj de ties lernantoj. Kompreneble en tia verko, la frazoj devas esti modelaj kaj el ilia tralego, eĉ ne germana samideano eltiros profiton.

Tre maloftaj dubaĵoj enŝoviĝis: paĝo 35, „kurso" (por manĝo); p. 36, „abnormaĵo"?; p. 49, „anstataŭigi" (por anstataŭi); p. 63, „poento" (en neakceptebla senco). — *G. S.*

**Kiel oni fondas kaj organizas Esperantan Grupon** kun aldono de statutoj por Esperantaj Grupoj, de *Hans Sappl*, Prezidanto de la Esperanta Societo: „Por alta Celo", Graz. Graz, Paŭlus-Eldonejo. 28 paĝoj, 16 × 16 cm. Prezo ne montrita.

Bona verketo, laŭ celo, laŭ aranĝo, laŭ stilo. Oni nur deziras, ke ĉiu nova propagandisto ĝin havu kaj profitu la multajn konsilojn, kiujn la aŭtoro eltiris el praktika spertado. La modeloj por afiŝoj, alvokoj, statistikoj kaj statutoj estas vere praktikaj; la laboro de diversaj komitatanoj precize montrata. Nur unu rekomendita ago estas ne farinda. Estas peti nekonatan samideanon, kontraŭbatali Esperanton en publika kunveno por plivigligi la diskuton. Sed tio estas detalo, kaj ĉiuj ceteraj proponaĵoj estas tute trafaj kaj instruaj por la pioniroj ankoraŭ bezonataj en nia movado. — *G. S.*

**Homaro.** Sendependa broŝuraro. *Marto 1921.* 16 paĝoj, 11 × 15 cm. Sin turni al S-ro J. Mangada Rosenörn, Jaca (Huesca), Hispanio. Prezo: Enlande 1 specimeno = 15 centimoj, 2 sp. = 25 cmj. Fremdlande 1 sp. = 1 respondkupono, 100 sp. = 10 pesetoj = 2 dolaroj = 10 ŝilingoj = 25 frankoj.

Tiu unua kajereto el daŭrigota kolekto reprenas la taskon de la antaŭmilita gazeto „Homaro", t. e. celas tutmondan interfratiĝon. Malfidante la Ligon de l' Nacioj, la iniciantoj proponas la ideojn de Zamenhof, kaj de Novzelandano S-ro Hyde, kiel fundamenton de pli efika ligo. Tial la broŝuro represas la konatan „Deklaracio pri Homaranismo" de nia majstro, proponon de S-ro Hyde pri internaciaj Parlamento, Tribunalo kaj Armeo kaj, aldone, literaturaĵon: „La Tragedio de Francisko Jozefo", tradukitan el la hispana lingvo, fine pensojn el „la Civitano de l' Mondo". Jen la enhavo de tiu interesa kaj nobla sed eble iom teoria pacprogramo. — *G. S.*

**Faka vortareto N-ro 2.** *Terminoj uzataj en la komerco pri peltoj.* Eldonaĵo de Brita Literatura kaj Debata Societo. Kvarpaĝa folio, 13 × 19 cm. Prezo: 2 p. (afrankite 2½ p. aŭ 1 respondkupono).

Tiu listo enhavas, unue, en angla, latina kaj Esperanta lingvoj la nomojn de ĉiuj bestoj, kiuj tiel afable fordonas sian haŭton kaj hararon por protekti aŭ ornami niajn similulinojn, due, la vortojn specialajn al la fabriko aŭ komerco de peltoj. Kiel la unua vortareto, pri fabrikado de ombreloj, tiu nova dokumento estos utila por laborontoj de pli ampleksaj fakaj aŭ teknikaj vortaroj. — *G. S.*

☛ **Ĉu VI repagis vian kotizajon kaj abonon? Se jes, dormu trankvile. Se ne . . .**



# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limoj de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron.*

**Kotizoj:** Membro: *5 Fr. svisaj.* **Aŭstrio:** *50 Kr.* **Baltaj ŝtatoj:** *16 Germ. Mk.* **Belgio:** *8 Fr.* **Britio:** *4 Sh.* **Bulgario:** *20 Lev.* **Ĉeĥoslovakio:** *18 Kr.* **Danio:** *5 Kr.* **Finnlando:** *18 Mk.* **Francio:** *8 Fr.* **Germanio:** *16 Mk.* **Hispanio:** *5 Pes.* **Hungario:** *50 Kr.* **Jugoslavio:** *25 Kr.* **Italio:** *10 L.* **Nederlando:** *2.50 Guld.* **Norvegio:** *5 Kr.* **Polio:** *50 P. Mk.* **Rumanio:** *20 Leo.* **Svedio:** *4 Kr.* **Usono:** *1 Dol.*

Membro-Abonanto, *ricevanta la gazeton: 12.50 Fr. Svisaj. (Naciaj prezoj: Multobligu la tarifon de Membroj per 2½.)*

Membro-Subtenanto, *ricevanta la gazeton: 25 Fr. svisaj. (Naciaj prezoj: Multobligu la tarifon de Membroj per 5.)*

Membro Dumviva *(kun la gazeto kaj ĉiuj oficialaj dokumentoj): 300 Fr svisaj. (Partopagoj trijare po 100 Fr.)*

Entrepreno de UEA *(komercaj firmoj, societoj k. t. p.): 12.50 Fr. svisaj. (Naciaj prezoj: Multobligu la tarifon de Membroj per 2½.) La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro, ĝuas 10% da rabato por anoncoj en la jarlibro kaj rajtas uzi la servon de informpetado.*

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando). — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Poŝtĉeko: I 2310.*

---

**Komitato.** — Kun sincera bedaŭro la Komitato sciiĝis pri la morto de F-ino F. Finholdt en Kristiania, Komitatanino de UEA. Ni varme partoprenas en la funebro de la norvegaj samideanoj kaj dankeme memoras la utilajn servojn de la mortintino, faritaj por la Asocio kiel por la movado en ŝia lando.

Ĉar la nordaj ŝtatoj estas ankoraŭ reprezentataj de du aliaj komitatanoj, nova elekto ne estas antaŭvidata nuntempe.

**Teritorioj.** — *Granda Londono:* Kunveno de la Delegitoj, okazinta la 11 aprilo 1921, elektis kiel Ĉefdelegito: S-ron Philip Kay kaj kiel anstataŭanto: S-ron John Bredall. La Ĉefdel. kaj la Ĝenerala Sekretario konfirmis kiel teritoria Sekretario S-ron Harry A. Epton, c/o British Esperanto Association, 17, Hart street, London W. C. 1.

*Sudorienta Francio:* Per koresponda voĉdonado de la Del., okazinta inter la 2 kaj 10 majo, estis elektitaj kiel Ĉefdelegito: S-ro E. Gabert, Del. en St-Etienne, kaj kiel anstataŭanto: S-ro L. Poncet, Del. en Lyon.

*Finnlando:* Kunveno de la Del. kaj membroj, okazinta la 27 marto en Tampere, elektis kiel Ĉefdelegito: S-ron V. Setälä, Komitatano de UEA, anstataŭanto mankas ankoraŭ.

**La Jarlibro** aperos antaŭ la fino de junio kaj estos sendata al parto de la membroj rekte de la presejo, al la aliaj el Ĝenevo.

**Membrokartoj.** — Kelkaj *novaj* membroj aliĝintaj dum la lasta tempo ne ankoraŭ ricevis membrokarton, pro elĉerpiĝo de la provizo. Ni aldonos la karton al la jarlibro; personoj nericevontaj bonvolu tiam informi nin.

**Novaj aliĝoj.** — Pro la neatendite granda nombro de *novaj* aliĝoj, la numeroj 1, 2, 3 (1921) de „Esperanto" elĉerpiĝis. Sekve de tiu ĝojiga sukceso, ni devas peti la novajn membro-abonantojn aŭ subtenantojn, ke ili bonvolu pardoni la neeblecon sendi al ili tiujn numerojn. Al tiuj, kiuj ĝin deziros, ni sendos kreditigilon por la diferenca valoro.

**Enkasigo de kotizoj.** — Pro la neebleco sendi poŝtrepagilojn senpere, ni petis la sube nomitajn Delegitojn aŭ Perantojn, plenumi tiun laboron por ilia lando.

*Aŭstrio:* D-ro Edm. Sós, Wien; *Belgio:* S-ro H. Petiau, Gand; *Britio:* S-ro H. A. Epton, Terit. Sekretario, London; *Bulgario:* S-ro St. Minkov, Komitatano, Sofia; *Ĉeĥoslovakio:* S-ro F. Kavan, Plzeň; *Finnlando:* Esperanto Oficejo, Helsinki; *Francio:* S-ro L. Poncet, Lyon; *Germanio:* S-ro R. Kreuz, Frankfurt a. M.; *Hungario:* S-ro P. Balkanyi, Budapest; *Italio:* S-ro A. Tellini, Bologna; *Polio:* S-ro St. Rudnicki, Kraków. Ni senpere enkasigas la kotizojn en Danio, Nederlando, Norvegio, Svedio kaj Svisio. Al la membroj en landoj nemontritaj en supra listo, ni sendos specialan informon pri la repago.

**Statistiko de la poŝtaĵoj.** — Movado de la poŝtaĵoj dum aprilo 1921:

Ricevitaj: 771. — Forsenditaj: 2025. — Tuta sumo: 2796. (Antaŭa monato: 2534).

**Kotizoj por 1921.** — Je la 30 aprilo 1921 estis enkasigitaj 4011 kotizoj (de 832 membroj, 3113 membroj-abonantoj kaj 66 subtenantoj). Krom ili estas 197 dumvivaj membroj. Sume: 4198.

**Subtenantaj membroj.**

*Sesa listo:*

63. S-ro Francesco Chierego, Trieste. — 64. S-ro G. de Vries, Ross Nurseries, Amabele, Sudafriko. — 65. S-ro Gjuro Vojkoviĉ, Doboj, Jugoslavio. — 66. S-ro H. Jakob, Genève.

**Garantia Kapitalo.**

*Dua serio:*

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 1200 |
| 5. S-ro N. K. Roscoe, Tokio . . . . . . . . . . . . | 300 |
| | 1500 |

Ni rememorigas, ke ĉiu atesto de la dua serio kostas 300 Fr. svisa valoro. Oni povas ĝin pagi ĉu en unu sola fojo, ĉu en tri jaraj partoj po 100 Fr. Ĉiu akirinto de atesto de la Garantia Kapitalo fariĝas Dumviva Membro de UEA, sekve bezonas pagi nenion plu por la kotizo aŭ la abono al la gazeto, kiaj ajn estos la prezoj. La mendojn kaj pagojn oni bonvolu sendi al la C. O. de UEA.

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en jenaj lokoj:

*Bautzen* (Germanio, Sachsen). — D.: S-ro E. H. Kubenz, telegrafoficisto, Loebauerstr. 10.

*Bosnjaci* (Jugoslavio, Slavonio). — D.. S-ro Gjuro Robotiĉ, instruisto.

*Ĉepelare* (Bulgario, Stanimaŝko). — D.: S-ro Stojan D. Marev, libristo.

*Châlon-sur-Saône* (Francio, Saône-et-Loire). — D.: S-ro Joseph Pion, skribmaŝinoj, 17, rue au Change.

*Coronel Pringles* (Argentino, Buenos Aires). — D.: S-ro Juan Vicente Merlotti, oficisto.

*Deutsch-Gabel* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Meta Heybal, N-ro 1.

*Humppila* (Finnlando, Häme). — D.: S-ro Elias Syrjänen, terkulturisto, Murto.

*Kirdjali* (Bulgario). — D.: S-ro Vasil Vaĉev Tenĉev, tabak-eksperto, „Takandag".

*Lerida* (Hispanio, Katalunio). — D.: S-ro Lluis G. Abadal Corominas, advokato, Major 12/14- I.

*Lodz* (Polio). — D.: S-ro Remigjusz Meczynski, ĉefkasisto, Bank Zachodni. — VD.: S-ro W. Pfeiffer, libristo, librejo Ludwig Fiszer.

*Lwow* (Polio). — D.: S-ro W. Niznik, poŝtoficisto, Dyrekcja Poczt. — VD.: S-ro Marjan Nowicki, oficisto de hospitalo, Glowinskiego 7.

*Meiningen* (Germanio, Thüringen). — D.: S-ro Alexis Voelker, Schlossplatz 2.

*Morteau* (Francio, Doubs). — D.: S-ro Raoul Bretillot, bankoficisto, Place Carnot.

*Nove-Zamky* (Ĉeĥoslovakio, Nystranska Zupa). — D.: S-ro Julius Schmidt, elektristo, Varalja u. 13. — VD.: S-ro G. Geider, prof.

*Otting post Waging* (Germanio, Oberbayern). — D.: S-ro K. L. Leitl, instruisto.

*Pelotas* (Brazilio, Rio Grande do Sul). — D.: S-ro D-ro Bruno de Mendonça Lima, advokato, 500, Rua Marechal Deodoro.

*Perpignan* (Francio, Pyrénées Orientales). — D.: S-ro Emile Bellsola, librotenisto, Villa Esperanto, rue des Villas (Vernet).

*Raspenau* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Adolf Balzer, fervojoficisto, N-ro 85.

*Riga* (Latvio). — D.: S-ro Talivaldo Indra, tradukisto, Parka eela 4a dz. 21.

*Slezska Ostrava* (Ĉeĥoslovakio, Silezio). — D.: S-ro Alois Kubala, minoficisto 329. — VD.: S-ro Eustach Hruby, hejtisto, minejo Terezic, Hladnow.

*Victoria* (Vancouver Island, British Columbia, Kanado). — D.: S-ino Alice Wicks, maŝinskribistino, Bank of Montreal Chambers, Bastion St.

*Wismar* (Germanio, Mecklenburg). — D.: S-ro Karl Peters, instruisto, Am Schilde 6.

*Zittau* (Germanio, Sachsen). — D.: S-ro Trudo Knöfel, studento, Arndtstr. 11 p. — VD.: S-ro Georg Peck, poŝtisto, Neue Burgstr. 9/I.

Ŝanĝoj.

*Kaufbeuren* (Germanio, Bayern). — D.: S-ro Wilhelm Meier, studento, Hauberrisserstr. 4.

*Lisboa* (Portugalio). — D.: S-ro Jorge Saldanha Carreira, komercisto, Avenida Duque de Loulé 50/3.

*Milano* (Italio). — D.: S-ro Ippolito Piatti, Corso Sempione 3.

Lokoj kun alilingvaj nomoj: Lwow = Lemberg = Leopold = Lviv; Nove Zamky = Ersekujvar.

La supraj elektoj fariĝas valoraj, se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D. kaj VD. agas provizore.

Ne plu estas Del. en jenaj lokoj: *Austin* (Usono); *Chambost-Longessaigne* (Francio); *Neusalza-Spremberg* (Germanio).

# Esperanto savas infanojn

La 1 aprilo forlasis Gratz la lasta infantransporto sub gvidado de la agada direktoro Karlo Bartel por vojaĝi Hispanion. Nun gastiĝas tie 300 stiriaj infanoj, inter kiuj estas ankaŭ 25 infanoj el Klosterneŭburg. Kun tiu ĉi transporto finiĝis la sukcesplena helpagado por infanoj malsatantaj, inaŭgurita de Esperanto-Societo por Stirio laŭ propono de nia S-ano Karlo Bartel kaj ebligita per la senlaca, energia laborado de S-ro Emilio Gaston Ugarte en Zaragoza, kiu gvidis la negocojn de la Patronato por Aŭstriaj Infanoj, al kiu apartenas la plej eminentaj personoj de Zaragoza. Plenan jaron postulis ĉi tiu agado por efektiviĝo, kaj ĝi ne estus sukcesinta, se la nomitaj ĉefaj personoj ne estus trovintaj helpantojn. S-roj Gaston kaj Bartel fakte oferis dum tuta tiu tempo ĉiujn siajn laborkapablon kaj tempon. En Hispanio fervorege helpis al S-ro Gaston S-ro Máñez, Del. UEA en Cheste (Valencia), S-roj Alavedra en Tarrasa, S-ro D-ro Josefo Casanovas en Gerona, S-roj José Serrat kaj S-ro Gorgues, Del. UEA en Barcelona, S-ro Belenguer, Del. UEA en Ternel. Dum la veturado tra Italio plenmeritiĝis S-ro D-ro Filipetti, urbestro de Milano, kiu samideane gastigis tri transportojn dum unu tago kaj nokto en Milano, S-roj Arabeno kaj Schmückher, Del. kaj Vicdel. UEA en Genova. Por honori ne nur S-ron Gaston, sed ĉiujn esperantistojn en Hispanio la Esperanto-Societo por Stirio nomigis en sia lasta jarkunveno S-ron Gaston honora membro de la societo kaj transdonigis al li diplomon. Ni esperas, ke la uzitaj kvin-lingvaj flugfolioj, kiujn disdonis la vojaĝantaj infanoj el la vagonoj kaj kiuj trovis plej grandan interesiĝon ĉe la vojaĝanta publiko, alportis ŝatindan utilon al nia kara Esperanto, al kiu ni ja dankas la tutan sukceson. Se ne ekzistus Esperanto kun tiom bonaj adeptoj, niaj nun en Hispanio feliĉegaj infanoj ankoraŭ devus suferi nian mizeron. Vivu Esperanto!

*Dolf Halbedl*, Del. de UEA en Gratz (Aŭstrio).

Ni ricevis la jenan alvokon:

**Savu Infanojn!** — En la nomo de la germana Esperantista instruistaro mi petas ĉiujn Esperanto-familiojn de Eŭropo, kiuj estas pretaj, akcepti germanajn Esp. infanojn dum la somero, sciigi min. Jen certe plej efika rimedo, por forigi la malamon el la mondo. Jam S-roj Blicher kaj sinjorino Mammen el Danio akceptis germanajn infanojn. Eble aliaj Esp. familioj ankaŭ el aliaj landoj, eble ankaŭ el la tielnomataj „malamikaj landoj“ sekvos tiun bonan ekzemplon. Ni germanaj instruistoj certe faros ĉion, por ekstermi la ŝovinismon kaj malamon en la mondo. Tiel ni dankas al la bonfarintoj de niaj Esp. infanoj. Arthur Schumann, instruisto, Weinböhla-Dresden, Kronprinzenstrasse 5, prezidanto de la Germana Esperantista instruistaro.

# Esperantista Literatura Asocio

*Junia raporto*

Ni varme rekomendas la jenan *Alvokon al Naciaj Esperanto-Asocioj:*

Ĉiuj, eĉ skeptikaj gesamideanoj konstatas, ke nia movado eniris novan epokon, la epokon de oficialaj aproboj kaj akcelado, per kio siavice malakriĝas la kontraŭbatalo de kelkaj nekonverteblaj plibonigemuloj.

Nu, kio plej bone pruvos la gravecon de nia kara lingvo? La ekzisto de valora literaturo ĉiuspeca.

Per kio ni plej facile varbos novajn adeptojn kaj tiamaniere plej rapide — ankaŭ en rondoj oficialaj — kreskigos nian anaron? Per la ekzisto de valora literaturo ĉiuspeca, kiu nerefuteble pruvos la gravecon de nia kara lingvo.

Kio, fine, plej certe gardos nian lingvon kontraŭ iaj arbitraj ŝanĝoj, kiajn ni probatalantoj de kultura ideo pro sperto multjara ne povus aprobi sincere? La ekzisto de valora literaturo ĉiuspeca, kiun ne riskos detrui eĉ dekretoj.

Konsiderante tiujn tri faktojn, mi proponas, ke la naciaj Esperanto-asocioj kunmetu liston de ĉiuj tradukindaj verkoj el sia nacia literaturo scienca, teknika kaj beletristika kaj alvoku la kunlaboradon de ĉiuj perfektaj Esperantistoj kaj kapablaj por tia praktika laboro grupoj Esperantistaj. Ne lasante la elekton de tradukotajoj al nura hazardo, per laŭplana organizo ni plej baldaŭ atingos la kreiĝon de la multe dezirata de ni valora literaturo vere „tutmonda“. Por ke la tradukoj estu neriproĉindaj laŭ gramatiko kaj stilo, por tio zorgos la internacia kontrolo de nia Esperantista Literatura Asocio, kies membro estu ĉiu bona kaj devokonscia samideano.

Multaj kontraŭdiros, ke la eldono de verkoj nun ne estas ebla al neriĉaj Esperantistoj. Al tiuj mi respondas, ke laŭ mia opinio nuntempe sufiĉos, se ni povos elmontri la titolaron de tute prespretaj manuskriptoj. Cetere ni esperu, ke la nunaj malfavoraj cirkonstancoj ne daŭros eterne, kaj la senhalta progreso de nia movado ĉiulande ebligos la fondon de „eldonaj akciaj societoj“.

Do kuraĝe antaŭen kaj tuj eklaboru!

10. IV. 21 *Gustav Ziegler*,
Steinheilstr. 10/III, München (Bayern).

Esperantista Literatura Asocio tute aprobas la proponon de sia dumviva ano Gustav Ziegler, ĝi varme ĝin rekomendas.

Ni aldonu du petojn:

1e Samideanoj anoncu al la naciaj Esperanto-Asocioj, kiun fakon ili deziras prilabori: sciencan, teknikan aŭ beletristikan.

2e Oni bonvolu proponi je la komenco ne tro ampleksajn verkojn. Ni entreprenu singardeme la laboron, pripensante la nuntempajn cirkonstancojn. Ni ne postulu neeblaĵojn.

S-ro Edvardo Lonkopolanski (Wiesenfeld), Varsovio, kun la permeso de la aŭtoro tradukis la tutan verkon de Rabindranath Tagore: „La Ĝardenisto“.

En Varsovio oni kreis novan, firman rondon: *Konkordo*, kun la devizo: „Per Esperanto al Paco kaj Konkordo.“

Ĝustigo. S-ro Bonnevie (Kristiania) nin sciigis, ke li nur tralegis kaj iom korektis la eldonotan verkon: „Kio povas okazi al Esperantistoj“ de B. F. Klingenberg (28. IV. 20). Ĝi estas *originala* verko.

Du novaj Esperanto-lernolibroj por germanoj aperis: Lehrgang Esperanto de Jul. Glueck kaj D-ro Edmund Sós, Wien, eld. Paul Knepler, kaj Esperanto-Lehrbuch de S-ro D-ro Goehl, Ader & Borel, Dresden. Ambaŭ libroj estas praktike aranĝitaj, multaj estontaj esperantistoj kun bona efiko ilin uzu.

Nia nova kolego, S-ro K. Ojala, estas nuntempe tradukanta de inĝeniero Hall: „Protektado de laboristoj kontraŭ profesiaj danĝeroj“

el finna lingvo. S-ro Ojala petas la legantojn, sendi al li siajn opiniojn, ĉu la eldono de lia verko estas necesa kaj ĉu troviĝas intereso por ĝi.

„Esperanta Finnlando" daŭre estis sendita al la administrejo de E. L. A., ni tion danke atestas. La bonega gazeto dum sia unua jareldono konatigis nin kun rimarkinda lando, kiu al multaj estas preskaŭ tiel fremda kiel ia azia ŝtato. La vasta lando kun siaj sennombraj lagoj kaj kun sia nekonata lingvo fariĝis al ni tre interesa laŭ ĝiaj karaktero, moroj, antikva legendaro kaj moderna poezio. La dua jareldono sin pli okupas pri sciigoj el Esperantujo, kun ĝojo ni vidas la veran komprenon por nia movado. La stilo kaj uzado de nia lingvo estas bonegaj kaj fundamentfidelaj, escepte la nefundamenta finiĝo „io".

Je nia granda bedaŭro mortis nia kara kolego Edmund Schulz, Ueberlingen. Aliĝis: S-ro Konrad Ojala, Rœdbergsgatan 22 B. 28. Helsingfors, Finnlando. S-ro D-ro Ascan Luteroth, Hospitalstr. 38, Gœritz, German.

*Marie Hankel*, Dresden, Nicolaistr 18.

# Esperantista Vivo

**Fianĉiĝoj.** — S-ro *Edmund Himmelstoss*, Del. de UEA en Osnabrück, kun F-ino *Berta Riesau.*

S-ro *Andreo Bánoczy*, antaŭmilita Del. de UEA en Nagykörös (Hungario) kun F-ino *Sárika Szabo* el Vasáros nameny.

**Edziĝoj.** — S-ro *Sándor Weisz*, Del. de UEA el Lučenec, kun F-ino *Heddy Krausz* el Košice (Ĉeĥoslovakio).

D-ro *Urbano Piscini*, membro-abonanto de UEA, kunfondinto de Roma Instituto de Esp., kun F-ino *Maddalena Rossi.*

**Naskiĝoj.** — Al Ges-roj *Hyman Levine*, Del. en Denver (Col.), naskiĝis filino nomita Helen Margaret.

Al Ges-roj *Picher* en Barcelona naskiĝis filo nomita Libero.

# Niaj Mortintoj

Kun bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

**F-ino J. Finholdt,** instruistino, Kristianio.

Kiel Delegito de UEA en Kristianio estas mia malĝoja tasko sciigi al la Esperantistaro la morton de nia kara komitatanino kaj dumviva membrino F-ino Josefino Finholdt. Post sufiĉe longedaŭra malsaneco ŝi mortis la 3 marto, 63 jarojn aĝa, pro hepata kancero.

Kun ŝi unu el la plej valoraj ĉefoj de la Esperantistaro forlasis nin. Gravega perdo ĝi estas ne nur por la norvega, sed por la internacia Esperanto movado.

Kiel kasistino de Norvega Esperantista Ligo kaj agema membro de multaj Esp.-organizaĵoj ŝi interrilatis kun sennombraj Esperantistoj en- kaj eksterlande, kaj certe multegaj estas la samideanoj en la tuta mondo, kiuj konis ŝin aŭ aŭdis pri ŝi, ŝatis ŝin kaj tial nun funebros eksciintaj pri ŝia tiel tro frua morto. Ĉar F-ino Finholdt estis Esperantistino en la plej bona kaj vasta senco de l' vorto, jam de 1906.

Por la propagando en Norvegio ŝi konstante laboris, ĉiam ŝi gvidis kursojn, kaj inter infanoj kaj inter plenkreskuloj, ĉiam ŝin okupis la persona propagando kaj buŝe kaj skribe tra la tuta lando. Ŝi skribis en la norvega gazetaro kaj enpresis je propra elspezo propagandajn anoncojn. Inter siaj malgrandaj lernantinoj de popola lernejo ŝi formis kaj instruis knabinan ĥoron, kies membroj ankaŭ lerte interparolis kaj deklamis en Esperanto, kaj kiu tiel estis plej valora propagandilo ĉe propagandaj aranĝoj. Inter ŝiaj samprofesianoj ŝi fondis „Esp.-Unuiĝon de Norvegaj Instruistoj" (Unio) kaj lokigis ĉe sia privata loĝejo la kunvenojn de ties loka grupo kaj ankaŭ la ĉefkontoron de Norvega Esperantista Ligo (nun translokita al S-ro H. Bonnevie, Bergsliensgt. 11). Ŝi vigle propagandis ĉe fakaj kongresoj de ne-Esperantistoj, ekz. ĉe tiu de la skandinavaj instruistoj kaj ĉe tiu de la mondunuiĝo de la virinoj.



Sed kia vera kaj fidela Esperantistino ŝi estis, plej bone montriĝis per ŝia imitinda konduto laŭ la principoj de l' interna ideo de Esp. Kore ŝi akceptis ĉiujn Esp-istojn ĉe si, laŭpove ŝi vizitis la mond- kaj aliaj kongresojn, ĉie ŝi per sia ĉarma kaj gaja animo, inteligenta kaj kuraĝiga konversacio havigis al si geamikojn.

Age kaj mone ŝi laŭpove subtenis multajn eksterlandajn Esp.-organizaĵojn kaj gazetojn dum malfacilaj periodoj, kaj kion ŝi faris dum kaj precipe ĵus post la milito por la suferantoj en la mezeŭropaj ŝtatoj estas unika, kaj tio certe por ĉiam gravuris ŝian nomon inter la Esp-istoj, kiuj laŭpove provis praktike efektivigi la internan ideon de l' Esp-ismo, kiun tiel insiste rekomendis al ni la Majstro. Monon, nutraĵojn kaj vestaĵojn ŝi sendis kaj igis aliajn sendi. Multaj estas la izoluloj, kiujn ŝi iel helpis per oferema mano. Sed pli ol tio: ŝi aranĝis vizitojn en Norvegio de infanoj kaj instruistoj de la suferantaj landoj, kaj siajn lastajn fortojn ŝi uzis por prepari kaj ordigi tiajn aferojn, kiuj estis ŝiaj lastaj grandaj faroj de amo.

La funebra ceremonio okazis la 7 marto kun ĉeesto de centoj da amikoj kaj amikinoj, kvankam ŝi havis neniujn parencojn vivantajn. Tio estis plej bela manifestacio pri ŝia ĝenerala amateco kaj estimateco. La ĉerkon kovris la verda standardo, kaj ŝia ĥoro de 14 jaraj knabinoj ĉirkaŭis ĝin. Ŝi estis petinta, ke oni ne paroladu ĉe ŝia ĉerko, tamen estis 4 paroladoj, ŝi estis petinta, ke oni ne metu florojn sur la ĉerkon, tamen ŝi ricevis multajn. Tre belajn kaj emociigajn paroladetojn diris la ĉefinstruisto de ŝia lernejo, la ĉefino de la urba instruistina societo, la ĉefino de Ligo de Norvegaj instruistinoj kaj la prezidanto de Norvega Esperantista Ligo, kiu ankaŭ metis florkronojn de la Norvegaj Esp-istoj, kaj de UEA. Florkronon ankaŭ metis ano de la loka laborista grupo.

*Rolf Bugge-Paŭlsen*, UEA-Delegito, Kristiania.

**Kosta Danĉev,** 16-jara tre fervora membro de la Esp. societo en Karlovo (Bulgario).

D-ro **Alfred H. Fried,** pacifisto kaj nobelpremiulo mortis en Wien atinginte aĝon de 57 jaroj. Per li, la pacifista movado perdis unu el siaj plej energiaj kaj senlacaj batalintoj kaj teroriuloj; dum sia tuta vivo li laboris por la ideo de interŝtata organizo, kaj multnombraj estas liaj artikoloj plejparte aperintaj en la de li redaktita revuo „Friedenswarte". De liaj pli grandaj verkoj citinde estas la „Handbuch der Friedensbewegung" (Manlibro de la Pacmovado) kaj la „Kriegstagebuch" (Dummilita Taglibro). Meritplena kandidato por

la premio de Nobel, la komitato honorigis lin en la jaro 1911 per transdono de tiu-ĉi premio. Dum la milito li multe skribis en svisaj taggazetoj kun rimarkinda stilo kaj posedo de la materio. — Tre malnova Esperantisto, verkinto de gramatiko, A. H. Fried restis ĉiam varma defendinto de nia afero, kvankam li ne plu partoprenis aktive. Li interesigis por nia movado S-inon von Suttner, verkistino de la romano „For la batalilojn". Lia nobla agado ne forgesiĝas; la historio de la pacmovado estas por ĉiam ligata kun lia nomo. *H. J.*

**W. F. Lutter,** malnova kaj bonkora samideano mortis en Hago.

**Edmund Schulz,** prezidanto de la grupo de Schweidnitz mortis en Bad Ziegenhals. Li vizitis la kongresojn de Antwerpen kaj Bern. Li ĉiam fervore propagandis Esperanton.

F-ino **Theodora Stubenrauch,** el Charlottenburg, mortis akcidente. Ŝi estis 71-jara. Ŝi estis fervora esperantistino.

F-ino **L. Trávníčková,** bibliotekistino de la laborista grupo en Plzeň, mortis 19-jara.

---

S-ro **Otto Ŝupich,** patro de nia fervora Delegitino F-ino Julie Ŝupichova en Praha.

Kun granda bedaŭro ni sciiĝis pri la subita akcidenta morto de **Hugo Tarnow,** filo de nia malnova samideano P. Tarnow en Kiel, kiu havis la malfeliĉon perdi filineton antaŭ ne longe.

S-ino **Maria V. Toŝkova,** patrino de nia Delegito en Batak (Bulgario).

---

# Svisa Esperanta Societo

1e *Voĉdono pri landnomoj.* Sufiĉe multaj grupoj aŭ izoluloj respondis la enketon. Kelkaj ne donis respondon per *jes* aŭ *ne*, sed esprimis diverse sian opinion. La Centra Komitato de S. E. S. en unu el siaj kunsidoj diskutis pri tiuj dubaj respondoj Ĉion kalkulinte, ni trovis, ke la plimulto de S. E. S anoj estas *kontraŭ j* al la propono de grupo Zuriĥa. (La propono estis ara protesto al nia gazeto kaj UEA kontraŭ la uzo de „io" por landnomoj. *Red.*). Sekve, ni *ne* agis en la senco de la propono.

2e *Ekzamenoj.* Esperantaj ekzamenoj okazis la 20 februaro en *Rorschach.* Sukcese ilin plenumis: F-ino Wilma Bauer, el Innsbruck. S-ro Wilhelmo Wüst, el Rorschach. S-ro Johano Coppini, el Rorschach. Kiel juĝantoj funkciis: S-ro H. Kürsteiner, el St-Gallen; S-ro Otto Haller, el Rorschach; S-ro Jean Wenger, el Neuchâtel.

Ni uzas la okazon por rekomendi al ĉiuj samideanoj, ke ili klopodu akiri „Ateston pri lernado" aŭ „Superan diplomon". Ĉiu grupo deziranta aranĝi ekzamen-kunsidon turnu sin al: S-ro Jean Wenger, Côte 113, *Neuchâtel.*

3e *Lernolibroj.* — „26×20 centimetra; 104-paĝa; ilustrita; klare presita; prezentanta apartan metodon de instruado; verkita laŭ vera Fundamentismo; kostanta nur *fr. 2.—;* mendebla ĉe: F-ino E. Straub, Coulon 12, *Neuchâtel.*" — La verkon „*Bildotabuloj por la instruado de Esperanto*" ni tre rekomendas al niaj grupoj kaj izolaj membroj. Ni povis aĉeti ĝin malkare en Germanujo. La metodo uzata en ĝi estas la tielnomata „*senpera metodo*": Bildoj prezentas scenojn el la vivo ĉiutaga, el la naturo, k. t. p.; numeroj sur la objektoj ebligas nom-trovadon; ekz. sur bildo „La familia ĉambro", paĝo 40, 31 = patro; 14 = patrino; 28 = skribotablo; 19 = kanapo; 16 = libroŝranko; k. t. p. Krom tio: ekzercoj konversaciaj; legaĵoj; Bulonja Deklaracio; Letero pri la deveno de Esperanto; la 16 regula gramatiko; la „Ekzercaro"; 3 poemoj kaj la portreto de Zamenhof. En la prezo ankaŭ la afranko *jam* estas enkalkulita. Oni mendu tuj.

Nome de la Centra Komitato de S. E. S.,
Prezidanto: *Jean Wenger.* Sekretario: *William Perrenoud.*

# TRA LA FAKOJ

## Libertempaj kursoj en Svislando

La svisaj universitatoj organizas kursojn por pliperfektiĝi en germana aŭ en franca lingvo dum la daŭro de la libertempoj. La jenaj informoj eble interesigos kelkajn el niaj legantoj.

*Universitato Basel.* — 25 julio ĝis 3 septembro. Kurso de germana literaturo. Kosto: 120 Fr. Sin turni al la sekretariejo de la Universitato.

*Universitato Lausanne.* — 25 julio ĝis 19 aŭg. (2 serioj). Kurso de franca lingvo kaj literaturo. Kosto: 60 Fr por la kurso — aldono de 40 ĝis 60 Fr. por praktikaj kaj elparolaj lecionoj. Ĉiusemajne ekskursoj kaj promenadoj. La enskribitaj lernantoj ricevos ateston, kiu plifaciligos la akiron de pasporto. Sin turni al: M. le directeur des Cours de Vacances, Université, Lausanne.

*Universitato Neuchâtel.* — Du kursoj de franca lingvo. 18 julio ĝis 13 aŭgusto kaj 15 aŭgusto ĝis 10 septembro. Prezo de ĉiu kurso: 45 Fr., de ambaŭ: 80 Fr. Sin turni al: M. le Directeur des Cours de Vacances, Université, Neuchâtel.

## Universala Sport-Ligo

celas plimultigi kaj plifaciligi rilatojn inter ĉiulandaj sportistoj, krei sportan literaturon, servi kiel peranto en la internaciaj rilatoj de sportaj organizajoj. diskonigi kaj disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto ĉe la sportistaj rondoj. U. S. L serĉas reprezentantojn en ĉiuj landoj kaj en ĉiuj urboj. U. S. L. jam havas naciajn konsulojn en sekvantaj landoj: Italio: S-ro De Masi, Lungarno Gambacorti 23, Pisa; Francio: F-ino J. Flourens, av. G. Clémenceau, Béziers (Hérault); Jugoslavio: S-ro Alfonz Bertoli, Zagreb, Prilaz Baruna Filipovica 6; Germanio: S-ro D-ro Robert Theilhaber, Rechtsanwalt, München, Neuhauserstr. 29; Polio: S-ro Cz. Pruski, Siedice, str. 3 go Maja 28; Nederlando: S-ro H. Th. Greidanus, Leiden, Zoet Singel 44 A; Japanio: S-ro Tomio Ogata, studento ĉe la Dai San Kotogakki, Kioto; Hungario: S-ro Paŭlo Rado, IX Ráday u. 8, Budapest; Hispanio: S-ro Jozefo Meseguer, 7, Recaredo, Barcelona; Ĉeĥoslovakio: S-ro Pavel Filovsky, Stramberk, Moravio; Sud-Italio: S-ro G. Amelio, Via Scuole 54, Potenza; Svisio: S-ro Stef. Pedrazzini, Locarno.

Mi petas ĉiun sportiston, kiu partoprenos la XIIIan en Praha, ke li tuj anoncu sian adreson al mi, por ke Universala Sport-Ligo povu prizorgi ĉion necesan por la Universala Sport-Ligo kunvenon. Jen la tagordo de nia faka kunveno: Raporto pri U. S. L ; *b)* Teknika sport-vortaro; *c)* Regularo de U. S. L.; *d)* Sport-Revuo; *g)* diversajoj.

Aliĝu senpere ĉe la sekretario: S-ro Stef. Pedrazzini, Locarno (Svislando).

.·. *Kongreso de katolikaj studentoj* okazos en Praha 9—13 julio. Eksterlandaj kongresanoj pagos malaltigitan vizon ĉe la ĉeĥoslovakaj konsulejoj. Sin turni al „Pripravny vybor sjezdu kat. student. Praha II, Voršilská 1".

.·. *Alvoko al ĉiulandaj geinstruistoj!* Mi petas, sendu al mi viajn proponojn rilate al la pedagogia kunveno ĉe la XIII-a en Praha. Aldonu respondkuponon! Skribu al aranĝantino de la pedagogia kunveno, faka instruistino Julie Ŝupichová, Del. de UEA, Praha II, Malá Štepánská 6, Ĉeĥoslovakio.

.·. *Alvoko al kuracistoj!* Kolegoj! Venu grandnombre al la Dektria kaj partoprenu nian kuracistan kunvenon!

Jen nia programo laŭ ĝis nun anoncitaj raportoj: 1e D-ro W. Robin el Warszawa: „Pri revivigo de T E. K. A". 2e D-ro K. Mezei el Budapest: „Internacia medicina revuo". 3e Prof Richet el Paris: „Medicina terminologio". 4e D-ro Blasberg el Krakow: „Transformiĝado de ideoj kaj direktoj en la moderna kliniko". 5e D-ro K. Weiss el Stuttgart: „La kuracista organizado kaj la kontraŭmalsana asekuro en Germanio". — Programo ankoraŭ povas esti ŝanĝota aŭ pliigota!

Postkongresa ekskurso al la famekonataj nordbohemaj banlokoj: Franzensbad, Marienbad, Karlsbad kaj Joachimsthal. Aliĝu kiel eble plej baldaŭ kaj anoncu vian aliĝon ankaŭ al mi private per poŝtkarto. M. U. D-ro Adolf Bischitzky, Praha, Mikulášská 12.

## Universala Framasona Ligo (Esperantista)

La jarkunveno de suprenomita ligo okazos en Praha la 2 aŭgusto 1921, dum la XIIIa Universala Kongreso de Esperanto. Tiu ĉi kunveno havos grandan signifon por la propagando de Esperanto inter la framasonoj ĉiulandaj. Ĉiuj framasonoj, vizitontaj la kongreson, estas invitataj ĉeesti ĉi tiun kunvenon. Provizora tagordo: Malfermo. Protokolo. 2. Raportoj sekretario-kasisto. 3. Propagando-rimedoj. 4. Aliĝo al „Federacio Framasona".

Ĉiuj framasonaj samideanoj estas petataj, se eble, halti en Frankfurt a. M., kie okazos antaŭkonferenco. Oni sin turnu al S-ro C. Barthel, Wöhlerstr. 14, Frankfurt a. M. Diskonigu ĉi tiun alvokon en la framasona gazetaro en via lando.

* * *

Kelkaj membroj de „*Universala Ko-Framasonio*" (Ordre Maçonnique Mixte Internationale „Le Droit Humain") aranĝos *publikan* kunvenon dum la XIIIa Universala Kongreso de Esperanto en Praha. Temoj: 1. Kio estas Framasonio? 2. La virino en la Framasonio. 3. La Ordeno de Universala Ko-Framasonio.

Interesuloj estas invitataj ĉeesti ĉi tiun kunvenon, kies temoj estas gravaj por la nuntempo. La paroladoj estos tute en Esperanto. Samspeca kunveno okazos la 29 julio en Frankfurt a. M. Paroladoj en Esperanto kun germana traduko. Broŝuro „Kio estas Universala Ko-Framasonio" en preparo.

# Esperantista Parolejo

## Oni laŭdas!

*Ni presigas en ĉi tiu senpaga rubriko dankojn nur pri gravaj servoj plenumitaj de niaj delegitoj.*

.·. S-ino *A. Hrbáčková* el Zlin tutkore dankas al S-ro Vilho Holopainen, Del. de UEA en Kristiina por afable plenumita peto.

.·. S-ro *Ernest Hediger,* Membro el Genève, dankas S-ron L. Poncet, Del. en Lyon, pro komerca servo precize plenumita.

.·. La *C. O. de UEA* sincere dankas S-ron A. Cseh en Targul-Mureŝ (Rumanio) pro liaj legeblaj, bone ordigitaj, laŭ la gazeto redaktitaj kronikajoj kaj anoncetoj. Multaj lin imitu!

.·. Familio *Preszler,* Targul-Mureŝ (Rumanio), tre kore dankas S-rojn O. Poehlmann kaj T. Sigel, Del. de UEA, ambaŭ en Detroit (Mich., Usono), per kies bonvolaj klopodoj ĝi retrovis parencojn jam de pluraj jaroj vane serĉitajn.

.·. S-ro *K. Gyulai,* sekretario de l' Esp.-Centro en Targul-Mureŝ (Rumanio), kore dankas S-rojn D-ro O. Huber, Vicdel. de UEA, Bern, A. Pitlík, Praha, kaj H. Böning. Stuttgart, pro afable liveritaj informoj.

.·. *Esp.-Centro* kaj *Esp-ista Grupo* en Targul-Mureŝ (Rumanio), perjene sendas koran dankesprimon al ĉiuj afablaj sendintoj de propagandiloj laŭcele utiligotaj.

.·. *Laborista Esp-Grupo en Sibiu* (= Hermannstadt), Rumanio, dankeme kvitancas la alvenon de multaj propagandiloj el la tuta mondo afable senditaj.

.· S-ro *generalo Iliaŝeviĉ,* Gallipoli (Grekio), kore dankas al Centra Oficejo de UEA, al Pariza Centra Oficejo (51, rue de Clichy) kaj al S-ro P. Medem (Kovno) por lia malavara donaco de Esp. librojn. Li ricevis ankaŭ el Pariza librovendejo Rodstein francajn lernolibrojn je nomo de S-ro M Mikhailov kaj N. Paltchevsky, el Pariza magazeno Bernard Gilbert paperon, kovertojn, krajonojn, inkon, plumingojn, el Pariza Universala Komerca Muzeo gvidlibrojn kaj propagandfoliojn. Al ĉiuj li esprimas sinceran dankon por ilia helpo disvastigi Esp. kaj pruvi Esp. solidarecon. Dankon al Del. en Konstantinoplo, S-ro A Stamatiadis, por afable plenumita servo. Li plie sincere dankas la Centran Oficejon de UEA, kiu daŭras alsendi diversajn lego- kaj lernolibrojn por liaj lernantoj. Dankon al S-ro Ĝenerala Sekretario, kiu alsendis librojn el sia privata biblioteko. Laŭ alvoko en „Esperanto", S-ro Iliaŝeviĉ ricevis Esperantajojn de 1e Del. en Helmstedt, S-ro Erich Lüer; 2e Del. en Tecuci, S-ro Mihai Ulĉica; 3e S-ro G. Stuart Menieth el London; 4e S-ro Fritz Michalek el Reichenberg. Koran dankon al ĉiuj.

## Oni petas!

*Ni publikigas nur alvokojn kiuj havas ĝeneralan intereson por la Esperantistaro.*

.·. *Ripetu vian adreson sur ĉiu korespondaĵo!* — Azia korespondanto skribas al ni: „Necesus, ke ĉiu korespondanto konstante donu sian adreson prefere per stampilo, kaj ke li ne lokigu ĝin apud la poŝtmarko, kie ĝi certe estos nelegebligita per la poŝtstampo. Plurfoje mi havis pli da malhelpoj serĉante adreson en malnovaj leteroj ol necesas por la respondo mem. Multaj adresoj estas nelegeblaj, eĉ kelkfoje mankas la nomo de la sendinto." Ni admonas la poŝtkartkolektantojn pripensi tiun aferon facile korekteblan.

.·. *Peto.* — Rusaj elmigrintoj en Jugoslavio petas rilatojn kun jugoslavaj samideanoj. Ili bezonas kaj danke ricevus lernolibrojn, gazetojn Esperantajn, legolibrojn, k. t. p. Sin turni al S-ro Nikolaj Baskakov, Ruska Kolonija en Opava (Banat), Jugoslavio. Korespondado kun ĉiuj landoj dezirata.

.·. *Al ĉiuj komercistoj, industriuloj kaj kolektantoj.* — La brazila registaro decidis solene festi la 1-an centjaran datrevenon de la nacia sendependeco, efektivigante en Rio de Janeiro, dum la monatoj septembro, oktobro kaj novembro 1922, grandegan Nacian Ekspozicion pri komerco, industrio, transportoj, kutimoj, k. t. p. La Agada Komitato de tiu ĉi Ekspozicio disdonos kaj dissendos al ĉiuj, kiuj ilin petos, fotografaĵojn, poŝtkartojn, prospektojn kaj statistikajn informojn, kiel propagandon de la Ekspozicio kaj de la brazilaj produktaĵoj, naturaj belaĵoj, k. t. p. Jen estas do bonega okazo por montri la disvastigon de Esperanto tra la mondo.

Ĉiu, kiu deziras ricevi tiajn sendotaĵojn, tuj skribu en Esperanto al tiu Komitato petante ilin.

Oni preskaŭ povas garantii, ke, se la Komitato ricevos grandan nombron de tiaj petoj, ĝi decidos uzi Esperanton por la reklamo de la Ekspozicio.

Estas tre ĝojige, ke la Ĝenerala Sekretario de tiu Komitato estas la malnova Esperantisto S-ro J. B. Mello e Souza, ankaŭ Ĝenerala Sekretario de Brazila Ligo Esperantista.

Adresu vian peton al: Commissao Executiva do Centenario, Bibliotheca Nacional, Rio de Janeiro (Brazilo).

.·. Sampierdarena Esperanto-Societo, okaze de sia proksima X-a datreveno, organizos Esperantan feston kaj komercan Esperantan ekspozicion. Ĝi petas varme ĉiuj Esperantistoj sendi al ĝi Esperantajn komercajn katalogojn, reklamaĵojn, prezarojn, gvidfoliojn, k. t. p Tiamaniere oni helpas ĝin en sia propagando inter la komercistoj. Adresu ĉiujn Esperantaĵojn al S-ro Eugenio Rondini, Del. de UEA, Via Umberto I. 49, Sampierdarena (Italio).

.·. *Alvoko! Prelegadoj pri Argentino.* S-ro Ludoviko Kelety el Buenos Aires travojaĝos dum somero multajn landojn de Eŭropo kaj intencas fari en urboj, kie la Esp. grupoj invitas lin, kun lumbildoj paroladojn pri Argentino! Ĝi estus efika propagando por nia lingvo! Kiuj do volas tian prelegadon aranĝi, skribu kiel eble plej baldaŭ al li! Nuna adreso provizora ĝis somero: Ludoviko Kelety, Szászsebes, Transsilvanio (Rumanio). Esp. gazetoj bonvolu represi!

---




Gvidanto:
*Fr. Hájek,* Přemyslovo n. 396, Praha-Nusle (Ĉehoslovakio)

**Problemo N-ro 8**
*F. V. Arbetaro,* Praha
(Originalo)



Ekludante, Blanko matos per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 9**
*J. Vaŝta,* Choustnik
(Originalo, korektita probl. el j 1911)



Ekludante, Blanko matos per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 10**
*G. Heathcote*
(Good Comp. Folder 1916)



Ekludante, Blanko matos per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 11**
*D-ro H. v. Gottschall*
(Bohemia 1909)



Ekludante, Blanko matos per la 2-a movo.

*Solvoj de la problemoj:*

N-ro 6. 1. D d 1 — g 1, Ĉ a 3 × b 5, 2. c 2 — c 4 + k. t. p.
Ĉ a 3 — c 4, 2. K b 5 × c 4 + „
R d 5 — e 4, 2. D g 1 — g 2 + „
R d 5 — e 6, 2. D g 1 — g 8 + „
laŭvole, 2. D g 1 — g 8 + „

N-ro 7. R f 3 — e 3 k. t. p.

*La jenaj samideanoj ĝuste solvis: Problemon N-ro 4:* Urjo Kasi, Imatra (Finnl.); B. Martins d'Almeida, Lisbono (Portug.). — *Problemojn N-ro 4 kaj 5:* H. Etzerodt, Hammel (Danio); J. G. de la Serrana kaj E. Castellano Vita, Baza (Hisp.); Th. Rawlinson, Wavertree, Liverpool; E. F. Relf, Teddington, Middlesex; S. Deakin, Kensington, Liverpool (Angl.); W. Chmellarz, Teplitz-Sch.; T. Mizera kaj J. Beller, Ĉ. Budějovice; Fr. Mayer, Goldenöls (Ĉeĥosl.).

S-ro V. Lamberts, Bruxelles (Belg.) kaj F-ino A. Hrbáčková, Zlin Ĉeĥ.) bonvolu ankoraŭ kontroli la solvojn.

*Rimarko.* La publikigo de la nomoj de la solvintoj ne povas pli frue okazi ol en la postvenonta gazetnumero.

*La vetludon pri la mondŝakmajstreco* gajnis dum aprilo de tiu ĉi jaro S-ro J. R. Capablanca, naskita en Habana 1888. Li surprizis la ŝakajn rondojn per sia granda venko, gajninte 5 ludojn sen perdo kaj nuliginte 10 ludojn. Capablanca lernis la ŝakludon en aĝo de kvar kaj duono da jaroj, pli frue ol li kapablis legi kaj skribi. Jam 12-jaraĝa li estis konsiderata kiel la plej forta ludanto en sia patrolando. Liaj fortoj rapide evoluis kaj malgraŭ tio, ke li ne multe partoprenis en la luktoj inter eminentaj majstroj, oni kutimis lin ŝati kiel unu el la plej lertaj. Fine li atingas la plej altajn ŝtupojn, venkinte la mondŝakmajstron Lasker.

---

# REKLAMO

## KORESPONDADO

*TARIFO.* Unu enskribo (la adreso kaj ne pli ol 5 vortoj): Fr. 0.75. — Por ĉiu plua linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50. — Rabato da 10 % por 3 enpresoj kaj 25 % por 12 enpresoj.

Unu enpreso en nacia mono: *Aŭstrio* 7.50 Kr.; *Belgio* 1.20 Fr.; *Britio* 7½ d.; *Bulgario* 3 Lev; *Ĉeĥoslovakio* 2.70 Kr.; *Finnlando* 1.80 F.M.; *Francio* 1.20 Fr.; *Germanio* 2.40 Mk.; *Hispanio* 0.75 P.; *Hungario* 5.50 Kr.; *Italio* 1.55 L.: *Jugoslavio* 4 Kr.; *Nederlando* 40 Cent; *Polio* 7.50 M.; *Skandinavio* 0.75 Öre; *Svisio* 0.75 Fr.; *Usono* 0 30 Cendoj. — Kie la aĉeto de respondkuponoj estas ebla oni sendu tiajn. (Unu enskribo = 4 respondkuponoj.)

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarko sur bildflanko.* k. ĉ. l. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.*

---

### Internacia korespondado jam fariĝis multekosta afero

Kun granda bedaŭro mi estas devigata sciigi al miaj multegaj fremdlandaj gekorespondantoj, ke mi, pro la grandega plialtigo de la internaciaj poŝtaj tarifoj ne povas daŭrigi mian interkorespondadon.

Mi kore dankas al miaj multaj fidelaj amikoj en diversaj landoj kaj terpartoj, kiuj dum multajn jarojn korespondis kun mi, mi neniam forgesos ilin.

Ankaŭ mi sciigas al la Esperantistaj filatelistoj kaj aliaj, ke mi *tute ne* interŝanĝas poŝtmarkojn, kaj ke mi neniam respondos al tiurilataj leteroj aŭ proponoj.

Mi ricevis grandegan aron de migrantaj kartoj — jes centoj — estas tute neeble por mi ilin antaŭensendi kaj pagi la altegan sendkoston, mi tre simple bruligos ilin.

Se oni sendos al mi sufiĉan afrankon por la respondo, mi akurate respondos.

*Björn P. Blöndal,* Hvammstanga, Islando.

**Atentigo!**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante se ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

### Aŭstrio

**Wien VIII/4.** — S-ro Josef Koinhofer, Zehetnergasse 37, PM, PK, Esp. gaz., k. ĉ. l. (vendas PM, postulu prezaron).

### Belgio

**Antwerpen.** — F-ino Alice Van Ganse, instruistino, Boomgaardstraat 77, PM, PI, L.
**Gent.** — S-ro Armand Leyns, Dock N-ro 63, PI, bfl.
**Huy.** — S-ro Armand Landenne, 9, rue St-Stanislas, PM.

### Britio

**Glasgow.** — S-ro Struthers, 14, Church Street, PI (belegajn vidaĵojn), k. ĉ. l.

### Bulgario

**Kirdjali.** — S-ro Vasil Vaĉev Tenĉev, Tabak-eksperto, firmo „Tahadag", PI, L, k. ĉ. l.
**Sofia.** — S-ro Georgi Hr. Gaŝevski, Centra Librejo Esperanto, L, PI, k. ĉ. l. (pri ĉiaj temoj).

### Ĉeĥoslovakio

**Bodenbach.** — S-ro August Felix, komercisto, PI, PM, Esp. gazetoj, prezaroj.
**Bratislava** (Pozsony). — S-ro Emil Wanitsek, mestsky dom., L, PI.
**Brno.** — S-ro Friedrich Martinek, Trnitá 21, L, k. ĉ. l. (kun ĥemiistoj, apotekistoj kaj drogistoj, prefere kun oriento).
**Dessendorf** bei Gablonz a. N. — S-ro Gustav Förster, posedanto de tradukoficejo „Kosmopolit", petas ĉiujn eksterlandajn artamantojn sendi multegajn nur vere interesajn PI (popol- kaj naciaj kostumtipoj) bfl. Kompenso laŭdezira. Serĉas daŭran amikan korespondadon Esperantan, francan, italan, hispanan, ĉeĥan. Aĉetas interesajn fremdlingvajn ilustritajn gazetojn, librojn kaj precipe belajn, verajn artmetiajn laboraĵojn (antikvaĵojn) el Oriento, Orienta Azio kaj aliaj landoj.
**Herman.** — S-ro J. K. Huttar, P. p. Razice u Pisku, PM, PI, Esp-aĵoj, k. ĉ. l
**Kladno.** — S-ro Jaromir Škarda, Palackého str. 1568, PM, PI, malgrandaj objektoj, k. ĉ. l.
**Kladno.** — S-ro Franzisco Čermák, kasisto, Václavka, PM, PI, k. ĉ. l.
**Kladno.** — S-ro Frederiko Rot, Václavka, PM, PI, k. ĉ. l.
**Kladno.** — S-ro Franzisco Stuj, Václavka, PM, PI, k. ĉ. l.
**Krochwitz** b. Bodenbach. — S-ro Wilhelm Lehnert, N-ro 127 (pri socialismo kaj laborista movado).
**Krochwitz 46** ap. Bodenbach. — S-ro Edmund Pöche, PI, bfl, k. ĉ. l. (ankaŭ pri botaniko).
**Krochwitz 56** ap. Bodenbach. — S-ro Rudolf Maier, PI, bfl, k. ĉ. l.
**Moravany** (Boh.). — S-ro inĝ. Leopold Berger, PI, PM, Esp-aĵojn (kolektas adresojn).
**Nusle 294.** — S-ro Frant. Kliment, PI (ĉiuspecaj).
**Nusle 11.** — S-ro Gustav Ctibor, L (pri vivasekuro).
**Proseč-Skuč.** — S-ro Ant. Bárta, PM, PI, broŝuroj por propagando de Esperanto.
**Pihl-Haida.** — S-ro Ferdinand Jochmann, maŝinkomercisto (pri komerco de maŝinoj).
**Pisek.** — S-ro J. Huttar, Budova gymnasia, PI, PK, L, E, PM, k. ĉ. l.
**Praha II.** — S-ro B. Vrany, Koubková 6, PI, L, PM, G.
**Reichen 98** bei Tetschen. — S-ro Anton Wagner, muelisto, PI, L, k. ĉ. l. (precipe samfakanoj).
**Reichenberg.** — S-ro Fritz Michalek, elektrokomercisto, Lerchenfeldstrasse (pri la XIIIª kongreso en Praha).
**Ruzomberok.** — S-ro A. Hilscher, oficisto de Slovenska banka, PI, bfl, L (pri ĉio).
**Saaz.** — F-ino Ella Eckert, Pertsch 1222, L, PK.
**Saaz.** — S-ro Franz Eckert, Pertsch 1222, L, PK.
**Saaz.** — S-ro Fleischer Wenzel, Karlsbaderg. 856, L, PK.
**Saaz.** — S-ro Willy Seifert, Krong. 155, PK, PM.
**Saaz.** — S-ro Josef Parton, Mühlviertel 574, PK, PM.
**Teichstadt.** — Kurso de S-ro Patzelt.
**Tetschen-Liebwerd.** — S-ro Fritz Heuer, PI, PM, k. ĉ. l. (tuj respondas).
**Teplitz Schönau.** — F-ino Marianne Popper, Alleegasse 23 (28), PK.
**Teplitz-Schönau.** — F-ino Kläre Popper, Alleegasse 23 (28), PK.
**Teplitz-Schönau.** — F-ino Paula Willert, Alleegasse 30, PK, L.
**Teplitz-Schönau.** — S-ino Olga Schwabach, Badegasse 28, PK, L.
**Teplitz-Schönau.** — F-ino Annemarie Zenk, Bergstrasse 5, PK, PM.
**Teplitz-Schönau.** — S-ro Ferdinand Kudela, Langegasse 40, PK.
**Trautenau.** — S-ro Karl Wolf, Gebirgsstr. 54, PI, PM.
**Unter-Polaun 488** ap. Gablonz. — S-ro Rudolf Linke, instruisto, PM, k. ĉ. l.
**Velesin.** — F-ino Sona Kamarytova, PM.
**Vrsovice** — S-ro D-ro Fr. Prachfeld, Spojka 17, PM (kun seriozaj filat., minim. por 50 kat. val., k. ĉ. l.).
**Wilsdorf b. Bodenbach.** — F-ino Filomena Lustinek, PI, bfl, k. ĉ. l.
**Zilina.** — F-ino Kamilla Hlučil, poŝtoficistino, PI (nur artajn pri la naturo).

### Estonio

**Haapsalu** — S-ro Grünthal, fotografisto, PI, L, stereoskopaj-fotoj (nur kun fotografistoj).
**Narva.** — S-ro Eduard Päru Krenholm, „Moisa", Aalu 4, PI, bfl, k. ĉ. l.
**Narva.** — S-ro Valerian Sergejev, Vabaduse tän. 24, PI, PM, bfl, papermono (kun neeŭropanoj).
**Narva.** — S-ro Aleksandro Bränner, Krenholm „Moisa", Aalu 3, PI, bfl, k. ĉ. l.
**Tallinn.** — S-ro O. Sihver, Mäekalda 11—1, PI.
**Tallinn.** — S-ro Artur Malla, PM (kun seriozaj kolektantoj kaj komercistoj, laŭ katalogo Yvert, Michel, kontraŭ estonaj, latviaj kaj PM de rusa nordokcidenta armeo. Sendu unue ne malpli ol 200 M. aŭ 100 Fk. laŭ katalogvaloro.

### Finnlando

**Joensuu.** — S-ro V. Puumalainen, studento, PM, k. ĉ. l. (nur bonstataj, puraj, ne malpli ol 100).
**Helsinki.** — S-ro Lasse Lilja, Konstantinin katu 32, PM, k. ĉ. l.

### Francio

**Paris XIX.** — S-ro Salvador Magem, riparisto de Ĉinaj kaj Japanaj lakaĵoj. 153, rue de Belleville. PI, bfl. kun ĉiulandanoj, precipe ekstereŭropanoj kaj sammetianoj.

### Germanio

**Ahlbeck** (Ostseebad). — S-ro Karl Spintig, bankoficisto, PI, PM, k. ĉ. l.
**Benrath** (Rhein). — Nova grupo. Adreso: S-ro R. Humbeck, Schlossallee 68, PI.
**Berlin-Niederschönhausen.** — S-ro Dyba, profesoro de realgimnazio, L, PI, PM (kun orienteŭropanoj kaj neeŭropanoj, precipe kun instruistoj).
**Breslau 2.** — S-ro Erich Zeh, Buddestr. 15, PI, bfl, k. ĉ. l. (skribu legeble).
**Buer i. W.** — F-ino Helene Towet, Egerplatz 5, PI, k. ĉ. l.
**Cosel** (Oberschlesien). — F-ino Grete Schäfer, Neuestrasse 108/II, L, PK, PI, bfl, k. ĉ. l.
**Dresden-N 6.** — S-ro D-ro phil. Fritz Kyaw, Glacisstr. 2, PM.
**Friedrichsthal/Saar.** — S-ro Oskar Kuhn, Bismarckstr. 1 b, PI, L (Esperante kaj germane).
**Friedrichsthal/Saar.** — S-ro Johann Nelz, Schillerstr. 6, L, PI (ne PM).
**Friedrichsthal/Saar.** — S-ro Nikolaus Donien, Moltkestr. 10, L, PK, PI, k. ĉ. l.
**Helmstedt** (Braunschweig). — S-ro Erich Lüer, oficisto, Henkestr. 36, nur PI multkoloraj.
**Heidelberg.** — S-ro Ed. Hoffmann, Landhausstr. 14, L (kun socialistoj en ĉiuj landoj).
**Heidenau-S.** — S-ro Hellmuth Röhner, Karl Marxstr. 8/I, L, PI, PM, k. ĉ. l.
**Königstein** (Elbe). — S-ro Paul Huhn, Pirnaerstr. 26, L, PK (filatelista afr.), PM.
**Landsweiler Reden/Saar.** — S-ro Hermann Koch, Vogelstr. 6, PI, PM, monerojn kaj monbiletojn.
**Leipzig-R.** — S-ro A. von der Heid, tipografisto, Charlottenstr. 11/III (petas ĉiaspecajn eksterlandajn gazetojn kaj presaĵojn por Esp. propagando inter tipografistoj; al ĉiu respondos.)
**Markranstädt** (Leipzig). — S-ro Paul Friedrich, Krakauerstr. 9, PI.
**Markranstädt** (Leipzig). — S-ro Willy Walter, Marienstr. 12, PI.
**Markranstädt** (Leipzig). — S-ro Walter Kern, Zwenkauerstr. 6, PI.
**Markranstädt** (Leipzig). — S-ro Otto Wagner, Albertstr. 17, PI.
**Markranstädt** (Leipzig). — S-ro Reinhold Bergholz, Leipzigerstr. 48, PI.
**Markranstädt** (Leipzig). — F-ino Gretchen Weiprecht, Hordisstr. 2, PI.
**Markranstädt** (Leipzig). — S-ro Richard Wagner, Lützenerstr, 7, PI.
**Markranstädt-Döhlen** (Leipzig). — S-ro Walter Burkhardt, L, PI (korespondas Esperante, angle, france).
**Menzelen-West** (Rheinland). — S-ro Hermann Wolfertz, instruisto, PI, PM, gaz.
**Niederhermsdorf** bei Dresden. — S-ro R. Scheibler instruisto kaj 45 geknaboj (12-15 jaraj), L, PI, PM, kun negermanaj landoj; pri lernejaj, instruadaj temoj kun neeŭropaj landoj.
**Niederlössnitz-Dresden.** — S-ro Erich Dilger, Schliessfach 21, PM, PI, k. ĉ. l.
**Oederan** (Sa.). — F-ino Hilde Weitzmann, L, PI (precipe naciaj kostumoj).
**Oederan** (Sa.). — F-ino Elfriede Weitzmann, L, PI (precipe naciaj kostumoj).
**Oederan** (Sa.). — S-ro Günter Weitzman, realgimnaziano, PM, PI, bfl, L.
**Wandsbeck/Hamburg.** — S-ro August Brüggemann, Bramfelderstr. 42, PI (kun preĝej-vidaĵoj; sendas kontraŭ PM, ankaŭ nediversaj, ĉiujn ajn).
**Wilhelmshaven.** — F-ino Mize Jess, Kielerstr. 12, L, PI, bfl, k. ĉ. l.
**Wilhelmshaven.** — S-ro Heinrich Merdsche, Moltkestr. 1, PI, bfl.

**Wilhelmshaven.** — S-ro F. Dehne, Kasernenstr. 3/II, PI, L.
**Wilhelmshaven.** — S-ro Bernhard Eden, Kielerstr. 28, PI, L.

### Hispanio

**Baracaldo** (Vizcaya). — S-ro Vicente Bravo, Arana 6. PK. PI.
**Barcelona.** — S-ro Cosme Gibernet, Plaza Rius y Taulet 10, PI, k. ĉ. l.
**Barcelona.** — S-ro Albiol Andres, Asturias 1, PI.
**Tarrasa.** — S-ro Jaime Ribas, calle Topeta 89, PK, L, k. ĉ. l.

### Hungario

**Budapest VII.** — S-ro Fernando Geiger, Nagydiofa u. 18/II, L, PI.
**Budapest.** — S-ro Ladislav Szentgyörgyi, IX., Lónyai u. 19. IV./8., PI, PM, bfl, k. ĉ. l.
**Budapest.** — S-ro Leo Herz, VI., O' utca 40, PI, PM.
**Szombathely.** — S-ro Karolo Lomoschitz, profesoro, nur PM (povas doni ĉiujn hungarajn PM).

### Italio

**Genova.** — S-ro Colini Adino, 11, via Casaregis, nur PM, k. ĉ. l.
**Genova.** — S-ro Giacomo Ansaldo, via Ninio Biscio 4-24, PM, PK, k. ĉ. l.

### Nederlando

**Scheveningen.** — S-ro B. Boon, poŝtoficisto, L (ĉiu temo), PI (ankaŭ artkartoj), PK, PM, k. ĉ. l.

### Polio

**Bialystok.** — S-ro J. Ajer, Skrzynska, Pocztowa 53, L, PI, bfl, papermono.
**Bialystok.** — S-ro Efr. Margolis, Sobieskiego 16, lernanto, PM.
**Bialystok.** — S-ro Abramo Ajzenŝmidt, Fabryczna 19, PI, PK, bfl, PM, k. ĉ. l.
**Bydgoszez.** — S-ro St. Kowalewski, Welniany rynek 15, PM, PI, bfl, k. ĉ. l.
**Czestochowa.** — S-ro Eugeniusz Czerwinski, ul. Berkowa 14, PM, PK.
**Czestochowa.** — S-ro K. Szmidla, studento, Czestochowianka, ziemia Piotrkowska, PM, PI, bfl.
**Czestochowa.** — S-ro Jozef Lakrzewski, Krakowska 50, Ostatui-Grosz, PI, PM, k. ĉ. l.
**Jaslo.** — S-ro Salo Kornfeld, PM (PI, L, nur kun fraŭlinoj).

### Rumanio

**Lupeni** (Transilvanio). — S-ro Janos Eissen, Fabrica de Cocs, PI, k. ĉ. l. (krom Rumanio kaj Hungario; pri ĉasado kaj vivo de sovaĝaj bestoj).
**Targul-Mureŝ.** — S-ino D-ro Turnowsky Sándorné, edzino de advokato kaj studentino de filozofio, PI, L (pri moderna literaturo).
**Targul-Mureŝ.** — F-ino Agnes Haimann, Strato Régibaromvásár, PI, L (ankaŭ pri dancarto).
**Targul-Mureŝ.** — S-ro Adalberto Lörinczy, asekura oficisto, VD. de UEA, Poŝtfako 61, PI, L k. ĉ. l. (pri ĉiu temo, precipe kun bontemplanoj).
**Targul-Mureŝ.** — S-ro Zoltano Arsenoviĉ, komerciernejano, Str. Princ. Nikolae 1, L, PI, bfl, PM.
**Targul-Mureŝ.** — S-ro Aleksandro Nadel, komerciernejano, Str. Béla király 64. PI, bfl (precipe pejzajoj, fotogr.), L (pri sporto).
**Targul-Mureŝ.** — F-ino Anna Simon, oficistino, Fabrika de bere (bierfarejo), L, PI, k. ĉ. l. (pri literaturo, muziko).
**Targul-Mureŝ.** — S-ro Edmundo Lázár, sekretario ĉe la soc. partio, Munkásotthon (Laborista hejmo), L, PI.
**Targul-Mureŝ.** — S-ro Jozefo Reményi, universitatano, Str. Kalaraŝilor. 33, L (precipe kun ĉeestontoj la XIII-an kongreson en Praha).
**Targul-Mureŝ.** — F-ino Hermina Farkas, Iskolastr. 24, L, PI (nur angle).
**Targul-Mureŝ.** — S-ro Aleksandro Simon, Fabrika de bere (biefarejo), L, k. ĉ. l. (pri socialaj demandoj, nur kun seriozuloj).
**Tighina.** — S-ro Paolo Ŝalamov, Lev. Tolstoj 111, PM, PI, L (pri farmaciajoj).

### Rusio

**Scheljabinsk Privokzal.** — S-ro V. Dobrovolskij, poŝta kontoro, PI, gazet., propagandil., L (pri literaturo, terkulturo).
**Temkino** (gub. Smolensk). — S-ro Miĥail Pavloviĉ Ĉetirkin, PM, k. ĉ. l. (laŭ Yvert-Tellier kaj Senf).

### Svisio

**Genève.** — S-ino N. Umanski, oficistino de UEA, ĉeestonta la XIIIan Kongreson deziras korespondi kun tre spertaj kongresanoj kun socialistaj ideoj.

### Ameriko

**Bahia Blanca** (Argentino). — S-ro Alfonso Fuentes, calle O'Higgins, 80–90 Tienda „La Capital", k. ĉ. l.
**Buenos-Aires** (Argentino). — S-ro F. Rigola, calle Oncativo 1962. PI, bfl. k. ĉ. l.
**Matanzas** (Kuba). — S-ro Fructuoso Fernandez, 24 de Febrero 17, nur PI.

### Aŭstralio

**Hawthorn** (Victoria). — F-ino R. Langdon, 69, Robinsons Road, L, PK, k. ĉ. l.

### Azio

**Barnaul** (Siberio). — S-ro Vitold Tenisov, Pavlovskaja 82, PM, papermonon (Notgeld).
**Ĉita** (Tchita, Siberio). — S-ro J. Kurbatov, poŝtoficisto, PI, L, PM, gaz.
**Irkutsk** (Siberio). — S-ro Teodoro Jefimov, Upravlenie sl. Tjagi, z. j. d., PI, L, k. ĉ. l.
**Omsk** (Siberio). — S-ro Anufri Gordeev, Novaja ul. 18, PI, L, k. ĉ. l. (precipe kun fraŭlinoj).
**Peking** (Ĉinio). — S-ro Wu Vee-Tsing, National University, PI, k. ĉ. l.
**Vladivostok** (Siberio). — Loka Societo „Espero" (fondita en 1897), Strato Svetlandskaja 19, deziras por siaj geanoj koresp. kun la tuta mondo L, PI, Esp. gaz. kaj propagandiloj.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

**Tarifo:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. 0. 50. Rabato da 10 % por 3 enpresoj kaj 25 % por 12 enpresoj. Antaŭa pago.
En nacia mono: *Aŭstrio* 5 Kr.; *Belgio* 0.80 Fr.; *Britio* 5 d.; *Bulgario* 2 Lev.; *Ĉeĥoslovakio* 1.80 Kr. ĉ.; *Finnlando* 1.20 F. M.; *Francio* 0.80 Fr.; *Germanio* 1.60 M.; *Hispanio* 0.50 P.; *Hungario* 5 Kr.; *Italio* 1 L.; *Jugoslavio* 2.50 Kr.; *Nederlando* 0.25 Fl.; *Polio* 5 M.; *Skandinavio* 0.40 Kr.; *Svisio* 0.50 Fr; *Usono* 0.10 D. — (Kie la aĉeto de respondkuponoj estas ebla oni pagu per ili: 1 respondkupono = 20 centimoj.)

**Abelkulturo.** — Abelbredistoj korespondu pri abeloj, abelreĝinoj, abelujoj, kun Giuseppe Franscella en Locarno (Tiĉino, Svisio).

**Al ĉiulandaj Esperantistoj** mi povas havigi, pro specialaj aranĝoj, la faman italan verkon 700-paĝan „La Historio de Kristo" (La storia di Cristo) de la mondkonata verkisto G. Papini, kies apero tiel bruegis en la tutmondaj kulturaj rondoj. Prezo 24 it. Lir aŭ 7 Fr. sv. aŭ samvaloro en nacia mono. Rabato 10 % al UEA-anoj kaj al aĉetantoj de 3 ekzempl. Skribu tuj al N. Jäger, VD. de UEA, Pisa (Italio).

**Aliĝu** la Ligon por la Paco Internacia — **vere** internacia Asocio. L. I. P., 4, Princeton Street, London W. C. I.

**Aliĝu senprokraste** al 3-a eldono de „B. E. S.-a Adresaro de Esperantistoj el ĉiuj landoj" sendante Vian adreson kaj personajn informojn kune kun 2 fr. sv. (en (papermono, poŝtmarkoj aŭ respondkup.) al „Bohema Esperanto-Servo", Moravany, Bohemio, Ĉeĥoslovakio. — Vi ricevos senpage la novan antaŭkongresan eldonon. — Postulu interesan prospekton!

**Amikan korespondadon** kun sportulinoj deziras du rejnlandanoj: 1e Werner Schwarz, univ. studento, Köln-Kalk, Odro 68, Germ.; 2e Walter Dahmen, univ. studento, Köln-Kalk, Rodderg. 52, Germ.

**Analizado** de karaktero kaj kapablecoj: Studinte 7 jarojn la sciencan grafologion mi ellaboros „Portreton de karaktero" de ĉiu homo, enhavante detalan priskribon de siaj ecoj valoraj kaj danĝerigaj, se vi sendas al mi minimume 25 liniojn inkskribitajn de sia kutima skribo. Ĉitu sekson, proksimuman aĝon k. profesion de la skribint(in)o, kaj notu la demandojn speciale respondotajn. Honorario: 30 germ. markojn aŭ 3 svis. fr. (15 respondkup) aŭ naciaj bankbiletoj en valoro de 3 sv. fr. Por landoj malfavorkurzaj petu favorproponon. Multaj homoj jam dankis! Skribu antaŭ fari malagrablajn spertojn! Adreso: Grafologa konsilanto Kauffmann, Heidelberg (Germanio).

**Atentu, germanaj Esperantistoj.** — Franco en Svisio, tipografiisto, deziras oficon en Germanio. Posedas la germanan lingvon kaj estus tre danka al ĉiu, kiu bonvole klopodus por li. Ĉiujn detalojn oni petu de C. Rogister, 53, Rue des Maraîchers, Genève (Svisio).

**Banloko Karlsbad.** — D-ro med. Paul Glaser, bankuracisto, rekomencis sian funkcion. Li volonte informas pri ĉiuj aferoj rilate Karlsbad.

**Biletoj de militkaptitejoj.** — Kiu posedas monbiletojn de militkaptitejoj el ĉiuj landoj (Bon des Camps de prisonniers de guerre, Kriegsgefangenengeld), sed nur bonstataj, kaj deziras ilin vendi aŭ interŝanĝi, skibu sub „Helpmono" al la Redakcio de „Esperanto", 12, Bd. du Théâtre, Genève (Svisio).

**Bonkoruloj** afable helpu multe suferantan hungaran knabon, senkulpan viktimon de la mondmilito. Adreso: Julio Németh, lernanto, en Rábakovácsi, u. p. Ikervár, Vas-megye, Hungario. — Dio rekompencu!

**Centra Librejo Esperanto** en Sofia deziras esti en rilatoj kun ĉiuj esperantaj eldonejoj kaj librovendejoj

**Ĉiu Esperantisto** sendu sian adreson al „Bohema Esperanto-Servo", Moravany, Boh., Ĉeĥoslovakio. Li ricevos interesan prospekton kaj prezareton de Esperantajoj.

**Elektroteknikisto** dez. kor. kun eksterlandaj elektroteknikistoj pri elektroteknikaj aferoj, glitelkalkulilo por elektra matematiko. Filologio, historio, maksimalismo, matematiko, homaranismo, individuismo, lingvaj demandoj, k. t. p. John A. Bienjavsky, 504, Rush Str., Chicago (Usono).

**„Esperanto"** mi aĉetus: 182, okt. 1915 — 193, sept., 194, okt. 1916 — 203, julio, 204, aŭg., 205, sept., 206, okt. 1917 — kaj „Katolika Espero", marto 1920. Ploussu, Del., 4, Pl. Achard, Grenoble (Francio).

**Etikismo.** — Mi deziras ricevi informojn (presajojn en angla, franca kaj germana lingvoj mi scias kompreni) pri ĉiaj ekster-eklezioj, religiaj kaj etikaj movadoj de l' mondo, kiel liberreligiaj kaj monistaj komunumoj en Germanio, labor- kaj etikaj komunumoj en Britio, k. t. p. J. L. Bruijn, Daguerrestraat 158, 's-Gravenhage (Nederlando).

**Filatelistoj.** — Neuzitaj polaj poŝtmarkoj por la Ruĝa kruco, la serio je 3 sv. fr., sendas A. Smura, Podolska 20, Bydgoscsz (Polio).

**Filatelistoj,** kiu sendas al mi 100—500 poŝtmarkojn, al tiu mi sendos samvalorajn hungarajn markojn. Ne sendas unue. Zoltáno Székely, Budapest VII., Erzsébetkörut 16.

**Filatelistoj.** — Sendu al mi 100—200 diversspecajn PM de via lando, indikante laŭ Yvert aŭ SW ilian valoron, kaj mi tuj resendas al vi la saman valoron en jugoslavaj PM. — Ing. Artur Spiller, Osijek I., Kolodvorska ul. 52 (Jugoslavio).

**Filatelistoj.** — Sendu al mi per letero rekomendita 50—100 PM malsamajn el via lando, mi tuj sendos al vi la saman kvanton el Germanio. Aldonu respondkuponon. D-ro A. Moebusz, Falkenstr. 12, Lübeck.

**Filatelistoj** en Ruzomberok deziras interŝanĝi PM laŭ katalogo Yvert 1921. Sendoj de pli ol 25 Fr. Skribu al K. Jelinek, oficisto de Slovenska banka, Ruzomberok (Ĉeĥoslovakio).

**Gastigo.** — Vizitonta kun mia edzino kaj 9-jara knabeto la XIIIan Kongreson de Esperanto en Praha, mi deziras pasigi poste, kiel eble plej malmultekoste, mian someran libertempon (4—5 semajnojn) en plej monta parto de Ĉeĥoslovakio. Mi nur bezonas unu ĉambron kun du litoj kaj kutimas je plej simpla familia vivado. Kiam ajn poste mi estas preta samkondiĉe gastigi ĉe mi, eĉ senpage, se oni por mi faras same, saman nombron de personoj. Proponojn oni tuj sendu: Jan Jacobs, instruisto, redaktoro-administranto de „Internacia Pedagogia Revuo", Boomsche steenweg 444, Antwerpen (Belgio).

**Haló!** — Mi kolektas portretojn de niaj unuaj pioniroj, verkistoj, propagandistoj de ĉiuj famaj Esperantistoj; sendu bildojn, PI, eltondaĵojn el diversaj gazetoj, kongresajn fotografaĵojn — ĉion mi rekompensos laŭdezire, prefere per PM. O. Sklenčka, Del. de UEA, Hradec Králóvé, Ĉeĥoslovakio.

**Helpmono.** — Serioza kolektanto de urbaj, provincaj kaj ŝtataj monbiletoj petas oferton de plena kolekto el Aŭstrio; unuopaj de Germanio laŭ listo. Skribu sub „Helpmono" al Redakcio de „Esperanto", 12, Bd. du Théâtre, Genève.

**Henk Goemans,** antaŭa adreso: Rusa-Holanda Banko, Petrograd, kaj Rotterdamsche Bankvereeniging, Amsterdam, petas siajn geamikojn, afable noti sian novan adreson: Banque Hollandaise pour la Méditerranée, Succursale de Constantinople (Turkio).

**Inĝeniero,** mekanikisto-konstruisto, 30-jara, 10-jara praktiko en oficejo kaj laborejo, 4 lingvoj, unuagradaj atestoj kaj rekomendoj, serĉas oficon kun certa estonteco en iu ajn lando. Havigos rekompencon, al kiu helpos en tiu serĉo. Inĝ. Olié, 38, rue des Maraîchers, Genève.

**Ĵurnalistoj atentu!** — Kiu deziras aŭtentikajn raportojn, gazetartikolojn, k. t. p. pri la publika vivo en Aŭstrio, felietonojn de diversaj specoj, k. t. p kaj havas interrilatojn kun gravaj ĵurnaloj aŭ povas liveri similajn laborojn pri sia respektiva lando kaj fine konsentas duonigi la linihonorarion, skribu tuj al S-ro Dolf Halbedl, Del. de UEA, Schönaugasse 6/II, Graz (Aŭstrio).

**Komercistoj,** agentoj, kolektantoj atentu! Mi serĉas filatelistajn interrilatojn kun la tuta mondo. Mi vendas, aĉetas kaj interŝanĝas poŝtmarkojn kaj papermonon ĉiuspecajn. Kontraŭ depono aŭ referencoj mi sendas elektajn kajerojn por aĉeto kaj vendado. Mi povas ankaŭ liveri belajn ilustritajn poŝtkartojn el Wien, Esperantajn steletojn, sigelmarkojn, elektajn kajerojn por poŝtmarkoj. Mi serĉas agentojn en ĉiu lando. Prezaroj estas haveblaj kontraŭ unu respondkupono. Josef Kolnhofer, Wien XIII./4, Zehetnergasse 37.

**Kongresaninoj.** — Mi deziras korespondi kun fraŭlinoj, kiuj partoprenos la XIIIan. D-ro Karlo Mezei, VI., Teréz körut 4. III. 7, Budapest.

**Korespondantojn ĉiulandajn** pri politikaj, kulturaj, socialaj kaj precipe ekonomiaj rilatoj serĉas ĉeĥa granda sendependa ĵurnalo „Tribuna". Pri kondiĉoj skribu al Fred. Weiner, redaktoro, Jungmannova 21, Praha. Oni korespondas esperante, germane, france, angle, hungare.

**Laboro.** — Sviso el Ameriko deziras laboron ie en Svisio. Ĉu iu povas helpi lin? Parolas angle, germane, Esperante. Karl Stoop, Lichtensteig (St Gallen).

**La Caravane,** vojaĝa revuo, aranĝas grupan vojaĝon al la XIIIa Kongreso tra Strasburg, Berlin, Dresden. Skribu Roy, direktoro, Gaillac-sur-Tarn (Francio).

**Letervespero.** — La bontemplanloĝio 109 Kungsholmen (I. O. G. I.) aranĝas internaciajn letervesperojn la 17—24 septembro 1921. Ni deziras leterojn kaj poŝtkartojn de ĉiuj samideanoj. Ne nin forgesu! Ni tuj respondas. Adreso: S-ro L. L. Landin, Tegnergatan 47/III, Stockholm (Svedio).

**Louvain.** — Membroj de UEA dezirantaj informojn pri la universitata urbo Louvain (Belgio) povas sin turni al Frato Gérald Ramboux, Augustins de l'Assomption, 14, Demi-Rue.

**Memekkono.** — Por memeduko ĉe ekpreno de profesio, por ekkono de kaŝitaj kapablecoj valorigeblaj! Legu supran anoncon „Analizado de karaktero".

**Persio.** — Mia karega edzo, S-ro Bahmen Ŝidani, de nelonge vojaĝis al kelkaj enlandaj urboj por ŝtataj aferoj. Multaj ricevitaj PK, L, PM ne estos respondataj ĝis la reveno. Muĉul-Mosaver, Teheran.

**Peto.** — Kiu samideano el Polio, Del. de UEA, demandis S-ron A. de Beus, Del. en Utrecht, informojn pri ventmotoroj? La adreso ne estis legebla pro poŝtstampo. Volonte mi volas servi lin.

**Peto.** — Kiu povus helpi al mi mone, por ebligi ĉeeston de la XIIIa kongreso? Bonvolaj helpantoj skribu al Antonio Khirer, IV ker 322, Nagykőrös (Hungario).

**Pli malkare ol ĉie.** — Vi ricevos PM ĉe: Salo Kornfeld, Jaslo (Polio). Ekz. *Litovio*: eld I., send. k. dent. à 2.50, eld. III., send. k. dent. à 2.50, Porto dent. à 5.—, send. à 5.—, eld por Ruĝa-Kruco à 5.—, por Supersilezio à 5.— *Polio*: eld. S. 0.20 à 6.— kaj ĉiuj aliaj polaj. Prezo *en germanaj markoj* pageblaj je poŝtĉeko Leipzig N-ro 89 773 aŭ direkte al mi. Ĉiuj serioj estas kompletaj. Mendoj de 100 Mk kun afranko, alie aldonu 2 Mk.

**PM.** — Mi vendas 40 fen. kun surpreso 3 M, oficialajn, kaj aliajn polajn PM. — Alsendu R. K.: H. Leser, Rzeszów, str. Ogrodowa (Polio).

**Propaganda poŝtkartvespero!** — Ni petas grupojn kaj izolulojn, precipe eksterlandajn, je alsendo de PI, bfl, ĝis la 31 majo 1921. Ni same kvitancos! Esperanto Grupo Tetschen-Bodenbach, S-ro Bruche, Liebwerd.

**Propagandistoj.** — Bonvolu konstante sendi ĉiujn sciigojn pri interesaj sportnovaĵoj de via urbo kaj de via lando per letero por Sport-Revuo al Sinjoro Stef. Pedrazzini, Locarno (Svisio).

**Redaktoroj!** — Kontraŭ malgranda kompenso mi povas sendadi al ĉiuj gazetredakcioj aŭ ĵurnalistoj (Esp. aŭ ne), politikajn, kulturajn, komercajn kaj ekonomiajn novaĵojn kaj informojn el Bulgario. Gunĉo Gunĉev, Ĉifte-Kafene, Pleven (Bulgario).

**Redakcioj** de Esp. gazetoj estas petataj sendi N-rojn kaj anoncojn por presigi en baldaŭ aperonta „Adresaro de Bulg. Esp-istoj" kaj „Plena Lernolibro por Bulgaroj". Adreso: Iv. H. Krestanoff, Redaktoro de Bulg. Esp. Biblioteko, Karlovo (Bulgario).

**Redaktejo de Sport-Revuo** (redaktoro S-ron Stefano Pedrazzini, Locarno (Svislando) serĉas por sia revuo en ĉiuj landoj reprezentantojn (kolektantoj de anoncoj). Nur kapablaj agentoj estas akceptotaj. (Referencoj estas necesaj).

**Restejon en Franca Svisio** (senkoste) deziras germana instruistino dum sia libertempo en julio. M. Klein, Mensingstrasse 11, Harburg E. (Germanio).

**Riĉaj gesamideanoj, atentu!** — Ĉu iu riĉa samideano volas pruntedoni al juna fervora Esperantisto, redaktoro en Finnlando, sufiĉan sumon (ĉ. 450 svis. Fr.) por partopreni la kongreson en Praha. Respondu senprokraste al: Redaktoro Martti Putaala, „Kaleva", Oulu (Finnlando).

**Seriozaj filatelistoj!** — Por bonaj markoj de via lando mi donas aŭstriajn, hungarajn, polajn, ĉeĥajn kaj bosniajn. Unua alsendo petata. Leopold Ziegler, Wien VII, Zieglerg. 43.

**Sigelmarkoj.** — Interŝanĝas vinjetojn pri ekpozicioj - festoj - politiko - reklamo, k. t. p. G. Ternisien, Octroi Central, Hôtel de Ville, Amiens, Somme (France).

**Viganello.** — S-ro Martellotta Arturo, Viganello, Svisio, sciigas al ĉiuj korespondantoj, ke li estas en Italio, kaj povas nek respondi, nek interŝanĝi PM ĝis lia reveno venonta junio.

**Virinoj!** — Se vi deziras ekkoni la karakteron de via amiko, fianĉo aŭ edzo, k. se vi celas memekkonon k. memedukon, unuvorte, se vi deziras formi vivon feliĉigan, tiam legu la supran anoncon „Analizado ..."

**Vojaĝoj kaj interŝanĝo** de lernantoj. Verkoj (kun fakturo) kaj detalaj informoj pri la organizo de vojaĝoj de lernantoj en- kaj eksterlande estas petataj de tiacela institucio: Kaulumatkailutoimisto, Katariinankatu 2, Helsinki (Finnlando).

## INTERNACIA KOMERCO

**Tarifo:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. 0. 50. Rabato da 10 % por 3 enpresoj kaj 25 % por 12 enpresoj. — (En nacia mono: Vidu la tabelon sub Petoj kaj Proponoj.)

**Abelreĝinoj,** pura itala raso, vendas Giuseppe Franscella, en Locarno (Tiĉino, Svislando).

**Al teknikistoj.** — Mi deziras ricevi ĉiuspecajn katalogojn, prezarojn k. t. p. en Esp., franca, hisp., germ. lingvoj pri maŝinoj elektro, fitingoj, inĝenieraĵoj kaj diversaj teknikaĵoj. A. E. Lee, 198, South Park Rd., Wimbledon, London SW. 19.

**Ĉarpentiloj kaj dentiloj.** — Mi deziras aĉeti ilojn por ĉarpentistoj, ekz. ĉizilojn, rabotilojn, k. t. p., kaj por dentistoj. Sendu katalogon aŭ prezojn al S-ro Troughton, 100, Adelaide Road, London, S. E 4, Anglio.

**Ĉinio.** — S-ro C. S. Gee, Haiyen (via Shanghai), vendas pogrande kaj pomalgrande Esperanto-Brodaĵojn (kun surskribo „Esperanto", Lingvo Internacia", verdstelo, ktp.), Biblio-Brodaĵojn (kun la sanktskribo el Biblio-Esp. floroj, ktp.), 15×20 aŭ 20×30 cm, por 25 aŭ 45 respondkup. Silkŝtofojn, kuriozaĵojn kaj ĉiuspecajn artobjektojn. Specimenojn sendos kontraŭ 1 respondkup. Esp. korespondata.

**Ĉiun Esperantan novaĵon** sendu al la ĉiama interesiĝanto: Bohema Esperanto-Servo, Moravany, Bohemio, Ĉeĥoslovakio.

**Drapo.** — S-ro A. Moussier, r. d'Avignon 168, Vienne, Isère (Francio), sendas 3¼ m. novaja drapo for farigi virveston. Prezo: 60 aŭ 90 fr. laŭ kvalito. Transporto plie.

**Fabiola,** mondfama romano el la tempo de l' unuaj kristanoj en roma imperio. 426 dense presitaj paĝoj kun 18 bildoj, verkita de kardinalo Wiseman, tradukita de E. Ramo. Prezo fl. 2, rekomendite per poŝto fl. 3.00 (24 internaciaj respondkuponoj). Havebla ĉe Centra Esperanto-Librejo, Daguerrestraat 158, 's-Gravenhage (Nederlando).

**Fabrikisto** de maŝinfabrikitaj puntoj kaj tuloj por roboj, tolaĵoj, tukoj kaj kurtenoj deziras interrilati kun vendistoj de novaĵoj kaj mercerajoj. Sendos specimenojn al seriozaj komercistoj konigantaj bonajn referencojn. G, Perrin, rue de Rome 8, Calais (Francio).

**Filatelio.** — Mi deziras aĉeti ĉiuspecajn filateliajn aĵojn: Kovertojn, kajerojn, albumojn, k. c. Sendu proponojn kun specimenoj al Gunĉo Gunĉev, Ĉifte-Kafene, Pleven (Bulgario).

**Gantoj ĉiuspecaj.** — Mi serĉas unurangajn Fabrikistojn de tiu artiklo en Ĉeĥoslovakio kaj Aŭstrio. Offertojn kaj specimenojn al J. D. Applebaum, 11 Mayville Rd, Mossley Hill, Liverpool. Plejbonajn referencojn.

**Kliŝofabrikado.** — S-ro H. Perkins, 6, The Lindens, Bain Avenue, Toronto, Kanado, deziras informiĝi pri la supra metio (metodoj, labor-kondiĉoj, salajroj, k. t. p.) en diversaj landoj. Respondos laŭ deziro.

**Kolektantoj! Atentu!** Mi vendas hungarajn poŝtmarkojn por duona prezo de l' katalogo Michel 1920. Ie ajn vi pagas pli multe. Skribu al Leo Herz, Budapest VI, O-utca 40.

**Komercimportisto,** S-ro Juan Lemes, Las Palmas (Islas Canarias), deziras ricevi proponojn pri ĥemiaĵoj, teksaĵoj, nutraĵoj, k. t. p. Bonegaj bankaj referencoj.

**Komerco.** — Ĉiu firmo kaj samideano, kiu volas vendi aŭ aĉeti ion ajn en Germanio aŭ volas esti bone riprezentata, skribu tuj al S-ro Alberto Hoffmeister, Herrlichkeit 62, Hamburg 11 (Germanio).

**Kuba.** — Eksporto kaj importo de komercaĵoj: S-ro Fructuoso Fernández, komercisto, 24 de Febrero 15—17, Matanzas (Cuba).

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERN